*Esperanto en la servo de la monda paco*



# paco

ORGANO DE LA MEM-SEKCIO DE GERMANA DEMOKRATIA RESPUBLIKO



1989

Miĥail Gorbaĉov

# Kia la homaro eniros la 21-an jarcenton?

(El parolado antaŭ la Unuiĝintaj Nacioj, 7. 12. 88)

Kia la homaro eniros la 21-an jarcenton? La pensoj pri tiu jam proksima estonto eksposedas la mensojn. Ni rigardas tiun estonton kun atendo pri la pli bona kaj samtempe kun maltrankvilo.
La mondo, en kiu ni vivas hodiaŭ, radike diferencas de tia, kia ĝi estis komence aŭ eĉ meze de la nuna jarcento. Kaj ĝi daŭre ŝanĝiĝas en ĉiuj siaj konsistigaj partoj.
Apero de la nuklea armilaro nur tragike emfazis la fundamentan karakteron de tiuj ŝanĝoj. Kiel materia simbolo kaj portanto de la absoluta milita forto, ĝi samtempe rivelis ankaŭ absolutajn limojn de tiu forto.
Plenamplekse ekstaris la problemo pri vivprotekto, memkonservo de la homaro.
Okazas profundegaj sociaj ŝanĝoj.
Sur la antaŭscenejon de la historio, ĉu oriente aŭ sude, okcidente aŭ norde, eliris centmilionoj da homoj, novaj nacioj kaj ŝtatoj, novaj sociaj movadoj kaj ideologioj.
En la vastaj, ofte tempestaj popolaj movadoj manifestiĝas – kun la tuta sia multfaceteco kaj kontraŭeco – impeto al sendependeco, al demokratio kaj sociala justeco. La ideo pri demokratiigo de la tuta mondordo transformiĝis je potenca soci-politika forto.
Kune kun tio la scienc-teknika revolucio multajn problemojn – ekonomiajn, proviantajn, energetikajn, ekologiajn, informajn, demografiajn, -kiujn ni ankoraŭ antaŭnelonge traktis kiel naciajn aŭ regionajn, transformis je problemoj terglobaj.
La mondo iĝis kvazaŭ pli videbla kaj sensebla por ĉiuj dank' al la plej modernaj rimedoj de komunikado, amasa informado, trafiko. La internacia komunikado senprecedence simpliĝis.
Hodiaŭ estas apenaŭ ebla konserviĝo de iaj „fermitaj" socioj. Tio postulas rezolutan revizion de vidpunktoj pri la tuta sumo de problemoj de la internacia kunlaboro kiel gravega elemento de universala sekureco.
La monda ekonomio iĝas integra organismo, ekster kiu ne povas normale evolui eĉ unu ŝtato, al kiu ajn socia sistemo ĝi apartenus kaj sur kiu ajn ekonomia nivelo ĝi situus.
Tio metas en la tagordon la ellaboron de principe nova mekanismo por funkciado de la monda ekonomio, de nova strukturo de la internacia labordivido.
Samtempe la kresko de la monda ekonomio evidentigas kontraŭecojn kaj limojn de la tradicia industriigo. Ĝia plua disvolvo „vasten kaj profunden" puŝas al ekologia katastrofo.
Sed ekzistas ankoraŭ multaj landoj, kies industrio estas nesufiĉe evoluinta, kaj kelkaj ankoraŭ ne eliris el la antaŭindustria stadio. Ĉu la prozeco de ilia ekonomia kresko pasos laŭ malnovaj teknologiaj modeloj, aŭ ili sukcesos engaĝiĝi en serĉadon de ekologie pura produktado – jen estas unu el gravaj problemoj.
La alia: la abismo inter la evoluintaj kaj plimulto da evoluantaj landoj ne malpliiĝas, iĝante pli kaj pli serioza mondskala minaco.
Tio necesigas serĉadon de principe nova modelo de industria progreso – tia, kia respondus al la interesoj de ĉiuj popoloj kaj ŝtatoj.
Unuvorte, la novaj realaĵoj ŝanĝas la tutan mondan situacion. Reduktiĝas aŭ deflankiĝas la hereditaj de la pasinto diferencoj kaj kontraŭecoj. Sed aperas la novaj.
Perdas sian signifon kelkaj antaŭaj malkonsentoj kaj malkonkordoj. Ilian lokon okupas alispecaj konfliktoj.
La vivo devigas forĵeti rutinajn stereotipojn, arkaikiĝintajn opiniojn, liberiĝi de iluzioj.
Ŝanĝiĝas la imago mem pri la karaktero kaj kriterioj de la progreso.
Estus naive pensi, ke la problemojn, turmentantajn la nuntempan homaron, eblas solvadi per la rimedoj kaj metodoj, kiuj estis aplikataj aŭ ŝajnis taŭgaj antaŭe.
Jes. La homaro akumulis riĉegan sperton de politika, ekonomia kaj socia evoluo en la plej diversaj kondiĉoj. Sed ĝi apartenas al tiuj praktiko kaj aspekto de la mondo, kiuj jam restis aŭ restas en la pasinto.
En tio estas unu el la signoj de turnopunkta karaktero de la nuna etapo de la historio.
La plej grandaj filozofoj penadis kompreni la leĝojn de la socia evoluo, trovi respondojn al la ĉefa demando: kiel fari la vivon de la homo feliĉa, justa kaj sekura. Du grandaj revolucioj – la francia de 1789 kaj la rusia de 1917 – potence influis la karakteron mem de la historia procezo, radike ŝanĝis la pason de la mondaj eventoj.
Ili ambaŭ – ĉiu siamaniere – donis gigantan impulson al la progreso de la homaro. Ĝuste ili en multo formis la pensmanieron kiu dume dominas en la socia konscio. Tio estas grandega spirita riĉaĵo.
Sed hodiaŭ necesas serĉi aliajn vojojn en estonton. Serĉi, 'sin apogante, certe, je la akumulita sperto, sed ankaŭ vi-

dante radikajn diferencojn inter tio, kio estis hieraŭ, kaj tio, kio okazas hodiaŭ.
Noveco de la taskoj kaj samtempe ankaŭ ilia malfacileco per tio ne limiĝas. Hodiaŭ ni eniris la epokon, kiam la bazo de la progreso estos la komunhomara intereso.
Ekkonscio de tio postulas, ke ankaŭ la monda politiko estu determinata per prioritato de la komunhomaraj valoroj.
La historio de la pasintaj jarcentoj kaj jarmiloj estis historio de preskaŭ ĉieaj militoj, ofte furiozaj bataloj, rezultigantaj reciprokan ekstermon.
Ilin kaŭzis kolizio de la sociaj kaj politikaj interesoj, interetna malamikeco, ideologia aŭ religia konflikto. Ĉio ĉi estis.
Sed ĝis nun tiun ankoraŭ ne venkitan pasinton multaj traktas kiel nekontraŭeblan leĝon.
Tamen paralele kun la procezo de militoj, malamikeco, diseco de la popoloj kaj landoj pasis, fortiĝante, la alia, same objektive kondiĉita procezo – tiu de establiĝo de interligita kaj integra mondo.
La plua monda progreso eblas nun nur pere de serĉado de komunhomara plenkonsento en la moviĝo al la nova monda ordo.
Ni venis al tia limo, kiam neordigita spontaneco gvidas en senelirejon. Kaj la monda komunumo devas ellerni formi kaj direkti procezojn tiamaniere, ke oni konservu la civilizon, faru ĝin sekura por ĉiuj kaj pli favora por normala vivo.
Temas pri la kunlaboro, kiun pli ĝuste estus nomi „kunkreado" kaj „kunevoluo".
La formulo de evoluo „je konto de la alia" elĉerpas sin. Ĉe nunaj realaĵoj la vera progreso eblas nek je konto de premo de la rajtoj kaj liberoj de la homo kaj de la popoloj, nek je konto de la naturo.
La solvado mem de la terglobaj problemoj postulas novan „amplekson" kaj „kvaliton" de interagado de la ŝtatoj kaj soci-politikaj movadoj, sendepende de la ideologiaj kaj ceteraj diferencoj.
Certe, okazas kaj okazados radikaj reformoj kaj revoluciaj ŝanĝoj interne de apartaj landoj kaj sociaj strukturoj. Tiel estis kaj tiel estos.
Sed nia tempo ankaŭ en tio faras korektojn: la internaj reformaj procezoj ne povas atingi siajn naciajn celojn, irante nur „paralele" kun la aliaj, ne utiligante la atingojn de la cirkaŭa mondo kaj la eblojn de egalrajta kunlaboro.
En tiuj kondiĉoj des pli detrua por establiĝo de la paca ordo estus interveno en tiujn internajn procezojn cele ŝanĝi ilin fremdmaniere.
En la pasinto la diferencoj ofte estis faktoro de foriĝo de unu disde la alia. Nun ili ricevas eblecon esti faktoro de reciprokaj riĉigo kaj altiro.
La diferencoj en soci-ordo, vivmaniero, prefero de tiuj aŭ aliaj valoroj baziĝas sur interesoj. Tion ne eblas neglekti.
Sed ne eblas neglekti ankaŭ la postulon trovi ekvilibron de interesoj en internacia kadro, la postulon, iĝintan kondiĉo por vivkonservo kaj progreso.
Prikonsiderante ĉion ĉi, ni venas al la konkludo, ke, se ni volas konsideri la lecionojn de la pasinto kaj la realaĵojn de la nuntempo, se ni devas respekti la objektivan logikon de la monda evoluo, necesas serĉi, kaj serĉi kune, rimedojn por sanigo de la internacia situacio, por konstruado de la nova mondo.
Kaj se tio veras, do indas interkonsenti ankaŭ pri la bazaj, efektive universalaj, premisoj kaj principoj de tia agado.
Evidentas, ekzemple, ke forto kaj minaco per forto ne plu povas nek devas esti instrumento de la ekstera politiko.
Unuavice tio koncernas la nuklean armilaron, sed la problemo estas ne nur en ĝi. Ĉiuj, kaj la plej fortaj unuavice, devas limigi sin kaj plene elimini aplikon de forto ekstere.
Tia estas la unua kaj plej grava komponanto de la senperforta mondo kiel idealo, kiun ni kune kun Hindio proklamis en Delhia Deklaracio kaj kiun ni invitas sekvi.
Krome, hodiaŭ jam estas klare, ke kreskigo de la militforto faras neniun landon ĉiopova. Plie, unuflanka akcento sur militforto finrezulte malfortigas aliajn komponantojn de la nacia sekureco.
Por ni estas klara ankaŭ nepreco de la principo pri *libereco de elekto*. Neagnosko de ĝi povas kaŭzi danĝerajn postsekvojn por universala paco.
Neglekti tiun rajton de la popoloj, sub kia ajn preteksto tio estus farata, per kiaj ajn vortoj estus ŝirmata, – signifas atenci kontraŭ eĉ tiu nestabila ekvilibro, kiun oni sukcesis atingi. La libereco pri elekto estas universala principo kaj ne devas havi esceptojn.
La konkludon pri nepreco de tiu principo ni faris ne simple pro bonaj intencoj. Al ĝi gvidis nin ankaŭ sentendenca analizo de objektivaj procezoj de nia tempo.
Pli kaj pli sentebla ilia signo iĝas la kreskanta *multvarieco* de la socia evoluo en diversaj landoj. Tio koncernas kaj la kapitalisman, kaj la socialisman sistemojn.
La samon atestas ankaŭ la varieco de la soci-politikaj strukturoj, kreskintaj dum la lastaj jardekoj el la naci-liberigaj movadoj.
Kaj tiu objektiva fakto subkomprenas respekton de opinioj kaj pozicioj de la aliaj, toleremon, pretecon percepti la alian ne nepre kiel malbonan aŭ malamikan, kapablon lerni vivi flank' ĉe flanko, restante diversaj kaj ne pri ĉio konsentante unu kun la alia.
Memkonfirmo de varieco de la mondo igas senbazaj la provojn desupre rigardi la cirkaŭantojn kaj instrui ilin pri „sia" demokratio. Mi jam ne diru pri tio, ke la demokratiaj valoroj en „eksporta plenumo" ofte tre rapide senvaloriĝas.
Do temas pri unueco en varieco. Se ni konstatas tion de politika vidpunkto, se ni konfirmas, ke ni adeptas la liberecon de elekto, tiam malaperos ankaŭ la imagoj, ke iu troviĝas sur la tero pro „sankta volo", sed iu alia trafis tien ĉi tute hazarde.
Jam tempas liberiĝi de tia komplekso kaj konforme efektivigi sian politikan linion. Tiam malfermiĝos la perspektivoj por firmigo de integreco de la mondo.
Postulo de la nova etapo iĝis senideologiigo de la interŝtataj rilatoj. Ni ne rezignas niajn konvinkojn, nian filozofion, tradiciojn, ni alvokas neniun rezigni la siajn.
Sed ni ankaŭ ne intencas fermiĝi en la rondo de niaj valoroj. Tio sekvigus spiritan malriĉiĝon, ĉar signifus rezignon de tia potenca evolufonto, kiel interŝanĝo per ĉio originala, kio estas kreata de ĉiu nacio memstare.
En la procezo de tia interŝanĝo ĉiu pruvu avantaĝojn de sia sociordo, de sia vivmaniero, de siaj valoroj – tamen ne nur vorte kaj per propagando, sed per realaj faroj.
Ĝuste tio estas honesta batalo de ideologioj. Sed ĝi ne devas esti transmetata al interrilatoj de la ŝtatoj. Alie ni simple ne povos solvi eĉ unu el la mondaj problemoj: aranĝi vastan, reciproke profitan kaj egalrajtan kunlaboron inter la popoloj; racie disponi pri la atingoj de la scienc-teknika revolucio; reformi la mondekonomiajn ligojn kaj protekti la ĉirkaŭan medion; superi la malaltan disvolviĝon, ĉesigi la malsaton, malsanojn, analfabetecon, aliajn amasajn plagojn; kaj, certe, ni ne sukcesos tiukaze likvidi la nuklean minacon kaj militismon.
Tiaj estas niaj pensoj pri la objektivaj leĝoj de la mondo sojle de la 21-a jarcento.
Ni, kompreneble, tute ne pretendas je senripoĉa vero. Sed, strikte analizinte la antaŭajn kaj aperintajn realaĵojn, ni venis al la konkludo, ke ĝuste de tiuj vidpunktoj necesas komune serĉi vojon al *supereco de la komunhomara ideo* kontraŭ senfina aro de centrifugaj fortoj, al konservo de la vivkapablo de la civilizacio, eble, sola en la Universo.
Ĉu ne estas en tio certa romantiko, troigo de eblecoj, de matureco de la socia konscio en la mondo? Tiajn dubojn kaj tiajn demandojn ni aŭdas kaj en nia hejmo, kaj de kelkaj okcidentaj partneroj.
Mi certas, ke ni ne disiĝas de la realaĵoj.
En la mondo jam konstituiĝis la fortoj, kiuj tiel aŭ alimaniere instigas al *eniro en la pacan periodon*. La popoloj, vastaj publikaj rondoj efektive arde deziras

ŝanĝon de la aferstato al plibonigo, volas lerni kunlabori.
Foje eĉ estas mirige, kiom forta estas tia tendenco. Kaj gravas, ke tiaspecaj humoroj ektransformiĝas je politiko.
Ŝanĝo en la filozofiaj vidpunktoj kaj en la politikaj rilatoj estas grava premiso por tio, ke, apogante sin je objektivaj mondskalaj procezoj, oni donu potencan impulson al la fortostreĉoj, direktitaj al formado de la novaj rilatoj inter ŝtatoj.
Konformajn konkludojn faras eĉ tiuj politikistoj, kies agado estis siatempe ligita kun la „malvarma milito", ofte kun la plej akraj ĝiaj etapoj. Kvankam por ili estas precipe malfacile rezigni la stereotipojn, la sperton de tiu tempo.
Kaj se eĉ ili faras tian turnon, do estas evidente, ke post veno de novaj generacioj aperos ankoraŭ pli grandaj ebloj.
Konklude, kompreno pri la neceso de paca periodo trabatas la vojon al si kaj iĝas dominanta tendenco. Rezulte iĝis eblaj la unuaj realaj paŝoj en la afero de resanigo de la internacia situacio kaj malarmado.
Kio sekvas el tio de praktika vidpunkto? Nature kaj prudente estus ne rezigni tion pozitivan, kion oni jam akiris, sed progresigi ĉion pozitivan, kio estas atingita dum la lastaj jaroj, kreita per komunaj penoj.
Mi konseridas la intertraktan procezon pri la problemoj de nuklea armilaro, konvenciaj armiloj, kemia armilaro, serĉadon de politikaj metodoj por ĉesigo de la regionaj konfliktoj.
Kaj certe, unuavice – la politikan dialogon pli intensan, pli apertan, celantan la esencon de la problemoj, sed ne kontraŭstaradon, interŝanĝon de konstruivaj ideoj, sed ne kulpigoj. Sen la politika dialogo la intertrakta procezo ne efikos.
Niaopinie ekzistas sufiĉe optimismaj perspektivoj por la proksima kaj malpli proksima estonteco.
Atentu, kiel ŝanĝiĝis niaj rilatoj kun Usono. Poiome estiĝis interkompreno, aperis elementoj de konfido, sen kiuj en la politiko tre malfacilas antaŭeniĝo.
Ankoraŭ pli multaj estas tiuj elementoj en Eŭropo. La Helsinkia procezo estas eminenta procezo. Laŭ mia opinio, ĝi plene plu validas. Necesas konservi kaj pliprofundigi ĝin en ĉiuj aspektoj – kaj en la filozofia, kaj en la politika, kaj en la praktika, sed kun konsidero de la novaj cirkonstancoj.
Nun estas tiaj realaĵoj, ke la dialogo, garantianta normalan kaj konstruivan pason de la internacia procezo, bezonas konstantan kaj aktivan partoprenon de ĉiuj landoj kaj regionoj de la mondo: kaj tiaj grandegaj, kiel Hindio, Ĉinio, Japanio, Brazilo, kaj la aliaj – grandaj, mezaj, malgrandaj.
Mi pledas por pliaktivigo de la politika dialogo, por ĝia riĉenhava karaktero, por plifirmigo de politikaj premisoj, bezonataj por plibonigo de la internacia atmosfero. Tiam plifaciliĝos ankaŭ praktika solvado de multaj problemoj. La afero estas malfacila, sed necesas iri ĝuste tian vojon.
Ĉiuj devas partopreni en la antaŭeniĝo al plia unueco de la mondo.
Nun tio precipe gravas. Ĉar alvenas tre grava momento, kiam aktualiĝas la demando pri la vojoj por atingo de solidariĝo de la mondo, stabileco kaj aktiva karaktero de la internaciaj rilatoj.
Tamen, parolante kun alilandaj ŝtataj kaj politikaj agantoj, – kaj mi havis pli ol ducent tiajn parolojn – mi fojfoje sentis ilian malkontenton pri tio, ke en tiu ekstreme respondeca etapo pro diversaj kaŭzoj ili restas kvazaŭ flanke de la ĉefaj problemoj de la monda politiko.
Estas nature kaj korekte, ke neniu deziras toleri tion.
Se ni estas partoj, kvankam diversaj, de la sama civilizo, se ni komprenas reciprokan dependecon de la nuntempa mondo, do tio devas ĉiam pli reliefe respeguliĝi ankaŭ en la politiko, en la praktikaj penoj por harmoniigo de la internaciaj rilatoj. Eble, ne tre taŭgas ĉiokaze la termino „rekonstruo", sed mi efektive pledas por *novaj internaciaj rilatoj*.
Mi certas, ke la nuntempo, la realaĵoj de la nuntempa mondo postulas fari akcenton je *internaciigo* de la dialogo kaj de la intertrakta procezo.
Tio estas la *ĉefa, resuma konkludo*, al kiu ni venis, esplorante la mondajn procezojn, pliintensiĝantajn lastatempe, kaj partoprenante en la monda politiko.

*(El M. Gorbaĉov: Parolo en Unuiĝintaj Nacioj. Moskvo: APN 1988, p. 4–14)*

Wolfgang Frindte

# Paco kaj psikologio

Prudentaj taksadoj montras al ni, ke nuklea milito en Eŭropo rezultigus la morton de 70 ĝis 80 % de la urbloĝantaro. De la alia parto povus vivadi ĉirkaŭ du trionoj nur kun gravaj fizikaj kaj psikaj difektoj.
Certe tiu estas unu el la plej gravaj kaŭzoj por la psikologoj de GDR kiel profesiklaso pledi por paco kaj kontraŭ nuklea armado. Milito kaj nuklea minaco okupas konsiderindan lokon ene de sento, penso kaj ago de homoj. Ekz. ni eksciis el enketo, ke ĉirkaŭ 80 % da enketitaj 14-jaraj lernantoj nomas la deziron al paco unu el iliaj plej gravaj vivdeziroj. Ankaŭ timo antaŭ morto, mortado kaj nuklea infero ludas gravan rolon en la sento kaj penso de la lernantoj.
Psikologoj scias, ke ekzistas diversaj formoj por traktadi ĉi tiujn vivtimojn: oni povas provi subpremi la kaŭzojn vekantajn timon; oni povas klopodi eliri el la timgenera situacio aŭ oni povas provi manipuli produktive la timon farante el ĝi ekfunkciigilon por la individua ago en la intereso de pacsekurigo. La lasta estas la celo de marksisma pacsekurigo, por kiu ankaŭ la psikologoj grave povas kontribui. Por tio en la jaro 1986 fondiĝis komisiono „Psikologoj por paco kaj malarmado" ĉe la estraro de Socio por Psikologio de GDR. Al tiu ĉi komisiono apartenas gvidaj psikologoj el la plej gravaj psikologiaj institucioj de GDR. Ĝi havas la celon organizi kaj kunordigi la politikajn kaj fakajn pacaktivecojn de GDR-psikologoj.
Intertempe rezulte de tiu ĉi laboro estis eldonitaj diversaj sciencaj kaj popularsciencaj publikaĵoj, kiuj estas dediĉitaj al problemoj de paco kaj de psikologio. Ankaŭ dum sciencaj aranĝoj problemoj de psikologia pacesploro estis pli kaj pli intensive traktitaj. Tiamaniere simpozio de la 7-a Nacia Kongreso de Socio por Psikologio de GDR en februaro 1988 en Leipzig estis dediĉita tute al la rezultoj de ĝisnunaj psikologiaj pacesploroj. Ekz. dum tiu ĉi simpozio estis prezentitaj traktatoj pri la historio de pacesploro, estis diskutitaj scienceteoriaj problemoj de tiu ĉi esploro kaj estis traktitaj esplorrezultoj pri la estonteckonceptoj de GDR-gejunuloj. Jam estis eble montri ankaŭ praktikajn vojojn de pacedukado. Temoj de psikologia pacesploro eniras pli kaj pli grandkvante la instruadon de studentoj de psikologio kaj de pedagogio. Certe la iniciatita kunlaboro inter GDR-organizoj de UNESKO kaj de IPPNW (Internacia Unuiĝo de Kuracistoj kontraŭ Nuklea milito) povus esti fruktodona.
Sendube, la parolo "Pro Pace Mundi" estiĝis principa motivo por la laboro de GDR-psikologoj.
*[Trad. H. Bludszuweit]*

## Ĉu fortimigo per nukleaj armiloj estas aktuala?

# Centra problemo de eŭropa sekurecpolitiko

*de prof. d-ro Manfred Müller, instituto pri internaciaj rilatoj, Potsdam (GDR) kaj d-ro Hermann Scheer, membro de la partia konsilantaro de Socialdemokratia Partio de Germanio (SPG), Bonn (FRG)*

La politika situacio post la kontrakto pri likvido de la elteraj mezdistancaj raketoj estas karakterizata per tio, ke en la centro de la eŭropa atento nun staras la klopodoj pri reduktado de konvencia armilaro kaj tion akompananta transformo de la armeaj doktrinoj kaj strukturoj cele al ambaŭflanka defensiveco. La intertraktoj pri plua atoma malarmado nuntempe koncentriĝas al ellaborado de kontrakto pri 50 %-a reduktado de longdistancaj nukleaj armiloj. SUPG (Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio) kaj SPG delonge emfazas la neceson redukti tiujn ĉefe por Centra Eŭropo danĝerajn sistemojn. Lastatempe la ŝtatoj de Varsovia Traktato proponis apartajn intertraktojn pri tio. Kontraŭ tiujn ĉi iniciativojn oni metas la kredon pri konservenda nuklearmila fortimigo. Ne malprave la apologiistoj de la nuklearmila fortimigo konjektas, ke nulsolvo ankaŭ ĉe la mallongdistancaj nukleaj raketsistemoj subfosus la bazon de la fortimiga reto en Eŭropo. Ili timas, ke jam la komenciĝo de traktadoj pri tiuj ĉi armiloj aŭ pri ties forigo el aparte sensivaj regionoj estigus premon al nulsolvo – pro tio ili eĉ ne tuŝas tiun ĉi „varmegan feron".

### Nukleaj armiloj – neniu garantio por paco

La disputo pri malarmado de la mallongdistancaj nukleaj raketsistemoj do fakte estas disputo pri la principo de fortimigo. Tial ne estas mirige, ke la apologiistoj de la fortimigo direktas sian nunan ambicion ne sur pluan nuklearmilan malarmadon, sed anstataŭ tio – ne malgraŭ, sed pro la unua ekzistanta kontrakto pri nuklearmila malarmado – provas revivigi la pensadon pri fortimigo. Supraĵe tio estas motivita per konvenciaj malekvilibroj. Sed la vera baza dimensio de la fortimiga apologio estas, ke nur nukleaj armiloj solaj estas garantio por la konservo de paco – kio signifas nenion alian ol tion, ke eĉ en la kazo de kontrolita konvencia ekvilibro sur ambaŭflanke grave reduktita nivelo necesas persisti pri nukleaj armiloj. Ĉar en tiu ĉi pensadskemo lastkonsekvence nur nukleaj armiloj fortimigas de komencigo de milito, oni opinias ilin principe nerezigneblaj.

Kvankam neniu plu neas, ke „fiaskon de la fortimigo" sekvus la nuklea katastrofo, tamen kontraŭ ĉiu prudento oni senŝanĝe deduktas el tio, ke la fortimigo devas resti tiom klara kaj efika kiom eblas. Tamen ĝi estas rigardata klara kaj efika por la eŭropa areno nur tiam, kiam restas la ĝisnuna spaca kaj armilteknika integriĝo de nukleaj kaj konvenciaj armiloj en Eŭropo – se do ankaŭ estonte ekzistos nukleaj armiloj kaj janokapaj, duoble (nuklee kaj konvencie) uzeblaj raketoj, artilerio kaj aviadiloj meze de la centreŭropa regiono. Eŭropo, tiel estas asertate, ne rajtas rezigni pri nuklearmila fortimigo inter NATO kaj Varsovia Traktato, ĉar tio estus retropaŝo rilate al la sukcesa politiko de la sekurigo de paco. Tia pensado regis ekz. la deklaron de la pinta renkontiĝo de NATO en marto de tiu ĉi jaro.

Kontraŭe al tio ni pledas por la tezo, ke la rezigno pri nuklearmila fortimigo – kiel ankaŭ pri fortimigo per aliaj amasneniigiloj – estas principe laŭtempa kaj aktuale same necesa kiel ebla. Tion atestas ne nur la argumentoj, eldiritaj dekomence kontraŭ la nuklea armado kaj validaj ankoraŭ ĉiam. Estas necese aldoni, ke ju pli longe nukleaj armiloj estas rigardataj parto de la memkompreneblo aŭ eĉ nerenverseblaj, des pli konvinkaj fariĝas la argumentoj kontraŭ ili.

Principe oni devas eliri de la premiso, ke la industria, ekologia, socia kaj kultura situacio en Eŭropo kompare al la tempo de Dua Mondmilito decide ŝanĝiĝis. La Dua Mondmilito postulis en Eŭropo la vivon de proksimume 35 milionoj da homoj kaj detruis grandajn partojn de la kontinento. Estas esplorende, kiujn kondiĉojn konvencia milito trovus en Eŭropo nuntempe, kiujn aliajn detruojn ĝi kaŭzus rilate al la tiutempaj kaj kiamaniere ĝi efikus sur la vivkondiĉojn. Ne eblas konsideri en tiu ĉi kontribuaĵo ĉiujn por tio necesajn detalajn esplorojn kaj resumajn prezentojn. Tamen ekzemplodone estu atentigate pri kelkaj laŭ la nunaj scioj gravaj kondiĉoj:

### Nukleo-energiaj centraloj

Nuntempe en Eŭropo funkcias ĉirkaŭ 200 nukleo-energiaj centraloj. Krome ekzistas testinstalaĵoj, deponejoj por nukleaj brulaĵoj kaj malprovizaj instalaĵoj. Tiuj ĉi instalaĵoj ne estas simetrie distribuitaj en Eŭropo, sed troviĝas ĉefe en Francio, Britio kaj Federacia Respubliko Germanio. Ili prezentas gravajn militajn celojn, facile atingeblaj por malproksimdistancaj raketoj kaj batalavioj. Ĉe tio tute ne necesas la plena detruo de la reaktoro, sed jam la interrompo de ĝia fridigo povus sekvigi ties detruon kaj amasan liberigon de radioaktiveco. Nuklea reaktoro ĉe damaĝado ne eksplodas kiel nuklea eksplodilo, sed okazas grava eligo de radioaktiva radiado kaj kontaminitaj partikloj. Se ne okazas kontraŭkatastrofaj agoj, tiam tio daŭras sufiĉe longan tempon. Ĉe la katastrofo de Ĉernobil oni sukcese limigis la eliĝon de radioaktiva materialo al 5 procentoj de la tuta en la reaktoro entenita materialo. Tamen la sekvoj estis senteblaj en vastaj regionoj de Eŭropo. La detruo de nukleo-energia centralo kontaminas la proksiman ĉirkaŭaĵon, kiu por longa tempo fariĝas neuzebla. La amplekso de la disvastiĝado de damaĝaj substancoj esence dependas de la veteraj kondiĉoj. En Eŭropo dum 80 pro-

centoj de la jaro regas elokcidentaj ventoj. Sed ĉar la amaso de nukleo-energiaj centraloj staras en Okcidenta Eŭropo, la damaĝaj substancoj, liberigataj ĉe ties detruo, tre verŝajne kovrus la tutan kontinenton. Depende de la vetero verŝajne jam la detruo de 10 procentoj de la ekzistantaj nukleo-energiaj centraloj longtempe kontaminus la plejparton de Eŭropo.
La malfunkciigo de la nukleo-energiaj centraloj en kazo de komenciĝo de milito ne ŝanĝas la situacion, ĉar necesas monatolongaj laboroj por forigi eĉ nur la plej danĝerajn elementojn. Ankaŭ aliaj industriaj instalaĵoj, inter ili nedetruitaj nukleo-energiaj centraloj, fariĝus fontoj de grandegaj danĝeroj, se pro militaj agoj ne eblus laŭorda prizorgado aŭ laŭplana malpliigo de la kapacito.
Sub la kondiĉoj de eŭropa milito kaj kaŭzita de ĝi detruo de eĉ nur parto de la nukleteknikaj instalaĵoj kaj la militsekvoj por la nedetruitaj instalaĵoj grandaj partoj de la kontinento fariĝus principe neloĝeblaj.

## Kemiaj instalaĵoj

Eŭropo samtempe posedas altan nombron kaj densecon de kemiaj instalaĵoj. Ili produktas plurfoje pli grandskale ol antaŭ 50 jaroj larĝan sortimenton de kemiaj produktoj, inter ili danĝeraj substancoj. Ĉe la katastrofo antaŭ kelkaj jaroj en Bophal (Hindio), kiam krevis valvo en kemia uzino, mortis kelkmil homoj kaj tuta urbo devis esti evakuita, temis pri „ne altgrade toksa" kemiaĵo. Nur la nuntempe en Eŭropo ĉiujare aplikata kvanto de agrokemiaĵoj estas 20-oble pli alta ol antaŭ Dua Mondmilito. Kemiaj sterkaĵoj kaj insekticidoj entenas substancojn, kiuj en adekvata koncentriteco estas danĝeraj ankaŭ por la homo. Nuntempe nur la ŝtatoj de Varsovia Traktato produktas ĉirkaŭ 20 milionojn da tunoj de nitrogeno kaj pli ol 10 milionojn da tunoj de fosfata sterkaĵo. Pro kontinua produktado, sed nur sezona aplikado ekzistas grandaj provizejoj kun tiuj ĉi kemiaĵoj. La detruo de la fabrikoj kaj provizejoj havus konsiderindajn sekvojn por la trafitaj regionoj.
Eĉ pli danĝera estus la detruo de produktaj instalaĵoj aŭ deponejoj por altgrade toksaj substancoj, kiuj nuntempe estas produktataj por diversaj procesoj. Netakseblajn konsekvencojn havus la reakcio inter diversaj eliĝantaj kemiaĵoj al altgrade toksaj aŭ gravajn damaĝojn kaŭzantaj kombinaĵoj, kiu estus verŝajna ĉe tutarea detruo de kemiaj granduzinoj.
Estas rimarkinde, ke multaj kemiaj fabrikoj kaj provizejoj pro produktadaj kaj transportaj kaŭzoj estas konstruitaj proksime al havenoj, riveroj, fervojaj trakoj kaj aliaj instalaĵoj, kiuj en konflikto siaflanke prezentas gravajn celojn. Aliflanke la kemia industrio mem fariĝis grava elemento de armado. Pro tio intencitaj aŭ ankaŭ hazardaj detruoj de kemiaj instalaĵoj jam en la unuaj tagoj de milito estus neeviteblaj. Centroj de kemia industrio, kiel ekz. Frankfurt/Main, Mannheim/Ludwigshafen aŭ la regiono de Kolonjo en kazo de konflikto do estas „pulvobarelo".

## Plastoj

La plimulto de la nuntempe uzataj plastoj antaŭ kelka tempo ankoraŭ ne ekzistis. Ili estas grandkvante produktataj kaj multflanke aplikataj. En konsinderinda amplekso oni uzas ilin en la konstruado. Incendioj en urboj, kiel travivis ilin Dresdeno kaj Hamburgo en Dua Mondmilito, nuntempe pro forbrulo de plastoj aldone estigus mortigajn toksajn nubojn.
Aliflanke plastoj estas uzataj en kunligaj kaj provizaj instalaĵoj. Ilia relative facila detruo en milito do kontribuus al rapida kolapso de tiuj ĉi vivnecesaj sistemoj.

## Hidrogenaj karbidoj

La moderna industrisocio dependas de hidrogenaj karbidoj, ĉefe de nafto kaj naftokemiaj produktoj. Sen ties daŭra senĝena alkondukado kolapsas trafiko kaj provizado, hejtado kaj produktado de elektro. La ekzistantaj grandaj provizejoj de tiaj produktoj, oleo- kaj gasduktoj, kiuj trapasas la tutan kontinenton, neeviteble estus elmetitaj al detruo en milito. Tio samtempe ekbruligus urbojn, arbarojn kaj kamparon.

## Elektraj instalaĵoj

En moderna eŭropa milito, en kiu postregiono en la origina senco ne plu ekzistas, provizado per elektro fariĝus neebla. La nuntempe funkciantaj energiaj sistemoj en kazo de milito ne estas konserveblaj. Jam la detruo de kelkaj grandaj transformatoraj stacioj pro la centralizita provizada strukturo sekvigus kolapson de la reto en tutaj regionoj. Sed sen stabila alkondukado de elektro ekz. modernaj grandurboj ne estas loĝeblaj.

## Ekologiaj cirkonstancoj

Dum antaŭ 50 jaroj eĉ en mezaj kaj parte en pli grandaj urboj ankoraŭ ekzistis trinkakvoputoj, nuntempe akvo sen intensiva anzaŭuza purigo preskaŭ nenie estas uzebla. Ankaŭ la spirado, la produktado de nutraĵoj k.a. nuntempe okazas altgrade sub artefaritaj kaj konservitaj kondiĉoj.
Sen ilia garantiado vivo, precipe en centra Eŭropo, ne plu eblas. Sed milito havus ne nur tiun ĉi senperan sekvon, sed ĝi kaŭzus en la trafitaj regionoj longdaŭrajn ekologiajn damaĝojn kaj farus grandajn regionojn longtempe neloĝeblaj. Eble oni povas subtaksi iujn el tiuj ĉi cirkonstancoj, konsideri ilin troigitaj aŭ pensi pri kondiĉoj por malpliigo de militsekvoj. Tamen la sekvoj de milito havus kompleksan karakteron. Estiĝus ne nur iuj el tiuj ĉi danĝeroj, sed ĉiuj kaj krome en korelativa efikado. Krome neeviteble kolapsus la ŝtata, ekonomia kaj socia organizo.
Sub ĉiuj ĉi tiuj kondiĉoj moderna milito en Eŭropo, eĉ se farita „nur" per konvenciaj armiloj, havus por la loĝantaro terurajn konsekvencojn, ne kompareblaj kun tiuj en Dua Mondmilito. Centmilionoj da homoj mortus, la transvivintoj estus submetitaj al civilizacia pratempo kaj socia anarkio.

## Danĝero de tekno-terorismo

Dua Mondmilito finiĝis en Eŭropo. La venonta milito povus komenciĝi ĉi tie. Eĉ se oni sukcesus forigi la nukleajn armilojn, tia milito estus farita per konvenciaj armiloj de ekstreme forta detrua efiko. Por la centro de Eŭropo la supre priskribitaj kompleksaj sekvoj tuj post la komenciĝo de la konflikto okazus neeviteble. La cititaj ekzemploj montras, ke la eŭropaj industrisocioj alprenis strukturon, kiu malebligas reciprokan militadon. Pro la alta centraliza grado de teknikaj ekipaĵoj kaj la alta koncentriteco de industriaj instalaĵoj niaj socioj fariĝis ekstreme difektiĝemaj en kazo de ĝenoj – ĝenoj, kiuj povas okazi jam sen deekstera interveno. En milito ili estas sekvo de celitaj agadoj, sed ili okazus ankaŭ „preterpase" preskaŭ neeviteble.
Kun la progresado de la industriigo malpliiĝas la signifo de la demando, kiaspecaj armiloj estas aplikataj. Ne hazardeĉikonekse estas avertata pri la danĝero de tekno-terorismo. Certe ekzistas multaj kaŭzoj, kial ĝi ĝis nun ne ludis gravan rolon, inter ili eble ankaŭ la tabuaj limoj de la nekalkuleblaj sekvoj. Sed en konvencia milito, en kiu la agantoj disponas pri ĉiuj eblecoj por profiti el la difektiĝemo de la industrisocio, tiaj tabuoj ne ekzistas.
Tiu ĉi tezo pri difektiĝemo ne samgrade validas por industrie malpli evoluintaj kaj grandteritoriaj socioj, plie kun malpli evoluinta militekniko kaj pli malgrava potencialo. Tamen ŝajnas certe, ke ĝi por la eŭropa kontinento kaj precipe por meza Eŭropo estas pli realisma ol ĉiuj konceptoj pri militaj agadoj aŭ ankaŭ kontraŭagadoj.
Enscenigoj de militagadoj sen konsidero de la priskribitaj konsekvencoj aspektas pli kaj pli anakronismaj. Sed ĉefe la doktrino pri fortimigo staras sur tre „argiliĝintaj piedoj". Ĉar estas supoze-

ble, ke fortimigo nuntempe jam ekzistas sen nukleaj armiloj kaj povas efiki ankaŭ sen la jam hodiaŭ sur ambaŭ flankoj ekzistanta kaj rapide evoluanta nivelo de konvenciaj armiloj kaj trupoj. Tamen ĉe kelkaj politikistoj kaj militistoj la politika-strategia kaj la militfaka konscio postrestas malantaŭ la industrisocia realeco. Fortimigo hodiaŭ okazas en la kapoj. Se ili senkaŝe konsciigus al si la sekvojn de ĉiaspecaj militoj, ili jam nun kaj senkondiĉe povus konsideri gravan konvencian reduktadon.
Tio validas precipe por tiuj, kiuj en la mezo kaj por la mezo de Eŭropo persistas pri nuklearmila fortimigo. La konstato de la ankaŭ en longtempa efikado terura detrua forto de konvencia milito tamen ne konkludigu nin, ke do estas egale, ĉu militpreparoj estas realigataj per nukleaj aŭ konvenciaj armiloj. Restas la diferenco, ke nukleaj armiloj pro la imanenta risko de eskalado portas en si la danĝeron de tutmonda incendio, dum la samtempa efiko de konvenciaj armiloj kaj industrisocia difektiĝemo „nur" detruas la vivbazon de la senpere trafitaj landoj. Tiu kondiĉo restus konservita dum longa tempo ankaŭ en kazo de nuklearmila abstinado kaj proceso de konvencia reduktado. Ĝi malaperus kiel rezulto de la starigo de ambaŭflanka laŭstruktura atakmalkapableco, kiu ĝuste pro tio devas esti nepre necesa celo de transformproceso, direktita al koopera sekurigo de paco.
La mezeŭropaj ŝtatoj jam nun povus permesi al si rezignon je nukleaj armiloj sen perdo de la fortimigo kaj sen kresko de militdanĝero. La ŝtatoj, posedantaj nukleajn armilojn, siaflanke devus permesi al si ĝuste la nuklean malarmadon en Eŭropo. Iliaj nukleaj armiloj havas la funkcion de ponto, kiu transigas la flamojn de neniigo, minacanta al la eŭropaj ŝtatoj en ĉia imagebla milito, sur ilin mem. Evidente estas la tempo por malligi la ideon pri fortimigo de la nukleaj armiloj kaj, konsidere al la ĉiukaze fortimiga efiko de modernaj militoj en evoluintaj industrisocioj, organizi la sekurigon de paco per nemilitaj rimedoj.
*(El „Horizont", n-ro 10/1988)*
*trad.: D. Dungert*

# La malgranda morta knabino

(laŭ Nazim Hikmet)

Hodiaŭ mi frapas je l'pordo de via loĝejo,
– ĉe kiom da pordoj mi estis dum jaroj pasintaj! –
kvankam neniu kapablas ekvidi min, ĉar la
mortintoj ja nerimarkeblaj estas por ĉiu!

Iam mi vivis en bela grandurb' Hiroŝimo;
sed tiu tempo jam estis antaŭ dek jaroj.
Nun mi por ĉiam restos sepjara knabino:
mortaj infanoj sendube ne povas plukreski.

Unue la fajro ekkaptis mian hararon;
tuj post tio forbrulis miaj okuloj
kaj miaj manoj'– krome la sang' vaporiĝis,
ĝis mia korpo nur estis iom da cindro.

Nenion estonte vi povus bonfari al mi.
Nenion. Tute nenion. Vi devas pripensi:
infano iam forbrulis kvazaŭ papero.
Neniam plu povas donaci vi iom al ĝi!

Mallaŭte, hezite nur frapas mi je viaj pordoj.
Donu al mi senprokraste vian subskribon,
por ke la bomboj neniam plu trafu infanojn,
por ke estonte neniam infanoj forbrulu,
por ke ili povu ludi kaj manĝi bombonojn!

*Elgermanigis: Manfred Arnold*

La paco estas la plej forta postulo de tiu ĉi generacio. Ĝi estas ĝia ununura reala pasio. Sed tio estas, ĉar la paco preskaŭ neniam estis tiom enhavoriĉa kiel ĝuste nun. La milito dum la tuta historio ne vere estis malpermesita. Unuan fojon dum niaj tagoj ĝi estas malpermesita.

Heinrich Mann

# Zonoj sen atomarmiloj – zonoj al sekureco

D-ro Dietmar Heyne

La INF-kontrakto estis ĵus subskribita de Sovetunio kaj Usono, kiam de la 20a ĝis la 22a de junio 1988 en Berlino 1 034 reprezentantoj el 113 landoj debatis pliajn vojojn al la daŭrigo de malarmado. Sur la renkontiĝo por senatomarmilaj zonoj ili starigis al si la demandon: Ĉu oni povas breĉigi per tiuj zonoj la interplekton de armado kaj minacado?

Laŭ kompreno kaj de marksismaj kaj de burĝaj ekspertoj pri malarmado oni hodiaŭ nomas senatomarmila zono tian geografian ejon, kiu kutime ampleksas apartan teritorion de pluraj ŝtatoj, sur kiu troviĝas nek nukleaj armiloj (bomboj, eksplodiloj, minoj kaj aliaj formoj de nuklea municio) nek aparatoj aŭ instalaĵoj, per kiuj ili povas esti movitaj al celo (portiloj, direktiloj) nek instalaĵoj por ties produktado kaj stokado. Krome ekzistas interkonsento, ke la internaci-jura rekono de iu teritorio kiel senatomarmila zono bezonas ne nur tiucelan deklaron de la partoprenantaj ŝtatoj, sed ankaŭ garantiojn de la atompotencoj por la respekto de tiu stato. Do necesas internacia veriga sistemo, per kies helpo oni povas kontroli la rezultajn devigojn de rektaj kaj nerektaj koncernitoj.

Per senatomarmilaj zonoj oni povas kontribui konstruive kaj esence al la popaŝa tutmonda limigo de armado kaj al malarmado. Regionaj konceptoj havas la avantaĝon de rapida plenumo kaj facila kontrolo pro la teritoria limigo kompare al la tamen alstrebata tutmonda solvo. Estante antaŭaĵo, provaĵo kaj pruvaĵo de politika kaj militteknika fareblo, ili estas taŭgaj por la motivigo kaj subteno al la penoj pri kompleta forigo de armiloj.

### Senatomarmilaj zonoj tutmonde kaj enkosme

Pli ol tri jardekojn jam aĝas la ideo, limigi la nuklean vetarmadon kaj atingi pli da sekureco por certaj regionoj per senatomarmilaj zonoj kaj koridoroj. De tiam ĝi pli kaj pli eliris el la fazo de teoriaj pritraktadoj inter ekspertoj pri sekureca kaj malarmada politiko en la fazon de praktika politiko kaj trovis ĉiam pli larĝan subtenon en la internacia publiko. Post la internaci-jura rekono de la senarmila stato de kosmo kaj neloĝataj teritorioj kiel Antarktiko kaj margrundo, per la validigo de la Kontrakto de Tlatelolco unuafoje tiu stato estas laŭ internacia juro akceptita por konstante loĝata regiono: latina ameriko kaj Karibio. Per la Kontrakto de Rarotonga plia senatomarmila regiono sin evoluis en suda pacifiko.

La kreo de tiuj du zonoj montris la sekurecpolitikajn eblecojn, sed ankaŭ la ankoraŭ venkendajn obstaklojn. Ambaŭ kontraktoj enhavas la devoligon de la kontraktantoj nek elprovi, apliki, produkti kaj akiri nukleajn armilojn nek permesi ties staciigon kaj stokadon. Tamen tiuj kontraktoj ankaŭ montras limojn. La demando de civila uzo de atomenergio ne estas sufiĉe klara, la traira transporto de atomarmiloj de nukleaj potencoj ne estas regulita kaj nur Sovetunio kaj Popola Respubliko Ĉinio senkondiĉe garantias la respekton de la kontraktoj. Malgraŭ tiuj limigoj oni devas pozitive juĝi la ĝisnunajn spertojn pri senatomarmilaj zonoj. Laŭ la opinio de la partoprenintoj de la Berlina Renkontiĝo el ili rezultas ŝancoj de plia emfazo de specifaj naciaj interesoj kontraŭ la nukleaj potencoj kaj ankaŭ eblecoj por la realigo de la kontrakto de nepplivastiĝo de atomarmiloj. Regionaj zonoj de senatomarmileco stimulas la tutmondan pacmovadon.

Senatomarmilaj zonoj estas grava paŝo al senatomarmila mondo, kiel jam konstatis la unua speciala kunveno de UNO pri malarmado en 1978 per la unuanime akceptita Ĉarto pri malarmado.

### Eŭropo – ĝis kiam la pulvejo de la mondo?

Apartan valoron havas senatomarmilaj zonoj en Eŭropo. Nenie oni sentas la paradoksan kontraŭecon de sekurecpolitikaj realecoj kaj objektivaj tutmondaj interesoj de la homaro pli forte ol ĉi tie.

Unuflanke la sortoj de ĉiuj landoj kaj popoloj de Eŭropo estas strikte ligitaj unu al alia per geografio kaj historio. La konstruiva kunlaboro inter la eŭropaj landoj sendepende de aparteno al diversaj soci-ekonomiaj kaj milit-politikaj sistemoj hodiaŭ estas unusola praktike ebla alternativo por la solvo de regionaj kaj kontinentaj problemoj. Tion respegulas ankaŭ la multfacetaj kontraktoj kaj formoj de politika, ekonomia kaj kultura kunlaboro.

Aliflanke en Eŭropo kontraŭstaras unu al la alia pli ol 5 milionoj da soldatoj. La atoma, kemia kaj konvencia detruaj potencoj de ambaŭ militaj koalicioj nombras ĉirkaŭ 6 000 atomarmilojn kun proksimume 9 000 eksplodkapoj, kelkmilojn da tunoj de kemiaj bataliloj kaj ĉirkaŭ 50 000 tankojn kaj 8 000 militaviadilojn.

Eŭropo estas unu el la plej dense loĝataj regionoj de Tero (proks. 65 enloĝantoj sur kvadrata kilometro, Tero entute 34) kaj disponas pri 200 atomelektrejoj kaj atomenergiaj instalaĵoj, krome pri sensiva kaj kompleksa industria infrastrukturo (energio, akvo- kaj varmprovizaj sistemoj, trafikaj kaj komunikaj interrilatoj). Eĉ en kazo de „nur" konvencia militiro ĝi estiĝus atome aŭ kemie kontaminita dezerto kaj plie detruus la mondon. Eŭropo ne estas la umbiliko de la mondo, sed ties plej danĝera pulvejo.

Nia kontinento ludas apartan rolon pro sia strategia signifo por la internacia fortorilato en kadro de tutmondaj penoj en la proceso de malarmado kaj armadlimigo. Regionaj praktikaj sukcesoj en tiu regiono multforme tuŝas interesojn tutmondajn kaj aliregionajn.

Vide al tio la plej diversaj politikaj fortoj de la „malnova" kontinento evoluigis




*La kreo de zono sen atomarmiloj kun larĝeco de po 150 kilometroj ambaŭflanke de la limo inter NATO kaj la Varsovia Pakto rezultigus, ke la mallongdistancaj raketoj kun atingopovo de 70–110 kilometroj ne plu povus atingi celojn en FRG, nek en GDR kaj ĈSSR.*

Grafiko: Zentralbild

sekurecpolitikan pensŝanĝon, al kiu grave kontribuis la socialismaj landoj per siaj konkretaj proponoj por malarmado. Serĉante novajn vojojn de komuna sekureco, la instigoj sin direktis kaj direktas al la limigo de la milita faktoro en la internaciaj rilatoj favore al la politika. Antaŭ la eŭropa publiko la milita timigo perdas sian ekzistorajton. Ĉiam malpli da eŭropanoj vidas en ĝi garantion por la estonteco. Alternative konceptoj pri senatomarmilaj zonoj estas evoluataj: por superi timojn de minacado, kiel konfidiga rimedo, sed ankaŭ kiel rapide praktikebla ilo por redukto de armado.

## Grava ĉenero al malarmado

Ni vidu la jenan ekzemplon: la propono pri 150 km larĝa koridoro libera de atomaj etareaj armiloj en mezeŭropo. Per ĝi elpaŝis la Palme-komisiono en 1982. Pluevoluis ĝin la komuna laborgrupo de Socialisma Unuecpartio de GDR kaj Socialdemokratia Partio de FRG en 1986. Post la aliĝo de Komunisma Partio de ĈSSR en 1987 ĝi estis proponata de la registaroj de GDR kaj ĈSSR al la registaro de FRG cele al efektivigo de senatomarmila koridoro en Mezeŭropo.

La koncepto pri senatomarmilaj zonoj estas grava interligilo inter la realigo de la INF-kontrakto kaj pliaj urĝe necesaj reduktoj de nukleaj kaj konvenciaj armilaj sistemoj. Ties sekurecpolitika signifo kreskonta dum la sekvaj jaroj estas skizebla jene:

1. La maldensiĝo de ekzistantaj atomarmilaj povoj malaltigas la danĝeron de transpaŝo de la nuklea sojlo kaj de nekontrolebla eskalado en nuklean inferon. Precipe en Eŭropo tio estus direktomontra paŝo al la limigo de ofensivaj militpolitikaj opcioj kaj same al konfidigo. La rekondukigo de taktikaj (etareaj) atomarmiloj ankoraŭ ekzistantaj laŭ la INF-kontrakto malpliigas ties militan valoron kaj esence faciligus la kompletan neniigon de tiu armila kategorio.
2. El la logiko de hodiaŭaj armadaj strukturoj estas dedukteble, ke senatomarmila zono ankaŭ estus zono de reduktita konvencia milita povumo. La deviga konsidero de duoble uzeblaj sistemoj (sistemoj utiligeblaj por pafado kaj per nuklea kaj per konvencia municio) kondukus al grava regiona reduktiĝo de konvenciaj armiloj kiel artilerio, tankoj kaj taktikaj aviadaj fortoj. Paralele estas malpliigeblaj ekzistantaj asimetrioj en unuopaj armilspecoj.
3. Maldensiĝo de tiuj armilsistemoj konsiderataj kiel tre agresivaj kaj templimigaj preventus, parte eĉ taktike malebligus surprizajn atakojn. Plilongiĝus la antaŭavertaj tempoj, pliboniĝus la ŝancoj de politika solvo de krizo. Tiu estus vivosava vide al la reala danĝero de teknika kaj homa nekapableco.
4. La praktikaj spertoj de senatomarmila zono en Eŭropo povus esti grava kaj stimula kontribuo al la dialogo pri militaj doktrinoj de la aliancoj proponita de la Varsoviaj paktanoj en 1987 dum sia Berlina kunsido. La praktikaj spertoj pri senatomarmilaj zonoj estus taŭga rimedo por la revizio kaj fina nuligo de la milit-strategia koncepto pri nuklea fortimigo. Ili subtenas – laŭ la principo de reciproka sekureco – alternativan sekurigan koncepton sur la bazo de kunlaboraj strukturoj, kies fundamento estus la reformo de militaj povoj direkte al milita sufiĉo kaj neofensiva strukturiĝo.

En la lasta deklaro la Varsoviaj paktanoj proponas „baldaŭ komenci traktadojn pri esenca redukto kaj fina nuligo de taktikaj atomarmiloj inkluzive de la duoble uzeblaj sistemoj cele al reciproke akceptebla kontrakto“. Tio estas nedispartigebla elemento de la programo pri „kreado de strioj (zonoj), en kiuj estas konservata tia nivelo de militaj povoj, kiu garantias nur defendadon kaj malebligas surprizan atakon“.

Tiaj aranĝoj estas grava paŝo al mondo sen atomarmiloj.

*(El Urania 8/88, trad. M. Lennartz)*

# Ĝisnunaj kontraktoj

## Antarktika kontrakto

Kontrakto pri la ekskluzive porpaca utiligo de Antarktiko subskribita je la 1a de decembro 1959 de la registaroj de Argentino, Aŭstralio, Belgio, Ĉilio, Francio, Japanio, Nov-Zelando, Norvegio, Sudafrika Unio, Sovetunio kaj Usono.

Validiĝis je 23a de junio 1961. Je 1a de januaro 1987 estis 33 membroŝtatoj.

### Kosmokontrakto

Kontrakto pri la principoj de la agado de ŝtatoj por la esplorado kaj utiligo de kosmo inkluzive de luno kaj aliaj kosmaj korpoj. Validiĝis je 10a de oktobro 1967. 118 ŝtatoj subskribis, 89 el tiuj ratifikis.

### Kontrakto pri margrundo

Kontrakto pri la malpermeso de staciigo de atomarmiloj kaj aliaj amaspereigiloj sur mara kaj oceana grundo. Validiĝis je 18a de majo 1972. Je 1a de januaro 1987 estis 103 subskribintoj, el kiuj 78 ratifikis.

### Kontrakto de Tlatelolco

Kontrakto pri senatomarmila zono en Latina Ameriko kaj Karibio farita laŭ iniciato de Meksikio je 14a de februaro 1967. Validiĝis post la depono de dekunu ratifikaj dokumentoj je 25a de aprilo 1969. Aktuale valida por 22 ŝtatoj de la regiono.

### Kontrakto de Rarotonga

Kontrakto pri senatomarmila zono en Suda Pacifiko subskribita je 6a de aŭgusto 1985 (Hiroŝima-tago) de 8 el 14 partoprenantaj kaj observantaj landoj de Sudpacifika Forumo dum la 16a renkontiĝo en Avarua sur Rarotonga (Kuk-insularo). Tiuj ŝtatoj estis Aŭstralio, Nov-Zelando, Okcidenta Samoo, Fiĝioj, Kiribatio, Tuvalo, Nuio, Kuk-insularo. La kontrakto validas ekde aŭtuno 1986, aktuale estas 11 membroŝtatoj.

*Trad. Michael Lennartz el „Urania" 8/88*

# Nova Esperanto-Organizaĵo en Soveta Unio

Komence de aŭgusto 1988 en Moskvo estis fondita nova E-organizaĵo: Moskva Asocio de Junaj Esperantistoj (MAJE). Celoj de la Asocio estas: organizado de diversaj E-aranĝoj en Sovetio kun partoprenado de eksterlandaj esperantistoj; disvastigo kaj propagando de Esperanto inter gejunuloj; kunlaboro de diversaj junularaj E-organizaĵoj, prezentado de la interesoj de junaj sovetiaj esperantistoj en superaj instancoj. Nun la nova organizaĵo unuigas ĉiujn Moskvajn kaj Apudmoskvajn junularajn E-klubojn. MAJE havas provizoran adreson: SU - 125 422 Moskvo, str. Timirjazevskaja, 34-2-61.

## Deklaro de la komitato de la ministroj de defendado de la ŝtatoj-membroj de Varsovia Pakto (januaro 1989):

# Pri la proporcio de la laŭnombra forto de la armeoj kaj armiloj de la organizaĵo de Varsovia Pakto kaj de NATO en Eŭropo kaj la apudaj maraj teritorioj

La komitato de la ministroj de defendado de la ŝtatoj-membroj de Varsovia Pakto substrekas la eksterordinaran signifon de la unuflankaj paŝoj de Sovetunio al reduktado de ĝiaj armeo kaj armiloj, i.a. en Eŭropo, por la firmigo de mondpaco kaj internacia sekureco kaj por kreo de konfido, kiujn M. S. Gorbaĉov, Ĝenerala Sekretario de Centra Komitato de KPSU kaj prezidanto de la prezidio de Supera Soveto de USSR, anoncis en UNO la 7-an de decembro 1988.

Gvidate de la decidoj de la sesioj de la Politika Konsilanta Komisiono de la ŝtatoj-membroj de Varsovia Pakto en Budapeŝto (1986), Berlino (1987) kaj Varsovio (1988) kaj elirante de la defenda karaktero de la milita doktrino de la alianco la Komitato opinias, ke prioritata en la nuna epoko estas la malhelpo de milito, la ĉesigo de atoma kaj konvencia vetarmadoj kaj la transiro al daŭra malarmado.

La armeoj de Varsovia Pakto kaj de NATO en Eŭropo devas esti tiaj, ke ĉe fidinda garantio pri la propra defendkapablo neniu de ambaŭ aliancoj disponas pri rimedoj por surprizatako kontraŭ la alia flanko kaj por atakagadoj entute.

La partoprenantoj de la proksimaj intertraktoj pri reduktado de armeoj kaj konvenciaj armiloj en Eŭropo devas strebi ĝuste al tiu ĉi celo.

La partoprenantoj de la kunsido konfirmas sian decidemon kontribui al plejeble rapida komenco de tiuj ĉi intertraktoj kaj al rekomenco de la laboro de la konferenco pri konfido- kaj sekureckreaj paŝoj kaj malarmado en Eŭropo.

Ili pledas por tio, ke tiuj ĉi korporacioj ekagu cele al interkonsento pri reciproka forigo de ekzistantaj malsimetrioj kaj malekvilibroj kaj en la tuta Eŭropo kaj en unuopaj regionoj, al esenca reduktado de armeoj kaj konvenciaj armiloj en Eŭropo, al evoluigo kaj plivastigo de jam ekzistantaj konfidokreaj agadoj sub konsidero de la limigo de armeaj aktivadoj sur la eŭropa kontinento kaj al registrado de memstaraj aktivadoj de la aer- kaj mararmeoj.

Lige kun tio kreskas la aktualeco de la propono, prezentita de la ŝtatoj-membroj de Varsovia Pakto jam en marto 1988, oficiale interŝanĝi indikojn inter ambaŭ armeaj-politikaj aliancoj pri la nombro de la trupoj kaj konvenciaj armiloj de la ŝtatoj de Varsovia Pakto kaj de NATO en Eŭropo. La ŝtatoj de NATO ne pozitive respondis tiun ĉi proponon kaj publikigis unuflankajn tendencajn informojn, baziĝantajn sur elekta principo.

La komitato de la ministroj de defendado nun kiel antaŭe atribuas grandan signifon al la publikigo de realaj indikoj pri la trupoj kaj konvenciaj armiloj de la ŝtatoj de Varsovia Pakto kaj NATO de Atlantiko ĝis Uralo.

Krom tio la komitato opinias necese prezenti la tutan bildon de la proporcioj de la armeaj potencialoj de ambaŭ armeaj – politikaj aliancoj en pli larĝa kunteksto.

La armeoj estas unuecaj organismoj. Ĉiaj partoj – terarmeoj, aerarmeoj, trupoj de aerdefendado kaj mararmeoj – agas kune, kompletigas kaj plifortigas sin reciproke. Kaj nur ties kompleksa analizo ebligas ĝustan pritakson de la forto de ambaŭ flankoj.

Elirante de tio la komitato de la ministroj de defendado decidis publikigi indikojn pri la nombro de la trupoj kaj de

la ĉefaj specoj de armiloj de la ŝtatoj-membroj de Varsovia Pakto kaj sian pritakson de la militfortoj de NATO en Eŭropo kaj la apudaj maraj teritorioj.
El la aldonitaj tabeloj (tabeloj 1 kaj 2) fariĝas videbla, ke NATO ĉe proksimume sama forto de la ter- kaj aerarmeoj havas duoblan superecon rilate al la laŭnombra forto de la mararmeoj.
NATO havas kontraŭ la organizaĵo de Varsovia Pakto superecon rilate al la nombro de atakaviadiloj de la frontflugtrupoj (taktikaj flugtrupoj) kaj de la mararmeaj flugtrupoj, de la atakhelikopteroj kaj de la stiritaj kontraŭtankaj raketkompleksoj.
La organizaĵo de Varsovia Pakto havas superecon ĉe tankoj, startramploj por taktikaj raketoj, kontraŭatakaj ĉasaviadiloj de la trupoj de aerdefendado kaj ĉe pafistaj tankoj, kirasaŭtoj kaj artilerio.
Sur la kampo de armiloj de la mararmeoj NATO kontraŭ Varsovia Pakto disponas pri grava supereco ĉe batalaviadiloj de la mararmeo kaj rilate al la nombro de grandaj surmaraj ŝipoj, inter ili aviadilportantoj kaj ŝipoj kun poraviadilaj ferdekoj.
La organizaĵo de Varsovia Pakto disponas pri certa supereco ĉe submarŝipoj, ekipitaj per raketoj kaj torpedoj.
La donitaj indikoj kompreneble ne estas destinitaj servi plenamplekse kiel bazo de la estontaj laŭmandataj intertraktoj kaj ne anstataŭigu ties temon. Tiu ĉi kompleksa aliro al la pritakso de la militaj fortoj en Eŭropo tamen fine koncentru la atenton sur la necesecon, doni al la intertraktoj dekomence realisman karakteron kaj rezigni pri provoj atingi unuflankajn avantaĝojn.
Sub konsidero de ĉiuj komponantoj oni povas karakterizi la militajn fortojn proksimume samvaloraj, donantaj al neniu flanko la eblecon kalkuli pri decida milita avantaĝo.
Krome radikala malaltigo de la nuna alta nivelo de koncentriĝo de trupoj kaj armiloj en Eŭropo necesas por certigi stabilecon laŭ la principo de racia sufiĉo por defendkapablo.
La komitato de la ministroj de defendado opinias, ke la interesoj de la eŭropa sekureco postulas tujajn agojn por forigi ekzistantajn malekvilibrojn kaj malsimetriojn, konsiderinde redukti la plej danĝerajn specojn de atakarmiloj, krei pli malaltan trupnivelon kaj tiel transformi la militajn strukturojn de ambaŭ aliancoj, ke ili ricevas tipan defendan karakteron.
La pretecon de la ŝtatoj-membroj de Varsovia Pakto, realigi la klopodojn pri malaltigo de la nivelo de milita konfrontado en Eŭropo per praktikaj agoj, montras la jam de la landoj de Varsovia Pakto (Bulgario, Hungario, GDR, Pollando, Rumanio, USSR, Ĉeĥoslovakio) faritaj paŝoj al unuflanka reduktado de trupoj kaj armiloj kaj ĉefe la novaj iniciativoj de Sovetunio, efektivigi dum la venontaj du jaroj sendepende de la intertraktoj

– redukton de la trupoj je 500 000 soldatoj kaj
– esencan redukton de la nombro de armiloj kaj bataltekniko je
  - 10 000 tankoj
  - 8 500 artileriaj sistemoj kaj
  - 800 atakaviadiloj
  - inkluzive de la retiro de ses tankdivizioj el GDR, Ĉeĥoslovakio kaj Hungario.

La komitato de la ministroj de defendado de la ŝtatoj-membroj de Varsovia Pakto esprimas sian esperon, ke la ŝtatoj de NATO montros analogan pretecon por plejeble rapidaj sukcesoj sur la vojo al firmigo de stabileco kaj sekureco en Eŭropo, i.a. ankaŭ per unuflankaj paŝoj al redukto de siaj trupoj kaj armiloj.
(Al la deklaro apartenas 6 grandaj tabeloj kaj multaj milit-teknikaj klarigoj.)
*El „Neues Deutschland" de 30. 1. 1989*
*trad.: D. Dungert*

## El la UNICEF-raporto 1989 pri la situacio de la infanoj en la mondo:

# Infanoj sub la ŝuldoŝarĝo



*La menso kaj korpo de la homo pleje kreskas dum la unuaj kvin jaroj de lia vivo. Ne ekzistas dua ŝanco. Infano dum tiuj jaroj sen adekvata manĝo kaj sano ne povos plene evolui kaj morgaŭ ne donos sian plenan kontribuon al la socio.*
*(El „UNICEF-raporto 1988")*

Foto: UNICEF

Post kvardek jaroj de modestaj progresoj renversiĝis la evoluo en multaj landoj de la Tria Mondo. La terura malriĉiĝo kun ĉiuj siaj sekvoj ekkaptas pli kaj pli larĝajn tavolojn de la loĝantaro. Pleje koncernitaj estas la infanoj. Tio evidentiĝas el la „Raporto pri la tutmonda situacio de la infanoj en la jaro 1989", publikigita la 20-an de decembro en Nov-Delhio de la Ĝenerala Sekretario de UNICEF James P. Grant.
Okaze de la finiĝanta evolujardeko de la okdekaj jaroj la ĉijara raporto de la porinfana evoluorganizaĵo de UNO (UNICEF) starigas bilancon kaj pritaksas la perspektivojn por la naŭdekaj jaroj.
Ne mankas radioj de espero: en la jaro 1980 nur kvin procentoj de la infanoj estis vakcinitaj kontraŭ la plej oftaj infektaj malsanoj. Vastaj vakcinadkampanjoj, faritaj per ĉiuj rimedoj, efektivigis, ke hodiaŭ 50 procentoj de la infanoj en evolulandoj estas vakcinitaj kaj ke laŭtakse ĉiujare 1,5 milionoj pli estas protektataj kontraŭ la morto. Ankoraŭ en la jaro 1980 3,6 milionoj da infanoj mortis sekve de diareo. Hodiaŭ sennombraj infanoj estas savataj per la vastigo de simpla kuracmetodo, kiun ĝis nun konas kaj povas mem apliki kvarono de ĉiuj patrinoj.
Sed ekde 1980 la ekonomia situacio draste malpliboniĝis. La kreskanta enŝuldiĝo kaj la malaltiĝantaj prezoj por krudmaterialoj kaŭzis, ke la averaĝaj familiaj enspezoj en la tutaj Afriko kaj Latin-Ameriko malpliiĝis je 10 ĝis 25 procentoj. Multaj eĉ ne havas la plej necesan: kreskas la subnutrado de infanoj. La 37 ekonomie plej malfortaj landoj malaltigis siajn elspezojn por la sanitaraj servoj je duono kaj por edukado je kvarono.
Tamen UNICEF estas konvinkita, ke ĝis la jaro 2000 eblos forpeli la plej malbonajn sekvojn de la materia mizero de tiu ĉi planedo. La evoluhelpo ellaboris metodojn kaj strategiojn, kiuj permesos eĉ en la atendeblaj malfacilaj tempoj veran progreson favore al la mizeruloj de nia mondo. Sed por tio la nuligo de la ŝuldoj de la ekonomie plej malfortaj landoj kaj la altigo de malegoista evoluhelpo estas absolute necesaj.
*Trad. Gerda Häusler*

## El deklaro de la Varsovia Pakto (julio 1988):

# La sekvoj el la vetarmado por la medio kaj aliaj aspektoj pri la ekologia sekureco

La membro-ŝtatoj de la Varsovia Pakto kun granda zorgo konstatas la daŭran malboniĝadon de la media stato. La detruo de la natura ekvilibro atingas mezurojn, kiuj povas rezultigi nekalkuleblajn sekvojn, subfosi la materian bazon de la homara ekonomia evoluo kaj eĉ endanĝerigi la pluan ekzistadon de la homaro.

La membro-ŝtatoj de la Varsovia Pakto estas konvinkitaj, ke unu el la plej danĝeraj kaŭzoj por la malboniĝado de la medio estas la vetarmado, antaŭ ĉio sur la nuklea kampo. Ili opinias, ke la solvo de la ekologiaj problemoj dependas de la firmigo de la paco, internacia sekureco kaj malarmado.

La malebligo de nuklea milito, kiun sekvus totala ekologia katastrofo, restas la ĉefa celo en la batalo por la konservado de la medio. Ĝenerale ĉiuj armitaj konfliktoj kaŭzas al la medio grandan damaĝon. La vetarmado en ĉiam pli granda mezuro detruas la medion, kontraŭas la klopodojn por la media protektado, malebligas la solvon de la signifoplena tasko, konstrui sur la tero harmonian ekvilibron de socio, tekniko kaj naturo. La produktado, deponado kaj la transportado de diversaj armilaj specoj, la konstruado de militaj bazoj kaj la praktikado de militaj ekzercoj havas senpeRajn, negativajn sekvojn por la medio.

La membro-ŝtatoj de la Varsovia Pakto aparte atentigas pri la endanĝerigo de la medio kaj vivo sur nia planedo pro la tutmonda amasigo de nukleaj armiloj. El tio povas sekvi katastrofo, ĉu sekve de intenca apliko, ĉu pro eraro aŭ averio. La daŭrigo de la nukleamilaj eksperimentoj, la grandaj stokoj de kemiaj armiloj kaj ties senĉesa produktado, la kreado de novaj armilaj sistemoj – ĉio tio povas havi neantaŭvideblajn katastrofajn ekologiajn sekvojn. La plivastigo de la vetarmado en la kosmon subfosus la eblecon de ĝia paca, racia utiligo. Peza ŝarĝo por la naturo de la tero estas la disipo de neregenereblaj tertrezoroj por militaj celoj. Misuzi la medion pro militaj aŭ aliaj malamikaj celoj sekvigus ĝian seriozan endanĝerigon.

La membro-ŝtatoj de la Varsovia Pakto bonvenigas la lastatempe rimarkeblajn pozitivajn tendencojn en la internaciaj rilatoj. Ili opinias, ke la bridado de la vetarmado kaj efektivaj paŝoj sur la kampo de la malarmado firmigas la pacon kaj la sekurecon. Tio estas nepra antaŭkondiĉo por la evoluo de la internacia kunlaboro sur plej diversaj kampoj, inter alie sur tiu de la konservado kaj plibonigo de la media kvalito. Al tio kontribuas la efektivigo de tiuj komune aŭ unuope prezentitaj proponoj sur la kampo de la malarmado kaj la paŝoj kreantaj fidon kaj sekurecon.

Estas necese, utiligi la komenciĝintan proceson de la malarmado por aktivigi la klopodojn sur la kampo de la media protektado. Konkretaj agadoj por la protekto de la naturo devas akompani la paŝojn sur la kampo de la malarmado. La malarmado liberigus grandegajn financajn, naturajn kaj homajn rezervojn por la plibonigo de la ekologia situacio en la tuta mondo.

Ĉiam pli grandan zorgon provokas la malboniĝado de la media stato sekve de la paca laboro fare de la homo. La ekonomia agado sen atento de ekologiaj faktoroj kondukas al la malpurigo de la oceanoj kaj de la atmosfero, al limtransiraj emisioj de poluciaĵoj, al la pereo de la grundo, al dezertiĝo kaj senarbariĝo, al ŝanĝiĝoj en la klimato, al la malapero de kompletaj biologiaj specioj, al la akumuliĝo de poluciaĵoj en la bio-

*En la GDR-distrikto Leipzig grandaj areoj de iamaj brunkarbaj fosejoj estas rekultivataj. Jen la arbetoj bone ekkreskis kaj post jardeko formas arbaron.*

Foto: Zentralbild



sfero kaj al multaj aliaj negativaj fenomenoj en la naturo, kiuj detruas la vivospacon de la homo.
La daŭra danĝero de nuklea katastrofo, la plioftiĝantaj ekologiaj alarmaj situacioj kaj la vundigoj al la ekvilibro de la naturo substrekas, ke hodiaŭ pli ol iam ajn ĉiuj ŝtatoj dependas ekologie unu de la aliaj. La vivo mem insiste postulas, ke la internacia komunumo unuigu la klopodojn por efike solvi komune la problemojn de la medio.
Eliro el tiu ĉi situacio estas la ellaborado kaj konsekventa realigo de plano pri internacia ekonomia sekureco sur la fundamento de larĝa kaj malferma internacia kunlaboro. La internacia ekologia sekureco celas subteni stabilan kaj sekuran evoluon de ĉiuj ŝtatoj kaj krei favorajn kondiĉojn por la vivo de ĉiuj popoloj kaj homoj. Kondiĉo por tio estas stato de internaciaj rilatoj, kiu garantias la konservadon de la medio, ĝian racian utiligadon, ĝian regeneradon kaj plibonigon de ĝia kvalito.
La membro-ŝtatoj de la Varsovia Pakto tial pledas por tio, kreive utiligi kaj plilarĝigi ĉiujn pozitivajn rezultojn sur la kampo de la media protektado. Ili alte taksas la agadon de Unuiĝintaj Nacioj, aparte de ĝia speciala organo, la Media Programo de UNO, kaj la laboron de la Internacia Komisiono por Media Protektado kaj Evoluado. Tiu proponis pritrakti la ekologiajn problemojn ne izolite, sed lige kun la problemoj de milito kaj paco, malarmado kaj evoluado, forigo de postiĝinteco kaj malriĉeco por garantii dignan, sanan kaj sekuran vivon sur la tero.
La garantio por internacia ekologia sekureco postulas akcepti devigajn principojn kaj normojn por la konduto de la ŝtatoj kaj fiksi la ĉefajn direktojn por la internacia kunlaboro sur ekologia kampo. Tiuj ĉi principoj, normoj kaj direktoj devus esti ellaborataj komune en larĝa kaj konstruiva dialogo. Internaci-juran ĉi-koncernan dokumenton oni povus akcepti en la jaro 1992 okaze de la 20a datreveno de la Media Konferenco de Unuiĝintaj Nacioj. La membroŝtatoj de la Varsovia Pakto pretas tuj komenci la kompiladon de tia dokumento.
Kiel ŝtatoj en Eŭropo, kie aparte klare senteblas la sekvoj el la mediodamaĝaj agadoj, la membro-ŝtatoj de la Varsovia Pakto opinias vivonecesaj fari tuj paŝojn, kiuj farus la kontinenton modelo pri ekologia kunlaboro. La zorgo pro la ekologia ordo, sano de la homoj, pureco de la aero kaj akvo fariĝas komuna tasko por ĉiuj eŭropaj ŝtatoj kaj okupus indan lokon en la tuteŭropa proceso. Tio respondus en plej alta grado al la ideo de unueca Eŭropo de paco, al kunlaborado, al „komuna eŭropa domo".
En tiu ĉi kunligo la membro-ŝtatoj de la Varsovia Pakto opinias ege aktualaj la proponojn pri garantiado de la media protektado en Eŭropo kaj en unuopaj eŭropaj regionoj. Ili jesas ampleksan interŝanĝon de informoj pri ekologiaj demandoj, la reciprokan nelimigitan aliron al pintoteknologioj, kiuj garantias la median protektadon, starigon de severa ordo, kiu devigas la ŝtatojn raporti pri sia agado sur la kampo de la naturprotektado kaj pri ekologiaj incidentoj, okazintaj aŭ malebligitaj. En la intereso de pli dinamisma plivastigo kaj profundigo de la ekologia kunlaboro ili proponas kunvoki tuteŭropan konferencon de ministroj, respondantaj pri media protektado, cele al la ellaboro de komuna agadprogramo.
La membro-ŝtatoj de la Varsovia Pakto deklaras sian volon al aktiva kontribuado en la solvado de urĝaj problemoj lige kun la konservado de la natura medio kaj protekti ĝin kontraŭ militoj kaj sekvoj el la vetarmado. Ili direktas urĝan apelon al ĉiuj ŝtatoj kaj popoloj de la mondo, unuiĝi la klopodojn por konservi kaj plibonigi la medion en la intereso de la sekurigo de nia nuntempo kaj de nia estonteco. La homaro disponas pri grandega kreiva potencialo kaj kapablas bari la vojon al proceso de la media malboniĝo. La internacia du- kaj plurflanka kunlaboro por la konservado de la medio, fonto kaj hejmo de la vivo, estas devo por ĉiuj ŝtatoj serve al la hodiaŭa kaj al la estontaj generacioj.

*El „Berliner Zeitung" de 18. 7. 1988*
*tradukis Rudolf Burmeister*

---

# Millie Smith – viktimo de radiado el Usono

*NATO seninterrompe intencas strategion de nuklea timigo kaj pro tio nomas posedon kaj konstantan teston de atomarmiloj kvazaŭ nepre necesaj por sia sekureco.*
*Millie Smith el Usono priskribis rezultojn de tia politiko ĉe packonferenco en la japana ĉefurbo Tokio komence de aŭgusto 1988. Ĝi okazis dediĉe al la 43-a datreveno de la nukleaj bombardoj de Hiroŝima kaj Nagasaki:*

Mi elkreskis proksime de la nukleaj fabrikoj, kiuj produktis tiun bombon, kiu estis faligita sur Nagasaki. Ni ne sciis, ke oni produktis tie bombojn. Ni ne suspektis, ke ni mem fariĝus viktimoj de radiadoj, viktimoj en la propra lando. Dum unu jaro ni Downwinders en Hanford (tio estas la homoj, kiuj vivas en la ĉefa ventodirekto de nuklea testareno) ricevis dekoble pli da radiadoj ol la sovetiaj homoj, kiuj restadis tri mejlojn for de la katastrofo en Ĉernobil. Dum unu jaro ĉi tie la nukleaj eksperimentoj disvastigis 350-oblajn radiajn dozojn pli ol tiuj, kiuj disvastiĝis en la trimejlzono ĉirkaŭ Ĉernobil. Sed ĝis antaŭ kelka tempo neniu el ni sciis pri tio; neniu diris tion al ni.
Mi estas unu el tiuj viktimoj de radiadoj. Neniam mi vivis normale. Kiel infano mi posedis esperigajn intelektajn potencojn. Naŭjara mi jam atingis nivelon de supera lernejo. Sed mia fizika stato estis malbona. Kiam mi komencis lernadon en la supera lernejo, miaj pensprocedoj ĉiam pli malrapidiĝis. Oni konstatis nesufiĉan funkciadon de mia tiroido kaj mi devis preni medikamentojn. Same mi eksciis, ke mi havas difektajn naskoorganojn, mi bezonis hormonpreparaĵojn. Mi estis daŭre malsaniĝema. Post dujara profesia praktiko mi ne plu kapablis labori krom de tempo al tempo kelkajn horojn.
Mi suferis kronikan senfortiĝon, infektojn kaj abortaĵojn. La prizorgo de tute normalaj tagotaskoj kostis al mi grandan forton. Mi havis malfacilaĵojn dum konversacioj, ĉar nur malrapide mi povis respondi. Kelktempe la homoj opiniis min freneza. Antaŭ unu kaj duona jaro, kiam mi eksciis de la Hanford-radiadoj, oni faris ĉe mi diagnozon de tiroida karcinomo, kiu jam disvastiĝis sur mia tuta nuko, inkluzive de la jugularo, traĥeo, limfonadoj kaj maminsertaĵo. Laŭdire de la kuracistoj eble mi havas tiun ĉi malsanon jam 20 jarojn, ĉar tiu ĉi karcinomo ĝenerale kreskas tre malrapide. Sed ili ĝis nun ne kapablas prognozi. Dum tiu terapio kreskas mia leŭkomia risko. Nuntempe mi havas denove tumorojn en la nuko.
En la regiono de Hanford ekzistas multaj aliaj homoj kun samaj malsanproblemoj. Multaj ekscias tion nur nun. Aliaj ne volas kredi tion aŭ ne intencas fari ion kontraŭ Hanford-radiadoj. Mi opinias, ke la registaro devas transpreni la respondecon pri la konsekvencoj de sia ago kaj diri la plenan veron.
Ĝi ankaŭ devas helpi al ni, regi la problemojn de nia malsano. Mi ankaŭ opinias, ke oni konsentu al ni reparacion. Nuntempe mi ne kapablas labori kaj vivteni min kaj mian filinon per tiu malalta monsumo, kiun mi ricevas.

*Millie Smith*
*517 Malden E.*
*Seattle, Wa. 98 112 Usono*

*(El „horizont" n-ro 9/88*
*trad. Ingrid Mewes)*

# Savu la riveregon Amazono!



*En Brazilo, la praarbaro de Amazono. Ĝi liveras eble 20 procentojn de la oksigeno de la mondo. Sed oni detruas ĝin senkompate...*

Foto: Zentralbild

*Antaŭ nelonge aperis pasia apelacio al la mondo savi la riveregon Amazono kaj forigi la seriozan danĝeron, kiun kaŭzas ĝia pli kaj pli akra polucio por la ekologia sistemo de nia planedo. Tiu postulo estas la esenco de la t.n. Amazono-Deklaracio, proklamita dum la Internacia Seminario pri paco, medio kaj evoluo, okazinta de la 30a aŭgusto ĝis la 1a de septembro 1988 en Porto Alegre (Brazilo). La Monda Packonsilantaro kaj la brazilaj porpacaj kaj medioprotektaj organizoj sukcesis partoprenigi en la seminario reprezentantojn de ŝtatoj el Afriko, Azio, Eŭropo kaj Latinameriko. Jen ni publikigas fragmentojn el la Amazono-Deklaracio.*

La ekologia problemo rilate al Amazono ne estas loke limigita, sed ĝi estas urĝa problemo, kies solvo decidas pri vivo aŭ morto de nia planedo. La brazilaj ekologoj informis nin pri la sekvaj faktoj:

a) La Amazono-baseno prezentas al la homaro potencialan nutraĵfonton, kiun ni ne malatentu.

b) Ĝi estas hejmo de ĉirkau 50 procentoj el ĉiuj bestaj kaj plantaj specioj sur la tero, kiu perdiĝus por ĉiam kaze de ties detruo.

c) Ĝi prezentas genetikan rezervujon kun la plej granda signifo por la estonta evoluo de la bioteknologio.

Plej verŝajne ĝi funkcias kiel termostato de nia planedo, ĉar ĝia flaŭro ludas gravan rolon en la stabiligado de la kvoto de karbodioksido en la tuta atmosfero.

La kresko de la karbodioksida kvoto plivarmigus nian planedon. Sekve, la glacio en la polusaj regionoj degelus kaj altigus la marnivelon.

La naturaj paŝtejoj en la aluvia ebeno de la riverego povus esti uzataj por la plantproduktado. Sed la grandskala kultivado, la forhakado de arboj por gajni lignon, la minekspluatado, kaj eĉ la konstruado de stratoj en tiu regiono, en kiu la akvo prezentas naturan kaj limigitan aliron, – ĉio ĉi detruus la restantan pluvarbaron. Multo el ĝi jam estas detruita, kaj tiel la ekzistobazo de la indiĝenaj indianoj estis detruita. Paralele al la tutmondaj konsideroj, ni konstatas, ke la forigado de ilia vivmaniero, kaŭzita per miopa avareco, estas nepardonebla krimo.

## Kio okazis?

Pli ol dekono de la Amazono-baseno jam estas senarbigita. Plejparte oni faris tion enkadre de la ligno- kaj erc-ekspluatado fare de naciaj kaj transnaciaj entreprenoj. Sed ankaŭ ludis rolon, ke la kamparanoj forbrulis arbarojn por akiri terenon cele al plantproduktado. Nur en 1987, oni forbruligis la arbojn en tereno, kiu superas la grandecon de Grandbritio.

Oni instalis stratojn kaj aliajn objektojn servantajn al la plibonigo de la enlanda strukturo, por ebligi ekonomian evoluon. Sed tiel oni plialtigis la nombron de enloĝantoj al nivelo, kiun ne plu povas ekvilibrigi la ekosistemo.

Por produkti elektron, oni konstruis akvobaraĵojn, kaj ankaŭ el tio sekvis malpliigo de la arbaroj.

Por la ekonomia ekspluatado de la regiono, la indianoj havis regulajn kontaktojn kun eleksteraj homoj. Tio detruis ilian kulturan vivon kaj alportis al ili malsanojn, kontraŭ kiuj ili ne disponis pri rezistkapablo.

Multaj eltradiciaj kaj laŭleĝaj terposedantoj estis trompitaj, ĉar ili ne posedis farmkontrakton. Ili estis forpelitaj de sur siaj posedaĵoj kaj kelkfoje eĉ mortigitaj.

## La estonta politiko

La baza elemento de la estonta politiko devas esti la interligo inter konservado kaj utiligo de la Amazono-regiono. Nur tiel eblas certigi tolereblan evoluon. La specialistoj pri evoluo devas kunveni kun la pledantoj por konservado, kaj komune ili devas ellabori racian solvon por la utiligado de la regiono konforme al la interesoj de la homaro.

La ekologia sistemo de Amazono estas nesufiĉe konata. Ĝia esplorado havas grandegan signifon, kaj ĝi alportos al ni laŭnombrajn indikojn, kiel eblos optimume uzi la grandajn rezervojn de la regiono sen detrui la ekosistemon.

Ĉia projekto, kiu ne atentas la ekologiajn konsiderojn, finfine gvidos al la duopo el detruita naturo kaj longtempaj financaj perdoj. Akceptante tion, ni devas rekoni la neceson interligi la konojn de la indianoj kun la scienc-teknikaj konoj devenantaj el aliaj fontoj. Por ebligi solidan evoluon necesas la helpoj el ekster Brazilo.

## Kio farendas?

1. Ni oficiale petas la Unuiĝintajn Naciojn deklari la regionon de Amazono kiel terenon de tutmonda signifo, kiu bezonas specialan protekton.
2. Ni alvokas la komunumon de la sciencistoj pliintensivigi la esploradon de la ekologia sistemo de Amazono.
3. Ni petas la porpacajn organizojn kaj la ekologiajn societojn mobilizi la publikan opinion kaj helpi la brazilajn grupojn en la informado rilate al Amazono.
4. Ni urĝe atentigas la registarojn, inter-

# Eŭropo – nia komuna domo

La bildo de komuna domo Eŭropo elradias kreskantan fascinon, kiu kaptis politikistojn, sciencistojn de multaj fakoj, publicistojn kaj sociajn agantojn, ja la vastan publikon kaj en la socialismaj kaj en la kapitalismaj ŝtatoj de Eŭropo. Tamen ties reagoj en Oriento kaj Okcidento kaj interne de Okcidenta Eŭropo estas tre diferencaj.

La nocio „komuna domo Eŭropo" – de Atlantiko ĝis Uralo – estas rigardebla kiel reflekso je nia eŭropa realo, kiu rilatas al historiaj kaj nuntempaj faktoj, konsistigantaj en sia unueco la historie formiĝintan identecon de nia kontinento.

Aparte forte efikas la tuteŭropaj problemoj, kiuj pli kaj pli evidentiĝis dum la lastaj jaroj. Tio estas defioj, kiuj koncernas ĉiujn ŝtatojn, popolojn kaj klasojn de la kontinento, defioj, kiuj parte montriĝas kiel specife eŭropa varianto de transvivaj kaj aliaj tuthomaraj problemoj.

## Aspektoj de eŭropa identeco

Ekzistas historie formiĝintaj aspektoj, kiuj respegulas la karakteron, spertojn kaj interesojn de *ĉiuj* eŭropaj ŝtatoj kaj popoloj:

- La kontinento Eŭropo, *geografie* rigardate kvazaŭ objektiva mezuro de eŭropa identeco, historie plurfoje ŝanĝis sian konkretan amplekson. Tamen pro la kresko de la scienc-teknika revolucio ĝuste dum la lastaj jaroj tiu tereno ŝajne „plimalgrandiĝis". La eŭropanoj kuniĝis pli proksime malgraŭ la sociaj, ideologiaj, politikaj kaj aliaj diferencoj. Tion ekzemple montras la parametroj de modernaj komunikiloj kaj la scienc-teknika interdependeco same klare kiel limtransigaj sekvoj de la industriigo aŭ la aplikrapideco kaj efiko de militaj amasneniigiloj.
- Multspecaj estas la *tuteŭropaj spertoj pri milito kaj paco.* Al tio apartenas ambaŭ mondmilitoj, kiujn dum tiu ĉi jarcento ekflamigis la germana imperiismo – detruoj kaj disfalo de eŭropaj ŝtatoj kiel sekvo de la militoj, sed ankaŭ ekkonoj pri certa speco de politiko, kiu ofte kondukis en militon. Al tio same apartenas spertoj pri sukcesa kunlaboro inter Oriento kaj Okcidento en la kontraŭhitlera koalicio kaj la ekkono, ke en Eŭropo – nun jam de pli ol 40 jaroj – daŭra paco eblas.
- Eŭropo krome estas historie formiĝinta *ekonomia tereno* kun multspecaj tradicioj. Tiuj originas en la fora pasinteco, sed aliflanke efikas en la nuntempo. Ili rezultas el limtranspaŝa kunlaboro en la utiligo de krudmaterialoj kaj brulaĵoj, en la reguligo de infrastrukturaj problemoj, en la konstruado de internaciaj trafikligoj kaj komunikadaj sistemoj kaj en komerc- kaj financteknikaj problemoj.
- Ankaŭ la *kulturhistoria evoluo* formis la eŭropan kontinenton. Tra jarmiloj, sen iam perdi sian memstarecon, kvar grandaj kulturoj, nome la greka-bizanca, la mediteranea-romana, la slava kaj la ĝermana, multspece influis kaj stimulis sin reciproke. Naciaj kulturvaloroj eniĝis en la eŭropan kulturon.

## Eŭropaj defioj

Pripensante la estontan aspekton de la eŭropa domo oni agas prudente, se oni eliras de ties nuntempa strukturo. La naciaj ŝtatoj en siaj teritoriaj limoj, estiĝintaj kiel rezulto de la Dua Mondmilito, ekzistas en du diversaj socisistemoj. Al la nuna eŭropa strukturo krome apartenas la ekonomiaj integriĝgrupoj kaj politikaj-armeaj aliancoj kaj neŭtralaj kaj nealiancaj ŝtatoj. Kiu hodiaŭ parolas pri Eŭropo kaj ĉe tio orientiĝas je la historie formiĝintaj realaĵoj, tiu devas inkludi ankaŭ Usonon kaj Kanadon, ĉar tiuj ĉi ambaŭ ŝtatoj dum la nova pasinteco fakte fariĝis politikaj kunloĝantoj en la eŭropa domo kaj restos tiaj ankaŭ dum la superrigardebla estonteco.

Sur la plej diversaj kampoj por Eŭropo nuntempe ekzistas jenaj defioj:

### • Politike

En la politika klimato de la kontinento konstateblas pozitivaj ŝanĝoj, turniĝo al la pli bona, kvankam la situacio restas komplika. La eŭropan realecon nun kiel antaŭe karakterizas principa politika-psikologia malkonfido inter Oriento kaj Okcidento, la sinlimigo inter Oriento kaj Okcidento ankoraŭ superpezas en komparo kun ties kunlaboro.

La ĉefa kaŭzo por la skismo en Eŭropo laŭ nia opinio tamen ne estas, kiel burĝaj aŭtoroj asertas, la paralela ekzisto de diversaj sociaj kaj politikaj ordoj, la diferencaj politikaj-armeaj aliancoj aŭ ekonomiaj integriĝgrupoj, tio ekzistis jam plurfoje dum la eŭropa historio. La kaŭzoj por la fakta skismo de Eŭropo rezultas el tio, ke la konflikto inter Oriento kaj Okcidento dum jardekoj estis fiksita sur senkompromisa malamikeco inter kapitalismaj kaj socialismaj ŝtatoj, ke la „roll back"-politiko kaj aliaj strebadoj celis al likvido de la socialismo, ke oni strebis al profunda politika, socia, kultura kaj ankaŭ ekonomia izoliĝo.

Tio, kion Eŭropo nuntempe bezonas, estas de tutmondaj sekurec- kaj kooperadkonsideroj eliranta politika, armea, ekonomia, scienc-teknika, humaneca, do kompleksa kunlaboro sur la bazo de reciproke agnoskita ekzisto de diferencaj sociaj strukturoj.

### • Milite

La akumulado de nesuperrigardeblaj arsenaloj de nukleaj kaj kemiaj amasneniigiloj kaj modernaj konvenciaj armiloj elvokis la danĝeron de socia kaj fizika neniigo de la eŭropa civilizacio kaze de milita konflikto.

- Nuntempe la denseco de grandaj nukleteknikaj kaj kemiaj instalaĵoj (kies detruon en milito oni devas konsideri) estas tiom alta, ke jam la apliko de konvenciaj armiloj transformus la eŭropan kontinenton en atome kaj kemie infektitan dezerton. Krome milito por modernaj industrisocioj ankaŭ pro tio ne plu estas transvivebla, ĉar ili estas ege sentemaj organismoj, kies funkciadon minacus jam relative malgrandaj detruoj (dependeco ekz. de elektroenergio kaj trinkakvoprovizado).
- Nuntempaj armilsistemoj – atomarmiloj jam en malmultaj ekzempleroj, konvenciaj armiloj en sufiĉa koncentriteco – prezentas neniigan potencialon, kies amasa apliko en milita konflikto en Eŭropo detruus (materie kaj spirite) ankaŭ tiujn celojn kaj valorojn, por kies defendo la armiloj estus aplikataj. Milito en Eŭropo, ĉu atoma ĉu konvencia, sekvigus nerenverseblajn detruojn, la verŝajne la neniigon de la tuta kontinento.

### • Ekonomie

Jam relative frue en la rilatoj inter Oriento kaj Okcidento elformiĝis la konscio pri la grava rolo de ekonomiaj faktoroj. Tiel en Eŭropo multe pli forte ol aliloke en la mondo estiĝis intersiste-

---

naciajn organizojn kaj evoluorganizojn kaj petas ilin serĉi eblecojn por solida evoluo de la Amazono-regiono kaj transpreni respondecon por la realigado de la respektivaj necesaj rimedoj.

5. Ni postulas internaciajn kampanjojn por fini la eksporton de ligno, erco kaj viando el la Amazono-regiono.

*El „Neue Perspektiven" 1/89.*
*Tradukis Michael Behr*

Prof. d-ro Helmut Faulwetter

# La Tria mondo – kien?

La Tria mondo – tio estas ĉirkaŭ 130 evolulandoj de la tero, kie vivas pli ol 3,5 miliardoj da homoj.
La evoluo de la produktivaj fortoj tie diferencas laŭ la strukturo kaj laŭ la matureco. Postrestaj produktadaj metodoj kontrastas kun la apliko de la plej moderna tekniko. Aro da landoj decidiĝis por evoluo al la socialismo. Aliaj estas karakterizitaj per antaŭkapitalismaj statoj, pliaj per la evoluanta kapitalismo kaj kreskanta nombro da ili disponas pri disvolviĝinta kapitalisma produktada maniero. En la Tria mondo ekzistas tre diversaj politikaj sistemoj. Jen estas grandaj kaj dense loĝataj landoj, sed ankaŭ tre etaj; jen estas landoj riĉaj kaj malriĉaj je krudmaterialoj, tiuj situantaj sur insuloj kaj tiuj sen aliro al maro ktp. Ĉiu evolulando havas propran karakteron kaj sekve plej ofte specifajn evoluproblemojn kaj interesojn. Tiuj ĉi decidas pri la sinteno rilate al propraj naciaj kaj al internaciaj demandoj.
Sed komunaj estas por ĉiuj tiuj landoj ilia pasinteco kaj – ĉiukaze ĝis antaŭ kelkaj jaroj – la ega ekonomia postresteco kompare al la „evoluintaj" landoj de la mondo.

## Stato aŭ kaoso?

En ĉirkaŭ triono de ĉiuj evolulandoj nur proksimume kvindekono de tio, kiun ellaboras alte evoluintaj kapitalismaj landoj, estas hodiaŭ produktata pokape. La vivo de kelkcent milionoj da homoj en la Tria mondo pro tio ŝanceliĝas ĉe la plej suba sojlo de la eblecoj por ekzisti. Ĉiujare almenaŭ 50 milionoj mortas pro malsato. Per la amaskomunikiloj ni spertas ĉiutage la kruelan realon de la vegetado, enmizeriĝo kaj mortado de unuopuloj, de grupoj kaj eĉ de partoj de tutaj nacioj. La socia produktado efektiviĝas en manieroj, kiuj nuntempe apenaŭ prezentas vojojn el la enmizeriĝo. La laboro estas en vastaj regionoj de tiuj landoj malmulte produktiva, la divido de la laboro apenaŭ evoluintas kaj la socia plusprodukto konforme al tio malaltas. Tre limigitaj estas la eblecoj por akumuli. Samtempe la ekonomio de tiuj landoj ege dependas de la ekstera ekonomio. La interŝanĝo de varoj kaj servoj, ĉefe efektivigita kun alte evoluintaj kapitalismaj ŝtatoj, sekvigas ĉiaman malboniĝon de la interŝanĝaj kondiĉoj. Ĉiujare ekspluataj monsumoj, altaj je kelkcent miliardoj da usonaj dolaroj, fluas al la internaciaj monopoloj kaj servas al la pliriĉiĝo de la okcidentaj socioj entute.

## Devigoj rezultantaj el la divido de la laboro

Lasi tiujn statojn daŭre sub la regno de la objektivaj leĝoj de la kapitalismo – naci- kaj internacinivele – signifas ankoraŭ pli teruran estonton por grandaj partoj de la Tria mondo. Sole la forigo de la kialoj permesas al la koncernaj landoj progresan evoluon. Tiuj kialoj troveblas kaj en la pasinteco kaj en la nuna tempo. La koloniismo kaŭzis por la tiam subjugataj popoloj la ĉesigon aŭ eĉ neniigon de la materiaj rezultoj de la atingita socia evoluo. Eĉ hodiaŭ multaj landoj de la Tria mondo estas ankoraŭ premitaj en internacian dividon de la laboro, en kiu ili estas nur liverantoj de krudmaterialoj kaj aliaj „simplaj" inmaj ekonomiaj rilatoj, al kiuj apartenas ankaŭ unuaj paŝoj al kooperado inter la Konsilantaro por Reciproka Ekonomia Helpo kaj la Eŭropa Komunumo KREH kaj EK. Tamen: Kompare al la nuntempa eŭropa ekonomia interŝanĝo en la ekonomiaj rilatoj inter Oriento kaj Okcidento kuŝas ankoraŭ grandegaj rezervoj. Kiel sekvo de ekonomiaj kaj alispecaj malhelpaĵoj, malsimetriaj kaj diverĝaj interesoj, la internaciaj ekonomiaj interligoj ankaŭ en Eŭropo koncentriĝas ĉefe sur rilatoj inter ŝtatoj kun samaj sociaj strukturoj.

## • Ekologie

La daŭra damaĝado de la medio okazas preskaŭ nerimarkeble, tamen parte nereversebIe, ĉar ĝis nun ekologiaj interesoj en la paso de la industria kaj agrikultura evoluigo estis konsiderataj aŭ tute ne aŭ nur nesufiĉe aŭ ne ĝustatempe.
En ne malmultaj regionoj la ŝarĝo kaj detruado de la medio transpaŝis jam ĉiujn limojn, trans kiuj okazas gravaj damaĝadoj kun reefikado je vivo kaj sano de la homaro. Ĉe tio la problemoj kaj ties sekvoj alprenis lim- kaj sistemtranspaŝan karakteron. El tio sekvas, ke nuntempe neniu lando sola povas solvi siajn medioproblemojn. Eĉ en la kazo de plej efikaj paŝoj en unu lando efikus konsiderinda „importo" de damaĝaj substancoj per atmosfera aermoviĝado aŭ limtranspaŝaj riveroj. Samtempe la ekonomiaj kaj teknologiaj postuloj pri kompleksaj solvoj de la mediaj problemoj hodiaŭ estas entute tiom altaj, ke ankaŭ pro tio neniu lando povas solvi ilin sola.

## • Humanece

La baza humaneca defio ja en la nuntempa Eŭropo konsistas en frontado kontraŭ la nomitaj problemoj, ĉar ili senpere koncernas respektive damaĝas la vivon kaj bonfarton de la homo kaj kiel socia estaĵo kaj kiel individuo. Tamen la humaneca sfero havas siajn proprajn karakteron kaj dimension. La fundamenta, prioritata homa rajto estas la rajto je vivo.
Krom tio estu garantiata la homa rajto je laboro en paco kaj libereco, la plena realigo de la politikaj, civilaj, ekonomiaj, sociaj, kulturaj kaj aliaj rajtoj en sia tuteco kaj reciproka dependeco ĉe respektado de la suvereneco de la ŝtatoj kaj neenmiksiĝo en iliajn internajn aferojn.
Tiuj ĉi defioj staras antaŭ Eŭropo. Agado, komuna agado de la eŭropaj ŝtatoj kaj popoloj en Oriento kaj Okcidento do urĝe necesas.

*El „Horizont", n-ro 1/1989*
*trad.: D. Dungert*

dustriaj produktoj, sed pro la unuflankaj produktaj strukturoj ili estas aĉetantoj de pretaj produktoj, t.e. kaj de la decidantaj produktadaj rimedoj kaj de multaj nutraĵoj. Tio reproduktas la ekonomian postrestecon, fontintan en la kolonia tempo, ankaŭ nune. Tiu internacia divido de la laboro estas la bazo de la grandega nepagata forfluo de potencoj el evolulandoj. Nur en partoj de la Tria mondo, la ŝtatoj, politike sendependiĝintaj dum la pasintaj jardekoj, realigis tiurilatajn sociajn kaj ekonomiajn transformojn, malfermantajn la vojon al sendependa – parte ankaŭ socialisma – evoluo. La imperiismo akre malfaciligis tiujn paŝojn kaj parte eĉ perpreme atingis ilian ĉesigon. Tamen tiuj landoj ekrealigis tiujn sociajn transformojn, kiuj promesas progreson utilan al la tuta nacio. Parte katastrofaj vivkondiĉoj en aro da ili estas kulpe kaŭzitaj antaŭ ĉio per la politiko de la imperiismo, celanta al sufoko de ĉiuspecaj progresivaj evoluoj.

## Rabado dum jarcentoj?

Neokazintaj progresivaj transformoj estas en multaj evolulandoj ankaŭ parto de la kialoj por hodiaŭa mizero kaj disvastiĝinta senesperneco. Sed multe pli peze premas sur la plej multajn landojn la ŝarĝo de la imperiismo, kiu efektiviĝas pere de la „merkataj leĝoj". La internaciaj monopoloj, komplotante kun registaroj de imperiismaj ŝtatoj, ne nur provas restigi tiujn evolulandojn enkadre de la internacia divido de la laboro en malavantaĝa pozicio. Ili uzas tiun situacion ankaŭ por elrabadi kaj riĉiĝi. Oficiala interŝanĝo de monopolaj profitoj en alian valuton, transpago de interezoj grandegaj pro la amasa enŝuldiĝo kaj „moninterŝanĝaj prezoj", rezultantaj el la transporto de varoj ene de la konzernoj, estas uzataj tiucele. Aliaj kanaloj por forsuĉi la nacian enspezaron, produktitan en la evolulandoj, estas ankaŭ la monopolaj prezoj. La monopoloj eluzas la avantaĝojn, rezultantajn el la posedo de naturaj produktadaj kondiĉoj. Tiuj avantaĝoj efektiviĝas i.a. per la dispono pri moderna teknologio, la kono de la mondvastaj surmerkataj kondiĉoj, per la investo de la financa kapitalo, necesa por la reproduktadaj cirkuloj, ktp.

Senskrupula forfluigo de cerboj („brain drain") rabas el la evolulandoj gravan parton de la intelektularo, kiu ne malhaveblas por ilia estonto, kaj ebligas al la „patrinaj landoj" ŝpari elspezojn por multkosta produktada faktoro. Aliance kun ekspluatistaj tavoloj en evolulandoj, monopolaj bankoj enkasigas potencajn kapitalajn partojn, nomatajn „fuĝa kapitalo". La sumo de ĉio menciita estas nekomparebla multoblo de la tiel nomata „ekonomia helpo" de la kapitalismaj landoj por la Tria mondo.

La internaciaj monopoloj – stimulitoj de imperiismaj ŝtatoj – hodiaŭ subtenas pli kaj pli la kapitalisman evoluon en la Tria mondo, ĉar tiu ĉi kreas por ili la „kuplajn elementojn" por la propra aliro al la ekonomioj de la evolulandoj. Surbaze de enaj kondiĉoj, en la plej multaj evolulandoj ekestis fortaj faktoroj ankaŭ por la kreiĝo de memstara kapitalismo. La leĝoj de la kapitalismo puŝas multajn evolulandojn sur dinamikan vojon de la evoluo, ili kreas certajn antaŭkondiĉojn por plivastigita reproduktado. Sed kapitalisma akumulado samtempe kaŭzas la enmizeriĝon de la loĝantaro, „liberigita" de la produktadaj




Grafiko: Zentralbild

rimedoj. La riĉeco de malgranda tavolo kaj multobla internacia ekspluato kondukas al katastrofa socia stato de la plej granda parto de la loĝantaro en la plej multaj evolulandoj. La enpremegado de la naciaj cirkuloj de la kapitalo en la reproduktadon de la internacia entuta kapitalo malfaciligas aldone al tio la optimuman funkcion de la ekonomio.

Pro tio tiu kapitalismo estas kaj ebleco por pozitiva ekonomia kaj socia evoluo kaj ege oferplena vojo por la koncernaj nacioj; ĝi kreas kreskantajn ŝarĝojn, misproporciojn kaj malakordojn en diversaj sferoj de la socia vivo kaj amasan enmizeriĝon. El tio originas la danĝero de internacia kaoso kaj katastrofoj. Tial – tion M. Gorbaĉov eldiras en sia libro „Perestrojko kaj nova pensado por nia lando kaj por la tuta mondo" – „la estonto de la homaro multe dependas de la maniero, laŭ kiu la Tria mondo evoluos".

## Mondvasta malprogreso

La problemoj de la Tria mondo ekas malprogresige reefiki al la tuta resta mondo. „La kontraŭdiro inter riĉeco kaj malriĉeco – ankaŭ en siaj akregaj formoj, kiuj longtempe ŝajnis forpelitaj al la Tria mondo – revenis en la metropolojn... Ne hazarde tiu reveno pasas paralele al la akriĝo de la ŝulda problemaro kaj la disvastiĝo de la mizero en la evolumondo, kiu akompanas la ŝuldojn."[1]) Simila direblas pri la loĝantara eksplodo, la manko de nutraĵoj, la grandegaj ekonomiaj misproporcioj, la mondvasta manko de potencoj aŭ la ekologiaj katastrofoj. Ĉio menciita ekestas kreskanta minaco al la monda ekonomio. „Kaj la politika nestabileco, kiel neevitabla sekvo de la diabla cirklo konsistanta el amasa mizero, subpremado kaj militista diktaturo estas... sendanĝera komenco kompare al la eksplodemaj konfliktoj, rezultantaj el la kunestado de sociale kaŭzita malespero, religia fundamentismo kaj etnaj kontraŭdiroj."[2])

Socialaj konfliktoj estas, laŭ la ĝisnuna disvastiĝinta opinio, antaŭ ĉio motoro por socia progreso. Sed tiurilate oni povas facile ne atenti, ke ekz. respektive maturaj materiaj antaŭkondiĉoj ludas decidan rolon por la direkto kaj la rezultoj de la ekigitaj movadoj. En la hodiaŭa Tria mondo situas multe da tia eksplodaĵo, povanta kaŭzi reakciajn rezultojn danĝerajn por la tuta homaro. „Neniu havu la iluzion, ke tiaj erupcioj akcelas la historian progreson." (Ĉi tie temas i.a. pri tiaj regionaj konfliktoj kiaj tiu inter Irano kaj Irako aŭ pri religiaj problemoj kiaj la problemo de la Sikoj.) „Ne estas hazardo, ke la plej multaj scenaroj, kiujn NATO ellaboris por la eksplodo de mondmilito, eliras de la premiso, ke la milito ekas en la Tria mondo."[3])

## Mondvasta agadkampo

La problemoj jam tiel akriĝis, ke ties solvo ne plu permesas prokraston. La interkonsentiĝo de ĉiuj gravaj fortoj de la mondo estas necesa. La gvidantaroj de ĉiuj landoj ne povas ne rekoni sian mondvastan respondecon por la solvo de tiuj demandoj. La evolulandoj devas intensigi proprajn penojn por ŝanĝi sian situacion. Krome alstrebendas tutmonda racio enkadre de la internacia divido de la laboro. Tiurilate la pleje enmizeriĝintaj evolulandoj devas ĝui specialan atenton. La kapablo al ŝanĝoj en vastaj sferoj de la vivo en evolulandoj – ek-

# Komunikiloj: Novkoloniismo sur kampo de la informado

**Brook Hailu**

La plej esenca krudmaterialo oni nuntempe ne plu rigardas la energion, sed informojn kaj la modernajn teknologiajn rimedojn ligitajn kun ili. Kiel E. Gongaley Menet konstatis, „98 procentoj de tiuj rimedoj estas koncentritaj en la industriaj landoj, sed laŭ UNESCO-informoj nur 0,7 procentoj restas por Azio kaj 0,3 procentoj por Afriko, kaj la Centro por Socialaj Studoj en la Tria Mondo (CEESTEM) en Meksiko atribuas unu procenton al Latinameriko. (E. Gongaley Manet, „The Scientific-Technical Revolution and the Mass Media" [La scienc-teknika revolucio kaj la amaskomunikiloj], CEMEDIM – 1, januaro/februaro 1986, Havano, p. 2)

## Regado de la okcidentaj amasmedioj

En la hodiaŭ mondo regas grandaj malegaleco kaj malekvilibro inter evoluintaj kaj evoluandoj rilate la komunikrimedojn, la evolunivelon de la informinfrastrukturoj kaj -kapacitoj ktp. Sube estas prezentataj kelkaj ekzemploj de tiu malegaleco:

- La kvoto de la evolulandoj en la tutmonda konsumado de gazetpapero estas 14,2 procentoj.
- En ok afrikaj kaj arabaj ŝtatoj ekzistas neniu taggazeto. Aldonendas, ke 13 afrikaj ŝtatoj eldonadas nur po unu taggazeton.
- En Latinameriko el inter 1 000 personoj ĉiutage nur 70 havas kontakton kun publikaĵoj. En Azio estas 64 kaj en Afriko eĉ nur 14.
- 85 procentoj de la informoj pri internaciaj eventoj estas distribuataj fare de kvar transnaciaj informagenturoj, t.e. Associated Press (AP), United Press International (UPI), Reuter kaj Agence France-Presse (AFP).
- Laŭ la jugoslavia sciencisto Bogdan Osolnik proksimume 40 evolulandoj ne posedas propran informagenturon.
- Kvankam en la evolulandoj vivas du trionoj de la tutmonda loĝantaro ilin atingas nur 8 ĝis 10 procentoj de la sciigoj de transnaciaj informagenturoj.
- En la nombro de sendohoroj, la sendopotenco de la stacioj, la programvarieco kaj -kvalito kaj la nombro de lingvoj uzataj en la sendado ekzistas granda diferenco inter evoluintaj kaj evolulandoj.
- Nur 20 procentoj de la entute 400 milionoj da telefonkonektoj en la mondo estas registritaj en evolulandoj.

Kulturaj produktoj kaj servoj sur la kampo de la informado (ekzemple libroj, televidprogramoj, filmoj, sondiskoj, magazinoj ktp.) prezentas distradon al la loĝantaro de la evolulandoj. Sed samtempe ili estas rimedoj por la disvastigo de ideologio, de asertoj kaj propagando, ĉar ili reflektas sociajn valorojn kaj mesaĝojn de la produktantoj, kion inkludas la „kultur-imperiismo".

La valorojn kaj morojn de la „konsumsocio" en la okcidentaj kapitalismaj landoj respegulas filmoj, klerigaj kaj distraj serioj, informsendaĵoj kaj reklamspotoj, kiuj tamen kontraŭas la bazajn interesojn, kulturajn valorojn kaj celojn de la evolulandoj.

Sur la kampo de la informado la funkcio de la amasmedioj de la evolulandoj kaj precipe de iliaj informagenturoj estas limigata sur la nivelon de nuraj relajsstacioj por la kvar potencaj okcidentaj informagenturoj. Laŭ Ŝĉetinin „la raportojn por Afriko la agenturoj mem elektas kaj preparas, sen tio, ke la naciaj agenturoj (en afrikaj landoj) havas la rajton ŝanĝi ion".

Li nomas tiun specon de rilatoj informnovkoloniismo. (W. D. Ŝĉetinin, „U.S. Monopolies and Developing Countries" [usonaj monopoloj kaj evolulandoj], Pro-

---

zistanta dank' al la disvastiĝo de dinamikaj produktadaj rilatoj en multe da ili – konsistigas la materian bazon por pozitivaj perspektivoj de tia politiko. Rezultoj atendeblas nur post forfluo de iom da tempo. En la granda movado por nova internacia ekonomia ordo, progresemaj fortoj provis dum la lastaj jaroj, evoluigi tutmondajn solvojn. Sed la kontraŭstaro de certaj imperiismaj fortoj por kelka tempo haltigis tiun movadon. Ankaŭ estonte unue enkalkulendas la kontraŭstaro de tiuj fortoj, kiuj rezistas transformojn.

Sed al nova tutmonda politiko ne ekzistas alternativo. La konscia transformo de la internaciaj ekonomiaj rilatoj kaj racia internacia divido de la laboro postulas la komunan adagon de la demokratiaj fortoj de ĉiuj landoj. La realigebla alternativo en la internaciaj ekonomiaj rilatoj ankoraŭ ellaborendas.

Ni travivas tempon, karakterizitan per la sinformado de la fortoj kaj la difino de la strategio. Tiu ĉi povas kaj devas ebligi unuavice al landoj de la Tria mondo tiajn rilatojn, kiuj bremsas la kolonian subevoluon kaj reduktas la enmizeriĝon, fontantan en la kapitalismo. La subita forlaso de la internacia kapitalisma sistemo ne eblas, sed oni povas krei politikajn kaj ekonomiajn kondiĉojn kaj agadkampon por la socia progreso.

---

[1]) R. Falk, Die Schulden der Dritten Welt als Probleme der Großen (La ŝuldoj de la Tria mondo kiel problemoj de la grandaj), en la jurnalo Dritte Welt (La Tria mondo) 6/88, Köln, p. 27

[2]) P. Wahl, Die Verschuldung ist kein Modethema (La enŝuldeco ne estas moda temo), sama fonto, p. 19

[3]) sama fonto

*El „Urania" 9/88 trad. Uwe Werner*

gress Publishers, Moskvo, 1986, p. 75)
Ni povas ankoraŭfoje citi lin, kie Ŝĉetinin konstatas: „Apud politika, ekonomia kaj militara enmiksiĝo la novkoloniismo en la informado celas la konservadon de la regado de la novkoloniismo."
Informliberecon oni ne separigu disde la principoj de respondeco, de la estimado de la nacia suvereneco kaj de la neenmiksiĝo en la internajn aferojn de aliaj ŝtatoj. Alikaze la tiel nomata libera informfluo fariĝas libera fluo de misinformoj.
Pro tiu kaŭzo la postulo de nova internacia informa kaj komunika ordo estas rezulto kaj sekvo de la procedo de la politika ekskoloniigo komenciĝinta post la dua mondmilito en Azio kaj Afriko. Ĝin sekvis kiel plua paŝo la voko de la evolulandoj al ekonomia ekskoloniigo. Tiu voko kulminis en la Deklaracio por la Kreado de Nova Internacia Ekonomia Ordo en la jaro 1974. (Pro bone konataj kaŭzoj tiu deklaracio ne realiĝis.)

## La kunligo de transnaciaj konzernoj en la informado

Sur la kampo de la informado kaj komunikado la transnaciaj konzernoj pli kaj pli intervenadas. Tio kulminas en la fakto, ke tiu kampoj nuntempe okupas gvidan pozicion en la ekonomioj de la kapitalismaj socioj, precipe en la eksporto.
Estas eĉ tiel, ke la ekonomion ne plu fiksas la industrio, sed la informado. En la jaro 1984 la amerika subŝtatsekretario por internacia komerco konstatis: „Estas atendeble, ke la mondmerkato por informproduktoj kaj -servoj de 1983 ĝis 1990 altiĝos de nun ĉirkaŭ 400 miliardoj da dolaroj al 932 miliardoj da dolaroj, do pli ol duobliĝos, ... kio konformas al ĉiujara kvoto de plialtiĝo de 12 procentoj." Plue li diris, ke telekomunikaj kaj informaj servoj en la amerika komerco atingis la trian lokon.
La ĝenerala tendenco de la transnaciaj konzernoj en informado kaj komunikado moviĝas en la direkto al kunligiĝo. Tio estas esenca karakterizaĵo de la epoko de la „monopolkapitalo". En la pasintaj jardekoj transnaciaj konzernoj en la okcidento akiris ekzemple la kontrolon pri preskaŭ 80 procentoj de la taggazetoj, 90 procentoj de la radiostacioj, kies programoj estas disaŭdigataj al eksterland, 95 procentoj de la televidstacioj kaj 85 procentoj de la informoj distribuataj en landoj de la Tria Mondo. La konzernoj kunligiĝas kun filmkompanioj, kontrolas televid- kaj radiostaciojn kaj havigas al si eldonejojn. General Electric ekzemple posedas multajn radio- kaj televidstaciojn kaj ankaŭ penetris en la eldonadon.
Laŭ la leĝoj loĝantaj en la kapitalismo dum la epoko de la monopolkapitalo la transnaciaj konzernoj translokigis siajn varproduktadon kaj servojn el la evoluintaj en la evolulandojn. La kaŭzoj por tio estas la disponeblo de malmultekostaj laborfortoj, impostaj avantaĝoj, bonaj eblecoj por la profittransigo kaj kompreneble la altaj profitkvotoj. Samtempe oni ne ignoru la rolon de la registaroj kreantaj tre favorajn kondiĉojn por transnaciaj konzernoj. La konzernoj koncentriĝis sur kelkajn elektitajn evolulandojn kiel Honkongo, Sudkoreio, Tajvano, Singapuro (la tiel nomataj kvar tigroj), Hindio, Malajzio, Brazilo, Meksikio kaj Argentino, por mencii nur kelkajn el inter la plej gravaj. La kaŭzoj por tio troveblas en grandaj enlandaj merkatoj, malaltaj salajroj, impostaj avantaĝoj kaj „politika stabileco". La konzernoj do investadas en tiuj landoj por produktigi tie varojn, kiuj ne postulas altkvalifikitan klerecon en specifa etapo de la produktado. Esplorado kaj evoluado kaj aliaj gravaj aktivecoj estas realigataj en la devenlandoj de la konzernoj fare de alte kvalifikita personaro.
Tial evoluintaj landoj importas varojn kiel koloraj televidiloj el Azio (ekzemple el Tajvano), elektronikaj aparatpartoj el Sudkoreio ktp. Ĉion ĉi transnaciaj kompanioj kontrolas kaj produktas.

## Limtransira datumfluo: la teleskoltado

Ni nun direktu nian atenton al la maniero, laŭ kiu la transnaciaj konzernoj utiligadas sian potencialon por kompromiti evolulandojn pere de sia potenco en la informado akirita per teknikaj evoluaĵoj kiel teleskoltaj kaj televidaj satelitoj.
La termino „teleskoltado" nomas „... la esploradon, inspektadon aŭ kontroladon de la tero kaj iliaj rimedoj ‚el la malproksimo' aŭ el certa distanco. Tiuspecaj aktivecoj estas realigeblaj helpe de vasta gamo da datumoj akiritaj de aviadiloj aŭ orbitaj spacstacioj". (Vidu „Transnational Data Flows: Transnational Corporations and Remote Sensing Data" [transnacia datumfluo: transnaciaj kompanioj kaj teleskoltaj datumoj], UNO-Centro de Transnaciaj Monopoloj, Unuiĝintaj Nacioj, New York, 1984, p. 4)
Ĉefa avantaĝo de la teleskolta tekniko estas la ebleco kolekti indikojn pri granda teritorio kun minimuma tempoelspezo. La teleskoltado okazadas pere de orbita satelito liveranta daŭre informojn pri situo, kvanto kaj kvalito de rimedoj en difinita parto de la mondo. La orbita satelito – rezulto de la teknika evoluo – kompare kun la uzado de aviadiloj prezentas financajn avantaĝojn, ĉar ĝi estas plurfoje uzebla kun minimumaj kostoj.
Antaŭuloj de tiu teknologio estas la usonaj transnaciaj konzernoj, ĉar la Unuiĝintaj Ŝtatoj estis la unua lando, en kiu instalaĵoj por le teleskoltado estis disvolvitaj, konstruitaj kaj funkciigitaj. La unua usona satelito komence de la sepdekaj jaroj estis kondukita sur terorbiton.
Ĉar la teleskoltado ebligas la kolektadon de indikoj pri difinita teritorio aŭ lando, tio povas esti rigardata formo de la limtransira datumfluo. Alia formo estas la datumtransperado per telefonaj aŭ telegrafaj retoj.
La evolulandoj posedas eblecojn nek por perlaborado de akiritaj „krudaj indikoj" al fotografaĵoj nek por perkomputila analizo. Nur la evoluintaj landoj disponas pri la teknologia „know-how" por ambaŭ. La „ŝlosilo" mankanta al la evolulandoj estas la transformado de la „krudaj indikoj" al utiligeblaj informoj, t.e. uzeblaj informoj kiel fina produkto. La „krudajn indikojn" akiritajn per teleskoltado oni ofertas por aĉetado. Tiumaniere informoj en formo de datumoj fariĝas „varo", kaj kiel tiu ili fariĝas parto de la postuloprezo-sistemo. Tamen vivnecesaj aŭ tre tiklaj informoj neniam estas ofertataj surmerkate por aĉetado. Tio inkludas, ke „aĉetantoj" aŭ „potencialaj aĉetantoj" devas disponi pri la adekvataj financaj rimedoj. El tio videblas, ke tiukaze la ĉefaj aĉetantoj estas la transnaciaj konzernoj, kaj la aĉetpovo de la evolulandoj estas limigita. Pro tio tiuj landoj estas grave malavantaĝigitaj.
Ĉi-momente la Landsat-programo de Usono kontrolata de la registaro estas la unika fonto por teleskoltado grandskala. Kaj memkompreneble la plej grandaj aĉetantoj kaj utiligantoj estas la transnaciaj konzernoj. Surbaze de la akirado de gravegaj informoj la konzernoj engaĝiĝantaj en la informado kaj aliaj sferoj ligas negocajn kontaktojn, intervenas en intertraktadojn kaj finfine ligas kontraktojn kun la evolulandoj. (La nacia instanco por oceanaj kaj atmosferaj demandoj – registara organo – estas respondeca por la aktivecoj sur la kam-

po de la teleskoltado en Usono. La lasta „Landsat"-stelito estis lanĉita en 1984.)

Informoj akiritaj per teleskoltado servas por la taksado de rikoltkvantoj kaj -kondiĉoj kaj povas doni indikojn pri naftaj rezervejoj, arbaroj, geologiaj formacioj kaj eĉ pri la movado kaj grandeco de fiŝsvarmoj en la maro. Provizitaj per tiuj kvalite ekzaktaj informoj la transnaciaj konzernoj povas internacie surmerkatiĝi por ekspluatadi la evolulandojn tiumaniere handikapitajn.

La okcidentaj landoj, precipe Usono, asertas, ke la akiritaj kaj analizitaj informoj estas propraĵo, laboro kaj produkto de la analizinto kaj ke la „priskoltita" lando posedas neniun rajton disponi pri tiuj informoj. Tio signifas, ke oni rifuzas al la „priskoltita" lando la rajton pretendi la suverenecon pri informoj rilatantaj ĝiajn proprajn rimedojn. Tiuj informoj estas akirataj sen la konsento de la koncerna evolulando kaj ankaŭ utiligataj sen ties koncerna permeso. Ĉio ĉi okazadas sub la okcidenta slogano de la „libera informfluo".

En la jaro 1972 – unu jaron post la lanĉo de „Landsat I" fare de Usono – la UNO-komitato por la paca utiligado de la kosmo esprimis sian maltrankviliĝon rilate la politikajn, socialajn kaj jurajn konsekvencojn de la teleskoltado.

Surbaze de la rezolucio pri la daŭra suvereneco super la naturriĉaĵoj kaj helpfontoj akceptita en 1962 Sovetunio prezentis projekton de principoj por la reguligado de la aktivecoj sur la kampo de la teleskoltado.

Hodiaŭ la komerco kun la datumoj akiritaj per la teleskolta satelito Landsat estas floranta negoco. Laŭtakse en la jaro 1980 sole en la privata sektoro en Usono ekzistis potenciala Landsat-datummerkato kun la valoro de 9 miliardoj da dolaroj, de kiu ĝis la jaro 1990 oni atendas altiĝon al preskaŭ 19 miliardoj da dolaroj.

Oni supozas, ke tiu merkato en la venontaj jaroj tre rapide etendiĝos kaj gajnos je signifo. Tio klare montras, kiel informoj fariĝas potenco.

Se la usona registaro ankoraŭ akcelos tion vendante la Landsat-satelitojn al privataj entreprenoj, la proprietproblemo rilate la „krudajn indikojn" pli komplikiĝos.

## Aplikado de teleskoltaj datumoj por politikaj celoj

Usono uzadis informojn akiritajn per teleskoltado ankaŭ por politikaj celoj. Ekzemplo por tio povas esti la taksado kaj analizado de la tritikrikolto de Sovetunio en la jaroj 1977 kaj 1978 fare de la Unuiĝintaj Ŝtatoj. Se komence oni provis atingi per tio ekonomiajn celojn, tiam tio poste ŝanĝiĝis al politikaj tiumaniere, ke la Carter-administracio realigis la grenembargon kontraŭ Sovetunio.

Teleskoltado estis aplikata ankaŭ por militaraj celoj: Kiam en la jaro 1982 Britio kaj Argentino staris en milito pro la Falkland-Insuloj (Malvinoj), la Unuiĝinta Reĝregno ricevis de Usono militarajn informojn, kiujn tiuj estis akirintaj per teleskoltado.

Alia trafa ekzemplo estas la provizado de Israelo per informoj en la milito de 1973.

## Televidaj satelitoj

La mondo staras senpere antaŭ nova fenomeno, kiu alportos kun si neniam spertitajn, mondvastajn sekvojn. Tiu formiĝanta fenomeno influos senescepte la tutan mondon, speciale la evolulandojn. Temas ĉi tie pri la „rekta sendosatelito", kaj Usono estas tiu lando, kiu posedas tiun teknologion.

Ni eniris eraon, en kiu surbaze de nova generacio de satelitoj povantaj transperi signalojn kun aparta forteco ĉiu unuopa dommastrumo povas ricevi programon el la kosmo.

Kompreneble la transnaciaj konzernoj en la evolulandoj celas financajn gajnojn. Sed tio ne estas la decida motivo por iliaj entreprenadoj; ilia celo estas prefere la malfermado de novaj merkatoj kaj la formado de estontaj specimenoj de konsumado. (Vidu „Transnational Communication and Cultural Industries", Thomas Guback kaj Tapio Varis, UNESCO, Paris, 1982, p. 14 f.)

Kiuj estus la sekvoj? En ĉiuj partoj de la mondo la transnaciaj konzernoj povus daŭrigadi sian ampleksan propagandon por la prezentado de la kultura kaj informa imperiismo, la fortigo de novkoloniismaj strukturoj ktp. Ĉar la televidaj satelitoj ne konas limojn, la eblecoj de la ŝtatoj (precipe de la evolulandoj) protekti siajn kulturon, tradiciojn kaj naciajn interesojn kontraŭ deekstera enmiksiĝado estas minimumaj, por ne diri senesperaj. Anstataŭ subteni internaciajn kunlaboron kaj pacon inter la ŝtatoj la ampleksa kaj senkontrola utiligado de la televidaj satelitoj (speciale fare de transnaciaj konzernoj) povus konduki al malboniĝado de la rilatoj inter la ŝtatoj.

Krom tio la televidaj satelitoj endanĝerigus kaj la kulturan kaj la politikan suverenecon de la evolulandoj pere de senkontrola kaj troa disradiado de televidaj programoj, filmoj kaj reklamsendaĵoj, kiuj neniel rilatas al la realeco en tiuj landoj. Same oni tuŝus la principojn de la internacia juro, antaŭ ĉio la principon de la neenmiksiĝado en la internajn aferojn de aliaj ŝtatoj.

La evolulandoj devas daŭrigi sian batalon kontraŭ la novkoloniismo en la informado en UNO, UNESKO, la UNO-komitato por informado kaj la UNO-Centro de Transnaciaj Monopoloj. Tion ili faru ankaŭ kunlabore kun la socialismaj landoj kaj enkadre de sud-suda kooperado.

*El „Neue Perspektiven" 2/88.*

*Trad. Hans-Peter Bartos*

---

# „Paco"

**Sovetia MEM-sekcio komencas eldoni en Esperanto la ĉiujaran almanakon „Paco". La 1-a numero aperos en 1989 en la eldonejo „Progreso". En ĝi vi tralegos:**

- komentariojn pri elpaŝo de Miĥail Gorbaĉov en UN;
- verkon de Miĥail Bulgakov „Fatalaj ovoj";
- originalan poezion de sovetiaj esperantistoj;
- kronikon de Esperanto-vivo en USSR;
- stenografaĵon de nekonata elpaŝo de Baudouin de Courtenay pri problemoj de internacia lingvo, faritan en Petrogrado la 14-an aprilo 1918;
- pri kontribuo de Konstantin Ciolkovskij por evoluo de Esperanto-movado en USSR;
- pri lokoj en Moskvo, ligitaj kun la historio de Esperanto-movado;
- komentariojn de armeniaj esperantistoj pri la tertremo en Armenio;
- pri ekologiaj problemoj en USSR kaj en la mondo;
- politikajn portretojn de Stalin, Hruŝĉov, Brejnev, fare de la sovetia historiisto Roj Medvedev;
- versaĵojn de A. Puŝkin;
- informon pri statistikaj faktoj de Esperanto-movado en USSR;
- Esperanto-leksikonon, kies publikado estos daŭrigata en la sekvontaj almanakoj;
- adresojn de korespondezirantoj . . .

La redakcio de la almanako „Paco" petas ĉiujn sovetiajn kaj eksterlandajn esperantistojn sendi la informojn pri nia movado laŭ la adreso: 119847 Moskva, Zubovskij bulvar 17, eldonejo „Progreso", ĉ. 405, Esperanto-fako.

# Thomas Müntzer

## (ĉirkaŭ 1489–27. 5. 1525)



Thomas Müntzer
DDR
1989



„Thomas Müntzer (ĉirkaŭ 1489 ĝis 27a de majo 1525) estas la elstara personeco de la plej maldekstra alo de la germana fruburĝa revolucio, tio estas de la Reformacia movado kaj de la kamparana milito de 1517 ĝis 1525/26. Komence de epoko de sociaj renversiĝoj, kiu estis signita de la transiro de feŭdismo al kapitalismo, li alstrebis sur la bazo de sia revolucia komprenemo de kristanaj dogmoj radikalan transformiĝon de la socio en la intereso de la ekspluatata kaj subjugigata popolo. Li disvolvis teologion de la revolucio kun la celo superi ĉiun klaspotencon. Li rekonis en la simpla popolo la portanton, kaj en la revolucia perforto la rimedon de tiu ĉi renverso".
*(El la Tezoj pri Thomas Müntzer – Al la 500a datreveno de lia naskiĝtago)*

Thomas Müntzer estis la ĉefa reprezentanto de la popolecaj interpretadoj de la Reformacio, kiun en Germanio en la 16a jarcento iniciatis Martin Luther, kaj kiu rezultigis la dividon de la okcidenta kristana eklezio en rom-katolikan kaj protestantan. Thomas Müntzer komence subtenis la lukton de Luther kontraŭ katolikismo. Li elektis klerikan profesion, kiu garantiis al li rektan kontakton kun la popolaj amasoj. Simile al Luther, li interpretis la Biblion en nova maniero, kaj jam frue fondis sekretan kontraŭkatolikan ligon. Sed baldaŭ li disvolvis propran teorion, kiu en multaj aspektoj preterpasis la reformacian doktrinon de Luther. Thomas Müntzer kondamnis la pasivan humilecon de Luther en laikaj aferoj. Li alvokis la popolajn amasojn al la forigo de ĉiu malbono en ilia vivo, al la faligo de la princoj kaj al la neniigo de la subpremantoj. En tiu ĉi batalo li vidis la ĉefan taskon de la Reformacio. Por Müntzer, servi Dion signifis servi la ĝeneralan bonon de la homoj. Tio parte rezultis el lia panteisma kredo, laŭ kiu Dio ekster la homoj ne ekzistus.

La unueca reformacia movado disfalis jam en 1521. La estiĝintaj diversaj tendencoj respegulis la diversajn sociajn kaj politikajn interesojn de la klasoj. Martin Luther devis klarigi sian pozicion en la ekflamiĝinta batalo socia, kaj li pledis por obeemo al la ekzistanta laika ordo. Jam en 1521, Müntzer ĉesigis la rilatojn al Luther, kaj en siaj verkoj, leteroj, flugfolioj, mesoj li eĉ atakis lin. Tiuj ĉi verkoj rapide disvastiĝis inter la popolo, ĉar Müntzer profetis socian staton sen klasaj diferencoj, sen privataj propraĵoj, sen ĉiu ajn ŝtata potenco, fremda al la popolo.

La agado de Thomas Müntzer estis samtempe la provo atingi la ŝtatan unuecon de Germanio laŭ revolucia maniero.
„Dye gewalt sol gegeben werden dem gemeinen volck." („La potenco estu donita al la simpla popolo.") Tiun ĉi sloganon li provis efektivigi, kaj en 1524 ekbrulis la malferma batalo de la radikalaj kamparanaj, plebanaj fortoj. Thomas Müntzer parte estis ilia gvidanto.

La grafikajo sube montras la malnovan urbon Mühlhausen en Turingio. Thomas Müntzer vivis de februaro 1525 en Mühlhausen, kaj tiu ĉi urbo fakte fariĝis la centro de la popola insurekcio de Turingio kaj Saksio.
Post la lasta granda, kaj por la ribelanta kamparanaro pereiga batalo ĉe Frankenhausen en majo 1525, Thomas Müntzer estis ekzekutita. Sekvis kruela venĝo de la princaro kontraŭ la revolucia movado, ekzekutoj, persekutoj kaj fine la plifirmigo de la stato de servuteco. Entute 100 000 kamparanoj pereis dum la insurekcioj kaj la postaj reprezalioj.

*Trad. U. Becker*



# 200a datreveno de la Franca Revolucio

„Nun en Parizo estas nur unu krio: Al la armiloj! Estis la sepa horo... Oni enpenetras la magazenojn de la armilkomercistoj. Lunde matene oni sturme sonorigas... Pli ol centmil jam estis pli-malpli bone armitaj kaj kuris al la urba domo por postuli armilojn... Tio estis marde, la tuta mateno pasis dum la sinarmigado. Apenaŭ oni havas armilojn, oni ekiras al la Bastilo... Oni pafadas unu aŭ du horojn, oni pafe surterigas ĉiun, kiu videblas sur la turoj; la guberniestro, grafo de Launay[1], kapitulacas; li subigas la levoponton, oni sin ĵetas internen; sed li tuj retiras ĝin supren kaj pafas per mitrajlo.
Nun breĉopafas la kanono de la Franca Gvardio... kaj dum duona horo la placo estas okupita sturme...; la Bastilo okupita de burĝoj kaj de sengvidaj soldatoj, sen unusola oficiro! ... Jam de lundo matene oni arestis ĉiujn kurierojn.
Oni portis ĉiujn leterojn al la urba domo; tiujn, kiuj estis direktitaj al la reĝo, la reĝino kaj la ĉefministro, oni malfermis kaj publike laŭtlegis ilin.... La subpremantoj ĉiuj volis fuĝi el Parizo; sed de lundo vespere patrolo de kvindek mil homoj iradis tra la urbo. Oni neniun lasis eliri el la ĉefurbo ... oni ĵetis seĝojn, tablojn, barelojn, pavimŝtonojn, ĉarojn sur la stratojn por barikadi ilin kaj por rompi la gambojn al la ĉevaloj ... Mi gardadis la tutan nokton. Ĉirkaŭ la 11a horo nokte mi renkontis taĉmenton de Husaroj, kiu envenis ĵus ĉe la pordego Saint-Jacques[2] ... La virinoj boligis akvon por verŝi sur la kapojn; ili vidis la ardigitajn pavimŝtonojn ĉe la fenestroj, kiuj estos ĵetataj sur ilin, kaj ĉirkaŭe tiom da milicoj de Parizo, armitaj per sabroj, spadoj, pistoloj kaj pli ol 60 000 bajonetoj, pli ol cent kvindek kanonoj kiuj paradis ĉe la enirejoj de la stratoj ... Hieraŭ matene la timigita reĝo iris al la Nacia Asembleo; li kapitulacis senkondiĉe ... Niaj deputitoj rekondukis lin kun triumfo al la Kastelo. Oni diris al mi ke li multe ploris..."
Per tiuj ĉi eventoj ĉirkaŭ la 14a de julio 1789, kiujn priskribis unu el la gvidaj revoluciuloj de la insurekciaj tagoj[3], komenciĝis revolucio, kiu fine de la „Jarcento de la Lumoj" kaj meze de profunda krizo de la absolutisma monarkia sistemo kaj la agonianta feŭda socio renversis la vivon en la lando kaj kaŭzis preskaŭ 23-jaran militon, kiu traplugis la tutan Eŭropon. La eŭropa princaro ĝis Rusio teruriĝis kaj komplote provis kontraŭstari la evoluon.
Kiom kontraŭdiraj la eventoj de la revolucio estis, tiom grava ĝi fariĝis por ĉiuj burĝaj, laboristaj kaj kamparanaj tendencoj kaj sintenoj. Fine ĝi postulis tro multe de la historio – tiom ke la grandburĝaro jam timis pri sia ĵus akirita politika potenco – kaj ĝi teruris siajn propajn adeptojn. Ĝi naskis virojn kiel Danton[4], Robespierre[5] kaj Marat[6] kaj mortigis ilin. Ĝi deklaraciis homajn rajton kaj organizis la teroron. Ĝi voĉdonis por deviga lernejvizito kaj por gilotinado. Ĝi forigis la sklavecon kaj reenkondukis ĝin por la francaj kolonioj. Ĝi mortigis reĝon kaj naskis imperiestron. La popolo furoris, la burĝaro venkis kaj la aristokratoj revenis.

En la „Sankta Romia Regno", elsuĉita de Aŭstrio kaj Prusio, la dispecigitaj germanaj landoj ne permesis al la burĝaro aspiri politikan potencon. Ĉi tie reagis al la francaj eventoj ribelantaj kamparanoj kaj vortumantaj sciencistoj, filozofoj kaj poetoj: La fratoj Humboldt iris al Parizo, Schelling[7], Hegel kaj Hölderlin[8] plantis „Arbon de la Libereco" kaj fondis politikan klubon. Simile favore reagis Kant kaj Klopstock[9], Beethoven[10] („Eroica"), Schiller[11] kaj Fichte[12], iom skeptike sintenis Goethe[13] kaj Herder.

**Notoj:**

1 pron.: Lone
2 G. Landauer, Briefe aus der Französischen Revolution, Berlin 1985, Bd. I.
3 Camille Desmoulins (pron. Kamil Demulen), 1760–1794. En 2), p. 102–105. Letero al la patro, 1789.07.16.
4 Georges Danton (pron. Ĵorĵ Danton), 1759–1794, advokado, populara revolucia gvidanto.
5 Maximilien Robespierre (pron. Maksimiljen Robespjer), 1758–1794, advokado, gvidanto de la „Jakobenoj".
6 Jean Paul Marat (pron. Ĵan Pol Mara), 1743–1793, revoluciulo, eldonis la gazeton „L'Ami du peuple" (La Amiko de la popolo).
7 pron. Ŝeling
8 pron. Helderlin
9 pron. Klopstok
10 pron. Bethoven
11 pron. Ŝiler
12 pron. Fiĥte
13 pron. Gete

*(Kompilis Ulrich Becker)*

*Sturmo al la Pariza Bastilo, la 14-an de julio 1789.*

Foto: Zentralbild



# La kontribuo de GDR al la Monda Jardeko de Kultura Evoluo

*De D-ro Hans-Joachim Hoffmann, Ministro de Kulturo kaj Prezidanto de la Nacia Komitato de GDR por la Monda Jardeko de Kultura Evoluo*

La 6-an de decembro 1988, dum sia 3a kunveno, la Nacia Komitato de GDR por la Monda Jardeko de Kultura Evoluo pritaksis sian laboron en la unua jaro de la jardeko kaj interkonsiliĝis pri la taskoj por 1989.
GDR dediĉas grandan atenton al la celoj de la Monda Jardeko de Kultura Evoluo. Tial en la raporto de la Politburoo al la 7a Plenkunsido de CK de SUPG en decembro 1988, kiun prezentis la Ĝenerala Sekretario de CK de SUPG kaj Prezidanto de la Ŝtata Konsilantaro de GDR, Erich Honecker, kiu estas ankaŭ protektanto de la Nacia Komitato de GDR por la Monda Jardeko, tekstas jene:
„Tiu Monda Jardeko, proklamita de la Unuiĝintaj Nacioj por la jaroj 1988 ĝis 1997, ludas gravan rolon en la progresado de la internacia dialogo kaj de la kunlaboro por la sekurigo de la paco. La Nacia Komitato de GDR aktive kontribuas al la realigo de tiuj ĉi celoj."
En la pasinta jaro ni rigardis kiel unuarangan taskon informi per la gazetaro, radio kaj televido de GDR kaj ankaŭ per propra dokumentara volumo la civitanojn kaj instituciojn de GDR pri la taskoj de la Monda Jardeko de Kultura Evoluo.
La intereso pri tiu ĉi longtempa, en la UN-sistemo tute novspeca kultura kampanjo estas granda; kaj la membroj de la Nacia Komitato (ĝi dumtempe estas pligrandigita kaj nombras nun pli ol 100 personuloj) – sed ne nur ili – prezentis multajn interesajn proponojn, kiel eblas pliriĉigi en nia respubliko ĉion tradician kaj elprovitan per la celoj de la Monda Jardeko kaj profundigi la internacian kunlaboradon per novaj duflankaj kaj multflankaj projektoj.
Ĉefe provokaj kaj instigaj pri tio estas la interdisciplina karaktero kaj la orientiĝo de la Monda Jardeko al la homo kaj ties kreiveco kaj la pli forta integrado de la kulturo en ĉiuj sferoj de la sociaj evoluaj procezoj kun la celo kontribui je la fino de la 20a jarcento al la solvado de la tutmondaj problemoj de la homaro, speciale al la daŭra sekurigo de la paco kaj la loĝebleco de nia planedo. La fundamenta konformeco de tiuj ĉi celoj kun la elprovita, en GDR, politiko de la formado de evoluinta socialisma socio donas multajn eblecojn de aktiva partopreno de GDR en la Monda Jardeko de Kultura Evoluo. Tio koncernas la pluan efektivigon de nia socialisma kulturpolitiko en la kadro de unueca ekonomia kaj socia politiko kaj la intensigon de la socialisma vivmaniero en GDR same kiel la internacian kunlaboron kaj la rezultorientitan dialogpolitikon de paco kaj malarmado.
En junio 1988 mi havis la eblecon informi en Parizo la Ĝeneralan Direktoron de UNESKO, sinjoron Federico Mayor, pri la sinteno de GDR al la Monda Jardeko de Kultura Evoluo kaj prezenti proponojn por ankoraŭ pli forta engaĝiĝo de GDR en UNESKO. En tiu senco GDR partoprenis kiel observanto la unuan kunvenon de la Interŝtata Komitato de la Monda Jardeko de Kultura Evoluo kaj proponis plurajn internaciajn projektojn.
De granda signifo por ni estas la komuna kontribuo, kiun kapablas efektivigi la ŝtatoj de la eŭropa UNESKO-regiono en la kadro de la Monda Jardeko – en Eŭropo mem kaj ankaŭ celante al aliaj regionoj, speciale evolulandoj. Estas evidente, ke tia plifortigo de la eŭropa kunlaboro je la iniciativo de UNESKO povus stimuli ankaŭ la progresadon de la KSKE-procezo.
Pluraj kunvenoj de ekspertoj okazis jam en Budapeŝto, Parizo kaj Florenco por fiksi komunan eŭropan kontribuon al la Monda Jardeko; alia kunveno en Ateno okazos baldaŭ.
Kulmino kaj, kiel ni esperas, fino de tiuj ĉi preparoj, estos la 10a Regiona Konferenco de la eŭropaj UNESKO-komisionoj, kiu okazos en aprilo de tiu ĉi jaro en la ĉefurbo de GDR. Ni atendas de ĝi interkonsenton pri listo da projektoj, kiujn la eŭropaj membroŝtatoj komune ekrealigos kiel specifan eŭropan kontribuon al la Monda Jardeko de Kultura Evoluo.
Tiu ĉi interkonsentiĝo gravas pro tio, ĉar urĝas enigi ĝiajn rezultojn en la 3an Meztempan Planon de UNESKO (1990–1995), kiun la 25a Ĝenerala Konferenco de UNESKO akceptu en oktobro.
GDR intencas meti sur tiun ĉi liston de komunaj planoj kompleksan, interdisciplinan projekton en la kadro de kunagado de kulturo kaj sanitaraferoj kun la titolo „Arto en hospitalo"; ĝi intencas prezenti proponon pri eŭropaj kulturstudaĵoj pri la temoj „Rilatoj inter materiaj kaj kulturaj faktoroj de la evoluo" kaj „Kulturinterŝanĝo kiel faktoro por akceli konfidon kaj kompreniĝon inter la popoloj" kaj volas instigi, ke Eŭropo iniciatu „universalan aŭd-vidan enciklopedion" (serion de dokumentaj filmoj pri la kultura heredaĵo kaj nuntempo de unuopaj membroŝtatoj de UNESKO) kiel interregionan projekton okaze de la 100a datrevono de la eltrovo de kinematografio (1995).
Ni estas niaflanke interesataj pri grandaj kompleksaj projektoj, proponataj al diskutado fare de aliaj membroŝtatoj, ekzemple „Kulturo kaj junularo", „Kulturo en la kamparo", „Kulturo kaj lernejo", „La urbo de hieraŭ por la homoj de morgaŭ" (konservado kaj evoluigo de la kultura heredaĵo en konataj metropoloj de arto kaj kulturo), „La homo kaj la komunikadaj rimedoj", k.a.
De granda signifo estas la kunlaborado kun la ŝtatoj de Afriko, Azio kaj Latina Ameriko, kiuj atendas de la Monda Jardeko de Kultura Evoluo krom teknika kaj ekonomia helpo antaŭ ĉio estimon de sia kultura identeco, respekton antaŭ tradicioj, heredaĵo kaj mensa sinteno de siaj popoloj, sed ankaŭ subtenon ĉe la konservado kaj renovigado de siaj kulturaj monumentoj kaj samrajtecon kaj reciprokan donadon kaj prenadon en la kultura interŝanĝo.
Tial nia Nacia Komitato atribuas en sia agadprogramo specialan atenton al tiuj aspektoj de la Monda Jardeko. En 1988 oni aranĝis en GDR someran kurson por konservistoj de monumentoj el evolulandoj, en 1989 oni organizos ĝin por muzeologoj el evolulandoj. En preparo

estas la venonta somera kurso por teatroagantoj el Latina Ameriko, kiu okazos ĉe la Popola Teatro de Rostock.
Inter la projektoj de la jaro 1988, ligitaj kun la Monda Jardeko de Kultura Evoluo, estis ankaŭ komuna liberaera ekspozicio de junaj artistoj de plastikaj artoj el GDR kaj Hindio kiel preparo al reciprokaj „Tagoj de kulturo".
Por la venontaj jaroj estas planitaj ekzemple Internacia Reĝio-seminario pri Infan- kaj Junularteatroj (1989), Internacia Seminario pri projektoj al formigo de ludiloj por invalidaj infanoj (1990) aŭ Internacia Kolokvo „Aŭtora Rajto kaj Kultura Evoluo" (1991), kies celo estas la perado de spertoj unuavice al partoprenantoj el Azio, Afriko kaj Latina Ameriko.
Dum la Internacia Semajno de Dokumentaj kaj Mallongaj Filmoj en Leipzig, en 1988 sub la moto „Filmoj de la mondo por la paco de la mondo", okazis la tradicia „UN/UNESKO-tago" tute en la signo de la Monda Jardeko de Kultura Evoluo, kaj tiel estos ankaŭ dum la venontaj festivaloj.
Inter la grandaj eventoj de la jaro 1989, kiuj ankaŭ influas en multspeca maniero la kontribuon de GDR al la Monda Jardeko de Kultura Evoluo, ni nomu unuavice la 40an datrevonon de fondiĝo de GDR.
En la agadprogramo de la Nacia Komitato ludas gravan rolon ankaŭ la 500a naskiĝtago de Thomas Müntzer, la 200a datreveno de la Franca Revolucio kaj la Internacia Arta Libro-ekspozicio (IBA) en Leipzig en 1989.
En decembro 1988 aliĝis GDR al la „Konvencio pri la Protektado de la Kultura kaj Natura Heredaĵo de la Mondo". El tio rezultas gravaj taskoj ne nur por la specialistoj pri konservado de monumentoj kaj de la naturprotektado, sed por ĉiuj sociaj sferoj de nia lando.
La Nacia Komitato de GDR por la Monda Jardeko de Kultura Evoluo enigos en sian venontan agadplanon por 1990/91 vicon da konkretaj projektoj pri konservado kaj prizorgado de la kultura heredaĵo, pri protektado de la naturo kaj de la vivmedio kaj pri la kulturado de la pejzaĝo.
En multaj ŝtatoj oni nuntempe agadas por vivigi la celojn de la Monda Jardeko de Kultura Evoluo. Iuloke tiu ĉi granda internacia entrepreno nur malrapide kaj kun multaj penoj ekmarŝis. Ni bonvenigas la intencon de la UNESKO-Sekretariato, publikigi kaj ĝeneraligi pli forte ol ĝis nun la informojn, intencojn kaj spertojn de la membroŝtatoj. Ni ankaŭ esperas, ke la Dokumento pri Strategio por la Efektivigo de la Monda Jardeko, interkonsilita en septembro 1988 de la Interŝtata Komitato por la Monda Jardeko, kiel eble plej baldaŭ ricevos sian finan version kaj estos transdonata al ĉiuj membroŝtatoj kiel rekomendo kaj instrukcio por la agado.
En la kadro de UN, UNESKO kaj aliaj specialaj organizaĵoj de la UN-sistemo, en la Neŝtataj Internaciaj Organizaĵoj kaj per la duflanka kultura kunlaboro GDR kontribuos al tio, ke eblos starigi bonan bilancon je la fino de la Monda Jardeko de la Kultura Evoluo.
*(El „Aussenpolitische Korrespondenz" n-ro 2/1989 tradukis Renate kaj Dieter Berndt)*

*Kulturministro d-ro Hans-Joachim Hoffmann, prezidanto de la nacia komitato de GDR pri la Monda Jardeko de Kultura Evoluo kaj d-ro Helmut Tautz, sekretario de la komitato, akceptas la niĝerian nobelpremiiton Wole Soyinka (maldekstre).*
Foto: Zentralbild



# Germanlingva libro kun rilatoj al Esperanto

La libro „Alternativen – Schicksale deutscher Bürger" (Alternativoj – sortoj de germanaj civitanoj), eldonita de Olaf Groehler en 1987 ĉe la eldonejo Verlag der Nation Berlin, prezentas fascinmaniere vivpriskribojn de diversaj aŭtoroj pri sep germanaj elstaruloj el la tempo, kiam la germana imperiismo preparis du mondmilitojn. Ĝi malfermas al la leganto intimajn enrigardojn en la vivkondiĉojn, la diferencajn mondkonceptojn, agadmotivojn kaj vivspertojn, en la sintenon en decidaj situacioj kaj evoluon en la pensado de eminentuloj el la burĝaro, kiuj kvankam ne estinte alternativo al la ŝtato de Weimar (1919–1933) tamen reprezentis limigitan burĝan-liberalan alternativon interne de tiu ĉi sistemo direktitan kontraŭ la ekstreme reakcia dekstra kartelo. La libro unuigas biografiajn skizojn pri tiel diferencaj personuloj kiel la murdita ministro de la Weimara Respubliko por eksteraj aferoj, la monopolkapitalisto Walther Rathenau (1867–1922), la eminenta batalintino por la rajtoj kaj samrajteco de la virinoj, la pacifistino kaj kunfondintino de la Ligo por Patrinprotekto kaj de la Germana Centralo por daŭra paco kaj popolinterkompreniĝo Helene Stöcker (1869–1943), la pioniro de la aervetturado, industriisto kaj liberalulo Hugo Junkers (1859–1935), la ambasadoro de Nazigermanio en Moskvo kaj kunkonspirinto de la 20-a de julio 1944 kontraŭ Hitler, la grafo von der Schulenburg (1875–1944), la batalinto por internacia juro kaj interpopola interkompreniĝo Ludwig Quidde (1858–1941), la eksgeneralo kun konscio pri realaĵoj barono von Schoenaich (1866–1954) kaj la katolika pastro strebinta al paca kaj justa mondo Max Josef Metzger (1887–1944). Olaf Groehler, la eldoninto, en la an-

taŭparolo eksplikas, ke la ruĝa fadeno, kiu ligas la diferencajn biografiojn, estas ilia kontribuo al socia progreso, kies kriterioj estas unue la pozicio rilate al la ĉefa problemo milito kaj paco, due la sinteno al Sovetunio, nome la strebo al normalaj rilatoj, al politika kunekzistado kaj trie la pozicio en la defendo de la burĝaj demokrataj atingaĵoj de la Respubliko de Weimar kontraŭ la dekstraj grandburĝaj reakciaj fortoj kaj kontraŭ la evoluinta faŝismo.

Por la esperantistoj speciale interesaj estas la biografiaj skizoj pri Ludwig Quidde kaj Max Josef Metzger. La nobelpremiito Ludwig Quidde estis depost 1914 ĝis 1929 la prezidanto de la Germana Pacsocieto, en kiu nehazarde agadis eminentaj germanaj esperantistoj. Kvankam estas aktuala tasko, ankoraŭ ne sufiĉe okazas esploroj pri la rilatoj inter la burĝa pacmovado kaj la Esperanto-movado, esploroj kaj priskriboj de la spertoj de diferencaj burĝaj kaj aliaj sociaj fortoj en ilia porpaca agado, ankaŭ lige al Esperanto. La kono de la agado de Ludwig Quidde kaj de la prezidita de li organizaĵo estas neevitebla por tiaj esploroj.

Ankaŭ Max Josef Metzger depost 1908 membris al tiu ĉi grava societo de burĝaj pacamikoj, kiu en 1914 ampleksis 10 000 membrojn. La biografia skizo pri Metzger ne estante la unua publikaĵo de Klaus Drobisch pri la kuraĝa ekleziulo evidentiĝas ties spiritan evoluon. Ni sciiĝas, ke Metzger ankoraŭ en 1914 ne povis kontraŭstari naciismajn influojn kaj libervole iris en la militon, sed per la spertoj de la Unua Mondmilito li atingis ekkonojn pri la dimensio de la laboro, kiu necesas por akiri daŭran pacon. Rimarkinde estas, ke li kiel „militfiagitantan kapitalismon" kondamnis la vetarmadon, kiun laŭ li antaŭ 1914 partoprenis ĉiuj grandpotencoj ĉekape la imperiestra Germanio, kies militarismo kaj politika senmoraleco estis speciale karakteriza. El liaj multflankaj aktivecoj ankaŭ estas menciita skribaĵo prepare al la kongreso de la katolikaj esperantistoj en aŭgusto 1920 en Den Haag, en kiu li instigis fondon de Katolika Internacio por gvidi la „bonajn fortojn de la homaro" al la „belega celo" de „pace unuigita homaro". Estas citita lia pritakso de la Ligo de Nacioj kiel „malsankta alianco", kiu devos ŝanĝiĝi de ligo de registaroj al ligo de la popoloj. Liaj imagoj pri la rilatoj de la Katolika Internacio, kies Ĝenerala Sekretario li estis elektita fare de la kongreso en Den Haag, al la Komunista Internacio estas atentindaj. Li skribis: „Kun la Ruĝa Internacio tiurilate (la batalo por la paco) konkurencante por estonte unuiĝi, la Blanka Internacio estus sufiĉe forta por subpremi la militeman kapitalismon kaj imperiismon en ĉiuj landoj." La kunagado kun komunistoj kaj socialdemokratoj kaŭzis kritikojn en la propraj vicoj de la katolika eklezio. La rusa revolucio por Metzger estis „provo de la liberigo de la popolo el la kontraŭhumana sklavigo de la kapitalismo". Li jam en 1924 avertis kontraŭ la militemo de la faŝistoj. La aŭtoro emfazas, ke nek brido fare de ekleziaj superuloj, nek minacaj eksteraj kondiĉoj igis la pastron retiriĝi. En printempo 1943 li estis denunciata ĉe la Gestapo pro programo por estonta germana ŝtato, kiun li provis sendi eksterlanden. En tiu ĉi dokumento li desegnis bildon de demokrata ŝtato kun parlamento el ĉiuj partioj kaj personuloj elproviĝintaj en la kontraŭfaŝisma batalo. Speciala atento devos esti direktata al la progresema sociala politiko. Drobisch konstatas, ke tiu ĉi programo de la katolika pastro Metzger nur estas komparebla kun la estonten direktantaj manifestoj de la germanaj komunistoj. Metzger mortis sub la gilotino de la faŝistoj en la pundomo Brandenburg/Havel. Liajn vivspertojn, lian testamenton same kiel tiun de aliaj sinceraj homoj, kiuj defendis sian humanismon en malhumanisma ĉirkaŭo, ni ne forgesu. Ĝi havas aktualan signifon, ankaŭ por la Esperanto-movado. Estus dezirinde disponigi la kontribuaĵojn pri Quidde kaj Metzger en Esperanto.

*Fritz J. Wollenberg*

---

# Esperanto-akompananto iranta en la 21-an jarcenton kun la nacioj en Azio-Pacifiko

**de Prof. Van Trong**

*Estro de la Vjetnama Instituto pri Azio kaj Pacifiko*

La regiono Azio-Pacifiko kun proksimuma duono de la tersurfaco kaj duono de la monda loĝantaro, pli kaj pli fariĝas regiono altiranta la atenton de la homaro. Tie ĉi koncentriĝas la landoj grandpotencaj je ekonomio: Sovetunio, Usono, Ĉinio, Japanio, Hindio, kaj deko da grandaj kaj malgrandaj landoj situantaj ĉe ambaŭ bordoj de Pacifiko, de Nord-orienta Azio ĝis Sud-orienta Azio. La landoj kiel Aŭstralio, Nov-Zelando kun la insular-landoj en Oceanio, same kiel la sudaziaj landoj konsiderinde apartenas al tiu regiono ...

Pli ol ie ajn, hodiaŭ ĉe tiu vastega kaj vigla regiono de Azio-Pacifiko, la paco kaj la evoluo fariĝas urĝaj postuloj de ĉiuj nacioj.

Estante uzata pontlingvo, Esperanto helpas al la interkompreniĝo de la nacioj pri kulturo, historio kaj pri iliaj legitimaj aspiroj. Neniu nacio ne havas sian fierindan historion. Neniu vera kulturo ne enhavas en si humanismajn faktorojn – ĉu tiu kulturo aperis en la delto de Ruĝa Rivero, ĉu de Mekongo aŭ de Jangzi Rivero. La rolo de la kulturoj, kiel oni diras, ne estas neniigi unu la alian, sed reciproka kompletigo. Tamen, se la nacioj trovas la proksimecon en multaspektaj karakteroj de la tradiciaj kulturoj, ili povus facile trovi la komunan denominatoron por la evolua vojo kun epoka karaktero. Ĝuste per la jurnaloj kaj revuoj, la studaĵoj kaj la sciencaj publikigoj uzantaj la lingvon Esperanto, ni povas kontribui al la konsciaj plialtiĝoj de la popoloj en la regiono Azio-Pacifiko pri la danĝero de nuklea milito, pri la neceso solvi la konfliktojn, pri la senprecedencaj favoroj en kiuj la scienc-teknika revolucio povu servi al pluraj landoj, antaŭ ĉio al la landoj malrapide evoluantaj, por ke ili baldaŭ venku sian sociekonomian postrestadon ...

Ni opinias, ke Esperanto certe partoprenos aktive en la nova erao aperinta en la regiono Azio-Pacifiko, estos subtenanto kaj kuraĝiganto por la nova evolua direkto de la regiono. Permesu min esperi, ke Esperanto estos la akompananto de la popoloj, de la nacioj en la regiono Azio-Pacifiko dum la longdaŭra marŝado en la 21-an jarcenton. Kaj kial ni rezignu la rajton esperi, ke Esperanto – mirinda lingvo kristaliĝinta kaj altvaloriĝinta el pluraj lingvoj – estos la „lingvo de la 21-a jarcento"?

*(Esperantigis: DANG DINH DAM)*

## Okaze de la jubileo de GDR en sia kvara jardeko:

# ENLA KVINDEKAJ JAROJ

Ludwig Schödl

40 jaroj GDR – momenton! Mi devas iomete memori. Kien ajn mi venis en tiu tempo, Berlin, Dresden, Bernau – ĉie nur ruinoj. Kiel pene estis atingi iun lokon! Aŭtobusoj apenaŭ ekzistis kaj oni nepre ne estus forveturanta sen kunpreni manĝaĵslipetojn kaj eventuale manĝilaron, ĉar kutime la restoracioj tiajn ne plu havis. En tiu tempo, en septembro 1949, post kvarjara instruado en vilaĝaj unuklasaj lernejoj, komenciĝis mia deĵoro en la subdistrikta urbeto Neuruppin en 12-klasa lernejo por knabinoj. Ĉio estis nova por mi. Anstataŭ instrui ĉiujn fakojn al infanoj, apartenantaj al ok klasoŝtupoj, ĉiam kelkajn ŝtupojn en unu ĉambro, mi nun instruis nur matematikon kaj por la superaj klasoj ankaŭ aktualan politikon. Ĝis tiam la nutraĵsituacio estis katastrofa. Post la vintroj mi ‚ĉasis' la unuajn urtikŝprosojn kaj atriplojn por iom satigi min kaj la familion. Tio nun en la urbo ne plu eblis, sed okazis revolucia pliboniĝo: La vendado de farunaĵoj liberiĝis de slipetoj. Unue mi timis, ke la farunaĵoj tuj elĉerpiĝus kaj ke la prezoj estus multe pli altaj ol ĝis tiam. La zorgoj montriĝis senbazaj. Ĉiam estis kaj estas haveblaj pano, bulkoj faruno kaj aliaj farunaĵoj, eĉ malmultekostaj – kaj ankoraŭ hodiaŭ validas la samaj prezoj.

Matematiko ja estas ‚trankvila' fako, sed aktuala politiko estis kvazaŭ fajrego. En multaj cerboj de tiuj ‚fraŭlinoj' kaj en la cerboj de ties gepatroj ne jam cedis nazia ideologio. Miaj lernantinoj baldaŭ rimarkis, ke ili ĉe mi povis diri libere siajn opiniojn sen riski malavantaĝon. Sed kio estis unu horo po semajno por tiu fako?! Tial mi ofte invitis ilin, por daŭrigi la debatojn, kaj ni renkontiĝis en diversaj liberaj kunvenejoj. Mi memoras: Ĉe gepatra tutlerneja kunveno en plenplena aŭlo patro akuzis min ĉe la direktoro, ĉar mi klarigis al miaj lernantinoj, ke gerilanoj sur la flanko de la sovetia armeo estis la veraj herooj kaj ne la naziaj invadintoj de fremda lando. Unue ŝajnis, ke li ankaŭ trovis simpatiantojn ĉe aliaj gepatroj, sed mi estis kontenta, ke tiel mi havis la ŝancon, povi defendi mian kontraŭfaŝisman sintenon ĉe la gepatroj, kaj evidente mi sukcesis. Ĉe alia tia kunveno patro kontraŭis la nunan ‚politikan lernejon', postulante neŭtralan senpolitikan lernejon. Mi atendis tiun intervenon, lia filino jam babilis pri tio. Mi do, kiel povus esti aliel, asertis, ke lernejo ĉiam estas politika kaj nia lernejo ankaŭ konfesas esti tia, dum la antaŭaj lernejoj ja havis kaŭzon kaŝi tion. Tiu aserto ankoraŭ ne kovinkis lin, sed mi havis ĉe mi lernejan dikan legolibron el lia tempo kaj foliumante en ĝi mi nur bezonis citi la diversajn titolojn, kiuj trafe montris la monarkisman karakteron de la tiama ‚neŭtrala' lernejo. Ĉiuj ridis. Iam ni devide montris al ĉiuj lernantinoj dokumentan filmon, fabrikitan de ruĝarmeaj jurnalistoj okaze de liberigoj de faŝismaj koncentrejoj. La sekvajn tagojn venis multe da gepatroj al ni por riproĉi nin, ke ni kaŭzis al iliaj infanoj mensajn suferojn, ke ili ne povis dormi. Fakte tio estis teruraj bildoj, sed mi klarigis, ke nepre ĉiu devus koni tion, por ke neniam plu tio ripetiĝu! Mi povus longe daŭrigi citante tiajn okazintaĵojn.

En la jaro 1949 estis fondita Germana Packonsilantaro kaj baldaŭ ankaŭ distriktaj, subdistriktaj kaj laŭeble ankaŭ uzinaj k lernejaj filioj. La estro de nia SdPK[1]) hazarde estis mia direktoro kaj li do strebis organizi LPK en nia lernejo. Ne ĉiam estas facile trovi engaĝitan respondecan funkciulon por eksterlerneja afero el inter la gekolegoj. Tial li estis kontenta, ke mi tuj konsentis transpreni tiun taskon. Mi do fondis tiun LPK, al kiu apartenis kelkaj gekolegoj kaj lernantinoj. Mi diris, ke nia agado devus esti interesa, ke ni estas parto de la *monda* pacmovado, tial ni agadu kun pacbatalantoj de la tuta mondo. Niaj instruistoj de fremdaj lingvoj klopodu trovi kunbatalantojn el aliaj landoj, mi mem provas fari tion per E-o. Tio estis surprizo. Kontraŭ E-o ja regis kvazaŭ anatemo. E-o?! Ili ne povis eviti rideton. Sed vi karaj legantoj, ja scias kia sorĉa lingvo tio estas. Mi ne povas citi ĉi tie la nomojn de ĉiuj tiuj valoraj, fidelaj, sindonemaj geamikoj el multaj landoj, kiuj tuj helpis. La listo estus tro longa. Jam post du semajnoj mi ricevis la unuajn koncernaĵn afiŝojn, bildkartojn, dokumentojn ktp., ke estis vera ĝojo, labori per tia materialo. Ni konstruis grandan piramidon en la lerneja vestiblo, pacangulojn en klasoj kaj koridoroj kaj uzis la materialon en lernejaj lecionoj. Tiu kadro baldaŭ montriĝis tro malvasta. Ni aranĝis ekspoziciojn en la montrofenestroj de la urbaj biblioteko kaj librovendejo, ĉe la stacidomo, en malsanulejo, okaze de konferencoj de la Socialisma Unuiĝinta Partio, en uzinoj. Intertempe, ekde sept. 1951, mi estis direktoro de la lernejo kaj en 1953 la lernejo ricevis la honoran nomon *„Lernejo de la Paco"*. Intertempe nia lernejo kaj paralela knaba lernejo estis ‚miksitaj', tiel ke en ĉiu el niaj lernejoj nun regis koedukado. Spite al la anatemo nia LPK flegis E-on. La mokanta rideto pri E-o ĉe miaj kolegoj jam longe forpasis. Por uzi pli bone nian materialon, kiu ja senfine kompletiĝis, ni aranĝis i.a. forumojn en nia aŭlo. Mi memoras: franca vespero, meksika, japana, ĉina vesperoj. Kulmino ĉe hungara vespero estis la surpriza apero de kvar hungaraj pacamikoj, kiuj estis gastoj de GPK! Plurfoje nia ĉeftemo estis la kruela milito de Usono kontraŭ Vjetnamio. Okaze de tia forumo aperis la vjetnamia ambasadoro kun vjetnama studento. Regis entuziasma etoso. Eĉ la ambasadoro miris pri tiom da vjetnamaj eksponaĵoj. Nu, karaj gelegantoj, kiuj tiam jam aktivis, vi konas tion. Ĝi ja ne estis sekreta materialo, kontraŭe! Ĉeestis tiun forumon ankaŭ mia ĉefo, la subdistrikta lerneja inspektoro kun nia sindikatestro. Tiu lasta ne nur salutis la forumon, sed ankaŭ transdonis al la ambasadoro decan solidarecan ĉekon. Ankaŭ kolegino transdonis monsumon, kolektitan en la lernejo. En la sekvaj tagoj aperis pluraj artikoloj pri la forumo en niaj ĵurnaloj.

Jarojn antaŭe en la centro de nia agado staris la lukto kontraŭ la usona agreso en Koreio. Estis ĉefe la ĉinaj pacbatalantoj, kiuj sendis al ni tutajn pakaĵojn kun bonegaj fotoj, pruvante la kruelaĵojn de la atakantoj.

Kiel mia propra direktoro mi povis

aranĝi por mi ĉiusemajnan liberan ĵaŭdon. La tiam ankoraŭ salajrata sekretario de SdPK organizis por mi kunvenojn ĉiam en alia loko de nia subdistrikto. En tiu tempo foje ni ricevis belegajn desegnaĵojn de japanaj infanoj. Instruistino por germana lingvo tuj uzis ilin por lasi verki bildpriskribojn. Necesis reciproki la donacojn. Nia profesia instruisto por arteduko, li mem talenta artisto, rifuzis nian planon: „Neniam niaj gelernantoj povos krei adekvatajn desegnaĵojn!" Tamen alia kolegino ne estis tiel pesimisma. Mem entuziasma, ŝi fervore analizis la japanajn desegnaĵojn, klarigis al siaj gelernantoj la taskon kaj tiel la japanaj desegnaĵoj kaŭzis pli altan kvaliton en nia lerneja instruado por artedukado. Ne nur tio. Nun ni sukcese klopodis, akiri desegnaĵojn de infanoj ankaŭ el aliaj landoj. Fine ni el ili elektis 82 de 12 landoj. Nia infana E-o-grupo mem enkadrigis ilin kaj la packomitatoj de la distrikto kaj subdistrikto aranĝis multe da ekspozicioj kun ili en ĉiuj urbetoj de nia distrikto kaj ankaŭ en Leipzig kaj Dresden. Grave estis, ke mia edzino kaj mi ĉiam inaŭguris tiujn unusemajnajn ekspoziciojn per referaĵo pri la agado de nia LPK – kaj memkompreneble ni neniam prisilentis la rolon de E-o, kiu ja nur ebligis tion.

Gvidaj funkciuloj ja ĉiam havas la taskon, raporti pri siaj agadoj al la pli supra ebeno. Tiel ankaŭ nia SdPK kaj tiu al GPK. Tiel okazis, ke ne daŭris longe kaj mi fariĝis membro de DPK kaj GPK. En GPK mi fariĝis membro de la pedagogia komisiono, en DPK estro de la internacia komisiono. En la pedagogia komisiono troviĝis altranga, tre simpatia kolegino, kiu ĉe ĉiu kunsido provokis min: „Nu, pacamiko Schödl, vi certe kunportis ion interesan, ĉu ne?" Memkompreneble estis tiel! Mi do povis montri kaj pledi sen mem trudi min. Dank' al la pedagogia komisiono mi estis invitita paroli ĉe la DPK de Dresden. Gazeto pozitive raportis pri tio sub la titolo ‚la tuta mondo en unu valizo'. Kiel estro de la internacia komisiono de DPK Potsdam mi lasis enketi en la tuta distrikto por trovi esperantistojn, kiuj estis en packonsilantaroj. E-o-organizo ja ankoraŭ ne ekzistis. Ĝenerale ĉe DPK-kunsidoj kaj foje ankaŭ ĉe konferenco de la Monda Packonsilantaro en Berlin en la jaro 1952 mi povis aranĝi ekspoziciojn. La afiŝoj el Ĉinio kaj aliaj landoj, la multaj aliaj atestaĵoj pri la mondvasta lukto por la paco ĉiam kaŭzis laŭdojn pri la amplekso kaj kvalito de la eksponaĵoj, sed ankaŭ la demandon ‚kiel'? Elstaraj sukcesoj estis, ke mi povis paroli – ekstra tagorda punkto! – ĉe konferenco distrikta de ĉiuj subdistriktaj lernejaj inspektoroj, alian fojon – sen tempolimo! – okaze de plukleriga staĝo por lernejaj direktoroj.

Mi, kaj baldaŭ kun mi nia veterano kaj spertulo Karl Maier el Berlin, ofte estis gastoj ĉe la sekretariejo de GPK kaj de ministrejo por popola klerigo. Sekve GPK helpis eldoni la unuan GDR-numeron de PACO kaj financis tion, dissendis informojn en E-o pri certaj porpacaj kampanjoj kaj komisiis min en la jaro 1959 elekti kaj gvidi dekmembran delegitaron por kaj al la 44-a UK, Varsovio. En Varsovio, same kiel 1963 en Sofio kaj 1966 en Budapeŝto ni kontaktis kun la kulturataŝeoj de niaj ambasadoj kaj niaj kaj iliaj ampleksaj raportoj hejme certe ankaŭ decide kontribuis fine al verda lumo por fondo de GDRa E-o-asocio en januaro 1965. Nia lerneja grupo same en 1965 konstituiĝis nun kiel parto de Kulturligo, unu jaron poste, post nia unua publika E-o-kurso ĉeestis nian feston de E-o ĉ. 60 malnovaj kaj novaj esperantistoj.

En somero 1952 GPK premiis min per trisemajna vojaĝo al Bulgario. Tio ne nur estis tre agrablaj ferioj, sed ankaŭ rimarkinda rilate al E-o. Tiam ankaŭ en Bulgario la E-o-movado baraktis kontraŭ misaj juĝoj. Tamen mi renkontis Asen Grigorov, kaj ni tuj amikiĝis. A. G. ne nur estis konata al esperantistoj, sed ĝuis altan reputacion en Bulgario kiel marksisto kaj verkisto. Baldaŭ post nia renkontiĝo E-o reviviĝis en Bulgario kaj aperis NUNTEMPA BULGARIO. A. G. estis ĝia ĉefa redaktoro kaj ĉefa motoro. Mi fariĝis peranto por NB en GDR. Kolektante abonantojn mi samtempe tiel kolektis adresojn de Esperantistoj, ĉ. 800 en ĝia kulmino. Same mi peris la vendadon de „La Bofilino" fare de Karaslavov kaj „Sub la Jugo" fare de Vazov[2]). Tiuj bonegaj libroj kaj NB estis bonvenaj legaĵoj.

Post iom pli ol dekjara fruktedona aktiveco en GPK tiu ĉi ŝanĝis sian strukturon. Restis nur la centra konsilantaro kun ne pli tiom da membroj, tute ne plu daŭris aktivadoj sur distriktaj kaj subdistriktaj ebenoj. Mi do ne plu povis apogi min sur salajrata funkciularo, kiu organizis kaj kunvenojn kaj veturadojn tien. Kio restis estis nia lerneja grupo, kiu nun funkciis kiel E-o grupo, sed apenaŭ ŝanĝis sian karakteron. Tiam ni ankaŭ povis gastigi Helga Wiendl, filino de niaj fervoraj svedaj aktivistoj Rosa Wiendl kaj Karl Kvist. Tio vekis grandan intereson en nia urbeto. Helga restis du monatojn, vizitis nian lernejon kaj restis dum parto de niaj ferioj. Aperis en nia loka gazeto artikolo ‚sveda knabino en Neuruppin'.

Okazis jen kaj jen, ke ni per E-o kaj per niaj kontakteblecoj povis servi aliajn. Tiel ekzemple gek-doj Kavenius kaj ni kontaktigis la teatrojn de Turku, Finnlando kaj Rostock, GDR. Poste la teatron de Turku kaj nian faman verkiston Bertolt Brecht (Breĥt). Tio necesis por povi surscenigi ‚La Kaŭkazan Kretocirklon' en Finnlando. (La dankletero de B. B. apartenas al miaj karaj ‚trofeoj'.) K-do Kavenius ankaŭ tradukis multajn artikolojn, kiujn mi verkis por la grandaj gazetoj UUSI PÄIVÄ kaj TYÖKANSAN SANOMAT. Aliaj kunbatalantoj tradukis miajn artikolojn por la japanaj ĵurnaloj ‚ruĝa flago' kaj ‚Hokusai-ĵurnalo', Osaka, por la ĉinaj ‚lumo', Pekino, DA KON PAO, Ŝanhajo k.a. En Ŝanhajo aperas la frata organo de nia satira FRISCHER WIND[3]). Mi kontaktigis ilin, mi ne plu memoras, laŭ kies deziro – kaj dum certa tempo tradukis la korespondadon ĝis FRISCHER WIND ĝiris al mi honorarion – sen mia postulo – kaj informis min, ke ili nun povas senpere interŝanĝi siajn gazetojn kaj tekstojn.

Inter la elitaĵoj de mia valizo troviĝas bildstrio – unu bildstrio inter aliaj, kiujn sendis al ni nia japana amiko Hukunaga isao kun traduko en E-o, kiun ni memkompreneble tradukis germanen. El ĉiuj diapozitivaj strioj, kiujn mi iam vidis, ĝi certe estas la plej bona. Ĝi temas pri persona, familia tragedio pro la atombombo de Hiroŝimo. Fininte tiun prelegon la spektintoj ankoraŭ longan tempon sidas silentaj pro emocio. Kaj jen amara sperto: Foje mi parolis pri tio en la internacia fako de GPK. La fakestro fiere diris, ke ili ankaŭ jam ricevis tiajn bildstriojn. Mi demandis, kiel ili uzas tiujn. Jen la respondo: La tradukado el la japana per Interteksto – profesia tradukservo – estas multe da trokosta. Ili do el la strioj prenis diversajn bildojn kaj iel uzis ilin. Mi nur pensis pri nia proverbo ‚ĵeti perlojn antaŭ la porkojn'. Aliflanke mi ree konsciiĝis pri la valoro de E-o kaj vi certe konsentas, ĉu?

Ofte la informoj de niaj eksterlandaj amikoj pri la milito en Koreio, pri la eventoj en Ĉinio, pri la klasbataloj en Japanio, pri la kruela agreso de Usono kontraŭ Vjetnamio kaj multe da aliaj postulis tradukon por niaj gazetoj. Necesis bone elekti la artikolojn, kiuj konvenis por nia loka, por nia distrikta aŭ eĉ por NEUES DEUTSCHLAND, nia ĉefa gazeto. Pasis tiu tempo. Hodiaŭ nia presagentejo ADN havas siajn raportistojn en la tuta mondo kaj niaj ĵurnaloj ne ŝatas aliajn fontojn. Ili ja devas povi garantii la verecon. Tiam mi foje devis lukti por aperigi gravan artikolon en ND, sed la distrikta buroo de ADN (Potsdam) rajtigis min kiam ajn uzi R-telefonadon[4]) por dikti artikolojn.

Nun mi volas ĉesi memori pri pasintaj tempoj. Ne jam pasis la danĝero de milito kaj aliaj plagoj. Ni turnu nin al la taskoj de hodiaŭ!

[1]) GPK, DPK, SdPK, LPK = Germana, Distrikta, Subdistrikta, Lerneja Packonsilantaroj

[2]) Ili estis eldonitaj en Bulgario.

[3]) Nun EULENSPIEGEL

[4]) R-telefonadon pagas la altelefonito

# Maro da Kantoj

**Februaro en Berlin: en la urbo anonciĝas io, kio ĉiujare altiras milojn da junuloj – la Festivalo de la Politika Kanto.**

Antaŭ 19 jaroj ĝi ekis en Berlin. Blovis la ventoj de la 68a, hipiaj sonoj, folkroko[1], la nova politika realo en Berlin kaj la strebo de la Berlina FDJ[2] fari ion nekutiman. 1970 – nur tiam GDR ekakceptiĝis diplomatie de la plej multaj landoj, kaj internaciaj muzikistoj estis preskaŭ pli raraj ol blujinzoj. En tiu epoko troveblas la lulilo festivala. Depost 1973 ĝi ricevis fortajn impulsojn de ĉiliaj ekzilitoj en Berlin, kaj la influo al la GDR-a muziko jam estas apenaŭ mezurebla. Komencite en kluba formo ĝi intertempe atingis tute aliajn dimensiojn: pli ol 40 solistoj kaj grupoj prezentiĝas en la plej diversaj koncertoj.

Festivalo signifas tumulton kaj haston, ĉiujare kun kara reguleco. Festivalo, la „Polfest"[3] – estas kultureto: insignoj, sceno, plakatoj, biletkasaj vicegoj, dorsosakuloj, diskoj, simboloj, amikecoj kaj anekdotoj, la konstante kuranta klaĉo k.t.p. Kiaj paraleloj . . .

Antaŭ la 20a Festivalo staras multaj demandoj, ĉefe pri ĝia estonto. Ĉu Polfest estas „farita" aŭ ĉu „iĝinta"? Kaj tio kaj tio ĉi. Sed ke ĝi ne nur estas farita, tion komprenos, kiu foje vizitis unu el la grandaj koncertoj kaj travivis la unikan etoson, aŭ kiu ekkonis unu el la ĉ. 300 volontuloj, kiuj ĉiujare tiom abele laboras gaje kaj kun bluringaj okuloj, kiel ĝuste nur februare. Kelkaj de ili venas de foraj regionoj, de la Balta Maro ĝis la ĉeĥa limo.

En la 70aj kaj 80aj jaroj oni sukcese evitis sakstratiĝon per muzikforma plivariiĝo: nun al la vizitantoj prezentiĝas bunta miksaĵo el pankgrupoj[4], folkloristoj, etnorokgrupoj, kanzonistoj kaj multaj aliaj. En tiu specifa formo ĝi estiĝis la plej granda tia festivalo en Eŭropo kaj eble en la mondo. Sur la sukcesa vojo aperis novaj problemoj, kreskanta komerciĝo, agentiĝo, kaj la ĉeesto ĉiama de la amaskomunikiloj, la aroga konduto de la televido, ĉio tio malhelpas la origine celitan ideon de Polfest. Ekde kelkaj jaroj la koncertado de internaciaj rokgrupoj estiĝis normaleco kaj la Festivalo perdis sian pioniran rolon. La koncerto de Bruce Springsteen en Berlin/GDR antaŭ 160 000 homoj estis la plej granda rokkoncerto en la historio de Eŭropo.

Tial por la nuna memkompreno de Polfest ŝajnas al mi ĉefa la rekonsciigo, ke ĝi ne estas popoleca amasnutrado, sed kontrasto al ĝi. La celo ne povas esti giganteco, sed kvalito. La Polfest-publiko, kvankam ĝi nombriĝas je dekmiloj, estis kaj estas minoritato.

Por ni Esperantistoj estis alloge partopreni Polfest, kaj en la 19a ni unuafoje ĉeestis per budo venda kaj informa. En 1990 ni volas ripeti la projekton, ĉar la ideo sukcesis. Antaŭ la 20a la amikaro festivala unuanimas, ke ĝi daŭrigu kun pli da GDRa senpero kaj en plej foruma, komuneca, metia – do festivala – karaktero.

Dum la preparoj kaj post la koncertoj mi havis okazon paroli kun kelkaj tre interesaj muzikistoj – kaj notis ĉion por PACO.

## REVENINTE . . .
## Daniel Viglietti – Urugvajo

**Daniel, via nomo por multaj junuloj ĉi tie estas LA esenco por la Nova Urugvaja Kanto. Via vojo komenciĝis ĉe la klasika gitarludo. Kiel kaj kial vi venis al la politika kanto?**

Jam frue min tuŝis socialaj problemoj. Mi pensas, ke al mia tuta generacio havis gravan influon la kubaj eventoj – la revolucio kaj Playa Girón. Post la spertoj de la 68a kaj la diktaturo mi kredas, ke tiam komenciĝis io, kio estas spirite grava por nova memkompreno arta-socia en Sudameriko. En Urugvajo cetere mi konis Doktoron Nicolas Grav, kiu dum sia junaĝo donis multajn impulsojn al la Esperanto-movado. Mi ne konas pli da detaloj pri Esperanto, sed mi pensas, ke ĝi kiel movado apoganta la ideojn de la komunikado subtenas niajn sentojn de libereco kaj egaleco.

**Vi konatiĝis en Eŭropo per „A Desalambrar", kantita ankaŭ de Victor Jara, Violetta Parra kaj aliaj – hodiaŭ preskaŭ klasikaĵo – ĉu ŝarĝo por vi aŭ ĉu plaĉo?**

Jes, mi verkis ĝin antaŭ kelkaj jaroj, proksimume dudek, kaj ankaŭ nun prezentis ĝin en Berlin. Por mi estas ĉiam honoro, kiam alia kantisto transprenas kanton de mi.

**Kaj kiel ĝenerale vi skizus vian muzikan koncepton?**

Miaj kantoj deflankigu la aŭskultantojn el stereotipaj konsumkutimoj. La muziko ĉefe atingas la homojn emocie, havas sian apartan frekvencon. Ĉin frontas malpli da defendinstiktoj kaj antaŭjuĝoj. Ĝi efikas pli spontanea kaj povas pli senpere pensigi homojn kaj meti politikajn koneksojn en pli kompreneblan lumon. Miaj kantoj tra la jaroj iom fajniĝis. Kvankam mia starpunkto estas strikte rekta, mi ne povas kanti senpaŭze kun alten tenita pugno. Krome estas metia problemo, ĉar estas malfacile gitarludi en tia pozicio.

**Post la fino de la diktaturo vi povis reveni el longa Pariza ekzilo, vi kantis kun aliaj progresemaj kantistoj por 30 000 homoj en la stadiono de Montevideo. La akcepto por la revenintaj ekzilaj artistoj estis grandioza, kiuj estas viaj nunaj planoj?**

En Urugvajo nun regas miksformo inter la malnova diktaturo kaj la hezite evoluanta demokratio. Mi emas nomi ĝin demokraturo. Signo por tio estas la preparita amnestia leĝo, kiu sekurigu la kulpulojn de la diktatura tempo kontraŭ jura puno. Sed sen jura puno, sen publika proceso ne povas naskiĝi demokratio, ĉar la radikoj malŝanĝite plu ekzistos. Mia tuta strebo estas parto de vasta movado, kiu celas venkon kontraŭ tiu plano kaj la ĉikanoj de la instancoj. Mi mem spertis la karcerojn de la faŝistoj. Pri tio mi verkis kanton iom sarkasman: „Kun la kapo subakvigita la mondo aspektas aliel." Mi volas fari ion por la vere multaj junaj talentaj kantistoj en Urugvajo, reale bezonantaj subtenon. Mi ne plu pretendas esti juna, kaj se mi

vidas la partoprenantojn de la Festivalo, mi devas diri, ke la aĝa averaĝo ankaŭ estas sufiĉe alta.

## FAMILIE . . .
## Tom Sands nome de la grupo SAND'S FAMILY – Ejro

**Tom, kiaj estas viaj impresoj pri la festivalo?**

Estas tro multe da aferoj kaj tro malmulte da tempo. Mi ŝatus resti plusajn ses semajnojn por percepti ĉion. Dum tiu ĉi semajno mia kapo preskaŭ krevas pro tiom da ideoj, novaj inspiroj, la vespero en la „Domo Junulara", babilado kun la homoj post la koncertoj . . . por ni estas vere granda festivalo, ĉar kiel kanzonverkantoj ni ĉiam sekvas kaj serĉas por proksimi al la publiko. Kiam ni venis ĉi tien la unuan fojon en 1974, estis la unua eblo kontakti tiom da diversaj kulturoj, muzikoj kaj problemoj.

**Kaj se vi komparas la festivalon de antaŭ 14 jaroj kaj nun . . .?**

Mi pensas, ĉefe ĝi konservis ĝian forton kaj karakteron. Ial apenaŭ okazas ŝanĝiĝo al tutmondaj temoj kaj ideoj, de trakto de nur land-specifaj problemoj al ilia interdependeco. Mi pensas, ke la rezultoj de la kontraktoj inter Gorbaĉov kaj Reagen ne estis tiel reflektitaj kiel mi estis pensinta. Tio, kion Gorbaĉov faras, multe efikas en okcidentujo. Mi ne povas juĝi la situacion en Orientujo, sed ĉe ni ĝi lanĉis novan situacion tian, ke homoj ekvidas kun ŝanĝita vido la proverban oldan amikon. Temas pri homoj, kiuj neniam aparte interesiĝis politike kaj nun estas impresataj studante la gazetojn. Por la ordinaraj homoj tio estas tre grava proceso, ne ĉefe pro iu nombro, kiom da raketoj estos eliminotaj, sed ja pro la dokumento kiel fakto, kiu estas definitiva paŝo. Kaj tio ne reflektiĝis tiel en la festivalo kiel mi estis pensinta. Sed tamen estas ege grava kio okazas ĉi tie, homoj kunvenas el variaj medioj kreante senton de solidareco, sed ankaŭ lernante unu de la alia. Laŭ nia opinio estas grandioza festivalo.

**Kiam mi prezentis min kiel esperantisto, mi vidis rideton en viaj okuloj . . .**

Jes, la nokton, antaŭ mia veno al Berlin mi koncertis en Belfast por grupo da homoj okupiĝantaj pri medioprotektado, kaj mi prezentis nian kanton „There's a song in every land". Kaj kiam mi diras medio, mi inkluzivas la problemojn de la nukleaj armiloj kaj katastrofojn kaj ĉion tian. Do – post la koncerto unu el ili venis al mi. „Sekvan fojon", ŝi diris, „kiam ajn vi kantas tiun kanton – kantu ĝin en la lingvo de la paco!" Mi ne tuj komprenis, pri kiu temis. Kaj ŝi diris: „En Esperanto!" Maire Mullarney ŝi nomiĝas. Ŝi estas brava virino. Sincere dirite – mi ne donas al la movado multe da ŝancoj akiri pli altan staton ol esti pridiskutata. Laŭ mia opinio ĉiu lingvo povas esti paca, sed la problemo ekzistas. Esperanto iom estas kiel muzikanto, kiu komunikigas homojn kaj rompas barojn.

**Kiun impreson pri GDR vi portas hejmen?**

Kelkaj jam konas nin, ĉar intertempe aperis du diskoj en GDR kun nia muziko. La vivo ĉi tie estas tre malsama al nia. Multaj junuloj ĉe ni staradas senlabore sur la strato, kaj tio kreas problemojn. Ofte ili kliniĝas al danĝeraj tendencoj. Pri tiu infekto kaj la krimo mi verkis kanton: „Children of the dole". Kiam mi renkontas ĉi tie la homojn sur la strato, mi vidas senton esti dezirata en la socio. Parolante kun aliaj mi ĉiam sentas tiun vivsenton.

Ankaŭ Berlin tre plaĉis al mi. Antaŭ du jaroj usona amiko kondukis min al Orlando, al Disney World. Ni vizitis la „Urbon de la estonto". Kien ajn ni venis, ni devis parki la aŭton ekster la urbo kaj uzi la publikan transporton, kiu estas fakte senkosta. „Grandioze, ĉu?" diris mia amiko, „ĉu vi jam havis tian imagon?" Kaj mi diris: „Jes. En Berlin." Tie ne estas tiom da aŭtoj ŝtopantaj la straton, kaj vi povas uzi publikajn transportilojn tre malmultekoste. Ne tia streĉhoro akcidentiga kiu malpermesas spiri . . .

**Kaj la malbonaj flankoj?**

Oni inklinas ŝveligi multajn aferojn. Kaj ĉe ni la laboristo havas alian stimulon bone labori. Se mi iras en vendejon en Berlin kaj en ĝi estas tri vendistoj, ĉe ni mi ne devus postkuri ilin. En Okcidentujo vi estas pli instigata gajni monon. Sed viaj problemoj ne tiel tuŝas min.

**Kiuj estas viaj planoj por la proksima estonto?**

Mi havas multegajn. Ni povus reveni al la temo oriento-okcidento, kiu inkluziviĝas en tiu afero. Kie mi vivas, la plej multaj homoj havas nenian imagon pri la vivo ĉi tie. Ni vidis ankaŭ la tre progresajn signojn kiuj evidentiĝas. Ĉe ni oni ĉiam denove prezentas la prognozon de la „orienta danĝero" por pravigi

*Maria da Paz*



*Carlos Mejia Godoy*



pluan vetarmadon. Sed tiu mono venanta de miaj impostoj, estu pli utile investota al lernejoj kaj hospitaloj. En Septembro mi iros al Moskvo kaj tie preparos radioprogramon sendotan de Moskvo al Ejro. Ĝi montros vivflankojn nekonatajn al niaj homoj.
Tio nur estas unu afero planita, sed la FAMILIO plue kantos, ekz. prezentiĝos dum somera festivalo en Ejro, kaj mi faros kelkajn soloaferojn en Usono. Same mi preparas radioprogramon en Svedio. Sed mi ankaŭ revenos al GDR kaj muzikos kun Wacholder. Sed morgaŭ mi reiros al Ejro al la eta vilaĝo ĉe la maro, kie ni vivas. Bonvolu saluti de mi la junajn esperantistojn, kaj ĉion bonan por vi.

**Feliĉan hejmenvenon.**

## APLAŬDEGITE...

## Carlos Mejia Godoy – Nikaragvo

**Carlos, bonvolu skizi koncize vian grupon.**

Jes, iam ni estis kvin. La grupo kelkfoje ŝanĝiĝis. Mauricio Duarte, la frato de Enrique, estis unu el la respondeculoj de la „Frente" de la regiono Carazo kaj pafmortis la 10an de januaro 1975 dum batalo en Jinotepe. Poste ni agadis kun tri diversaj kamaradoj. Kelkaj venis kaj denove forlasis la grupon. Ni ankaŭ invitis aparte muzikistojn kiel Cesar Prado, kiu venis al ni kiel pianisto. Ne tiom ni ludis kun gravaj muzikistoj, sed kun apenaŭ konataj, pli aŭtentaj.

**Vi jam estas la trian fojon en Berlin, kiel vi taksas la festivalon kompare tra la jaroj?**

La sentebla etoso restis la sama, la solidareco, la konatiĝo de la diversaj grupoj unu kun la alia, kune spertiĝi, interŝanĝi ideojn, estas „ujo" de renkontiĝado. Kelkaj homoj pensas, ke aliaj festivaloj estis pli bonaj, sed mi vidas ŝanĝon.

**De kelkaj aŭdiĝas la opinio, ke pro via populariĝo vi pli forte komerciĝis?**

Mi kredas, ke eĉ male-ĝi malkreskis. Se vi faras stilon de muziko kun pli alta kvalito, estas pli malfacile merkatigi ĝin. Kiam mi estis kapabla bonvendiĝi, antaŭ kelkaj jaroj kiam mi okupis la unuan lokon de la furorlistoj en Madrid, sed ankaŭ en Venezuelo, Meksikio, mi ne „vendiĝis", ĉar mi ĉiam devis respondeci al la urĝaj bezonoj de la batalo de mia popolo. Nun mi faras muzikon, kiu estas pli eksperimenta, malpli minacata akomodiĝi al konsumproduktado. De 1976 ĝis 78 mi produktis diskojn ĉe CBS, sed poste mi denove apartiĝis pro politikaj kialoj.

**Kaj pro kiaj?**

Ĝi estas muziko pli komplika, disonanca, epokadekvata kaj ĉefe baziĝas sur la folkloraj radikoj. Sed jes, vi kritiku min. Mi ne bezonas, ke iu anstataŭe defendas min, merkatiĝo estas vera danĝero.

**Kion vi planas onte? Kiujn problemojn vi vidas?**

Mi ne kulturas privatajn problemojn, ilin mi solvas aŭ lasas hejme. Ni volas konservi niajn fortojn por solvi la kolektivajn problemojn, sociajn, por akiri la pacon.

**Mi dankas al vi por tiu intervjuo.**

## BRAZILE...

## Maria da Paz – Brazilo

**Ĉu vi koncize povus prezentiĝi?**

Mi naskiĝis/maturiĝis en la nordoriento de Brazilo, tre povra regiono. Sed kiom malriĉaj la homoj estas – la muziko firme apartenas al ilia ĉiutago. Multaj homoj faras muzikon kaj per tio gajnas sian vivtenon. Jam 15 jare mi kantis en grupo. Iam esti muzikistino – tio ankaŭ estis mia revo kaj tial mi iris al Sao Paolo, kiam mi 19 jarojn aĝis.

**Kiun muzikan edukon vi ricevis?**

Neniun. La gitaron mi lernis aŭtodidakte, kaj tra la jaroj mi pli kaj pli spertiĝis en diversaj grupoj.

**Apud ni persiste silentas via partnerino Jocelyne Aymon?**

Jes, sed ŝi same gravas, akompanas min perkute[5]. Antaŭ sep jaroj ni konatiĝis en Brazilo. Ŝi invitis min veni al Svislando por koncerti tie, kaj la projekto pludaŭris.

**Kiun lokon la festivalo havas en via agado kaj kiel vi taksas ĝin?**

Do, mi ne komprenas/perceptas min kiel ĝuste politika kantistino. Mi kantas pri ĉio, kio tuŝas mian vivon, pri Ĉilio, la elmigrado al la grandaj urboj, sociaj problemoj, kiel analfabetismo, akvodeficito, la amo...
La renkontiĝado kun la aliaj artistoj estas vere interesa por mi. Ĝi estas la lasta halto antaŭ ol produkti novan diskon, kaj poste mi turneos en Francio, Svislando kaj Brazilo.

**Ni dankas al vi kaj deziras al ni revidon en Berlin.**

*Intervjuis: Torsten Bendias*

**Klarigoj:**

1 – Speco de folkloreca rok-muziko
2 – Freie Deutsche Jugend (Germana Libera Junularo), la junulara organizaĵo en GDR
3 – germana mallongigo el: Politisches Festival (politika festivalo)
4 – el la angla (punk), ĉi tie speco de rokmuzik-grupoj
5 – t.e. sur ritmigaj akompanaj muzikiloj (= perkutilaro)

# Emile Javal

*1989 pasis 150 jaroj ekde la naskiĝo de la fama franca esperantisto kaj interlingvisto Emil Javal. Pro tio ni aperigas studon pri li, kiu aperis en „La Philatélie Française", n-ro 579 (januaro 1986).*

Kiu do estis Emilo Javal (Parizo 1839 ĝis 1907) franca oftalmologo kaj esperantisto? Lia patro, Leopoldo (Mulhaŭzo 1804–Parizo 1872), estas konata pro tio ke li sukcesigis la parizajn omnibusojn kaj la fervojojn de Alzaco. Deputito de departemento Yonne en 1857, 1963 kaj 1869, li estis unu el tiuj kiuj proklamis la Respublikon en septembro 1871 kaj li estis elektita ĉe la Nacia Asembleo.
Lia patrino estis edukita laŭ la kulto de la ideoj de J. J. Rousseau kaj ŝia guvernisto kutimigis ŝin neniam alpreni ideon sen ĝin plej detale ekzameni kaj sen esti rezone konvinkita, ke ĝi estas ekzakta (senantaŭjuĝa instruo de Kartezio).
La tifeca febro malhelpis lian studadon ĉe la Politeknika Lernejo kaj li finstudis kiel inĝeniero en la Minlernejo en 1862.
La sekvan jaron lia plej juna fratino, Sofia, suferas pro strabeco. Antaŭ la nesukceso de la plej kompetentaj specialistoj, en 1868, li prezentas tezon pri tiu okula kripleco: „Pri strabeco en ĝiaj aplikoj al la teorio de la vidkapablo". Pasiita por tiu scienco, li malkovras kaj inventas. La oftalmometro pli ordinare nomita „javalo" estas ankoraŭ nuntempe uzata. Je ĝia fondiĝo, en 1878, E. Javal estas nomita direktoro de la laboratorio pri oftalmologio ĉe Sorbono, tiel restos dum pli ol 20 jaroj kaj, en 1884, li estas akceptata kiel membro de la Akademio pri Medicino.
Liaj laboroj estas publikigitaj kaj aŭtoritatas: „Higieno de la elementaj lernejoj" (1881), „Rememoroj pri oftalmometrio" (1886), „Metodo por instruo de legado por skribo" (1893), „Fiziologio de la skribo" (1893), „Lernolibreto pri strabeco" (1896), „Inter blinduloj" (1905), „Fiziologio de la lego kaj de la skribo" (1905). Ĝenerala konsiliano de Yonne de 1871 ĝis 1889 kaj de 1895 ĝis 1901, li fariĝis deputito de la koncerna departemento de 1885 ĝis 1889.
62jaraĝa E. Javal mem blindiĝis kaj inventas skribtabuleton per kiu li povas skribi sed, kompreneble, li ne povas sin relegi. La principo estis jena: la kubuto estis sur apoggvidilo servanta kiel akso por la almovo de la antaŭbrako kaj, je ĉiu linioŝanĝo, dentostango levis je unu centrimetro la paperfolion sur la

tabuleto. Li prezentis sian inventaĵon ĉe la Akademio pri Medicino la 23an de aprilo 1901.
Humanisto kaj scienculo, E. Javal estis varma adepto de Esperanto, sed nur en 1903 li decidis ĝin ellerni. Malgraŭ liaj aĝo kaj handikapo li plene ellernis la lingvon.
Lia sekretariino, Maria Le Bihan, plenumis la rolon de la okuloj, kiuj mankas al li; Zamenhof ŝin nomis „sinjorino ‚vortarino'".
Javal sin ligis de forta amikeco kun Zamenhof kaj, kiam li trairis Parizon por veturi al Bulonjo-ĉe-Maro por la 1a Universala Kongreso de Esperanto (de la 5a ĝis la 13a de aŭgusto 1905), Javal gastigis la geedzojn Zamenhof kaj poste li ilin akompanis Bulonjon.
Pro ĉiuj liaj kapabloj Zamenhof proponis Javal inter la unuaj personoj antaŭviditaj por starigi la „Lingvan Komitaton" aprobitan de la kongreso de Bulonjo.
Post la kongreso Javal monhelpis la fondiĝon de la Esperantista Centra Oficejo en Parizo kaj li abunde korespondadis kun Zamenhof. Javal deziris, ke Esperanto ne havu supersignitajn literojn same kiel, siatempe, li proponis al la ministro pri Publika Instruado, ke ĉe la lernejo, la lernigita skribo estu rekta kaj ne klinita.
En 1905 (2a eldono en 1906) li dediĉas al Zamenhof sian lastan verkon „Fiziologio de la lego kaj de la skribo" jene: „Al Doktoro Zamenhof, mia kunfrato en oftalmologio, aŭtoro de la internacia helpa lingvo Esperanto, mi dediĉas tiun ĉi libron kiel ateston de admiro kaj estimo." En 1978 la koncerna fundamenta verko de Javal estis reeldonita per fota reprodukto de la origina eldono (1905) sed, strange, mankas la dediĉo kaj ĉiu aludo al Esperanto kaj al Zamenhof!
Zamenhof kaj Javal loĝis ĉe la sama hotelo dum la 2a Universala Kongreso de Esperanto en Ĝenevo (de la 27a de aŭgusto ĝis la 5a de septembro 1906). Estis ilia lasta renkonto.
En novembro 1906, du monatojn antaŭ sia morto, Javal tiel prezentis la E-eldonon de „Inter blinduloj", kiun lia bofilino, edzino de lia filo Johano, ankaŭ deputito de Yonne, tradukis. La koncerna letero finiĝis per mesaĝo al liaj kompatindaj samsortuloj: „Rilate al E mi volus ke la facileco, kun kiu mi sukcesis la ellernadon de ĝi, kuraĝigu iom miajn blindajn kunulojn."
La 20an de januaro 1907 mortis d-ro Emilo Javal kaj, laŭ sia volo, li estis cindrigita ĉe la tombejo Père Lachaise.
Dankon al d-ro André Albault (Tuluzo), prezidanto de la Akademio de Esperanto kaj oftalmologo pro tio ke li bonvolis plibonigi la ĉi-suprajn notojn. Dankon ankaŭ al Roberto Lloancy (Paŭo) pro liaj bibliografiaj informoj.
*Jean Amouroux*

Fritz Wollenberg

# Wilhelm Foerster – eminenta sciencisto kaj esperantisto

*„Ni estas fieraj pri tio,*
*ke ankaŭ vi estas pioniro*
*por la monda helplingvo*
*Esperanto . . ."*
*La Berlina grupero en 1912*[1]

La retrospektivo al la agado de eminentuloj el scienco kaj arto sin engaĝintaj por Esperanto evidente permesas aktualajn konkludojn malkaŝante la radikojn de ilia engaĝo – tiel speciale ĉe Wilhelm Foerster (1832–1921). En marto de 1988 la GDR-gazetaro estis plena de aprezoj pri tiu ĉi elstara astronomo kaj sciencorganizisto unuavice pro liaj sciencpropagandaj klopodoj.
Sub la influo de Alexander von Humboldt (1769–1859) Foerster jam en frua stadio de sia sciencista agado ekkonis la valoron de tiaj klopodoj por la popolklerigo. Humboldt – la granda naturesploristo – fondis per siaj famaj Kosmoprelegoj en la „Berliner Singakademie" (hodiaŭ Maxim-Gorki-Teatro) popularsciencajn tradiciojn efikajn ĝis hodiaŭ. La nekutimaj senkostaj prelegoj faritaj paralele al la universitataj prelegoj dumvintre 1827/28 atingis vastan publikon. Samtempulo raportis pri 800 homoj en unu aranĝo. Decide Humboldt kunagadis en la fondo de „Scienca Unuiĝo" en 1844, kiu ĉiusabate aranĝis natur- aŭ kultursciencan prelegon. En tiun unuiĝon Humboldt enkondukis la junan asistanton ĉe la Berlina Reĝa Observatorio (depost 1855) kaj privatan docenton ĉe la Filozofia Fakultato de la Berlina Universitato (depost 1858). En februaro de 1860 Foerster mem unuafoje prelegis en la „Berliner Singakademie" pri „La astronomio de la antikveco kaj de la mezepoko rilate al la pli nova evoluo". Ankoraŭ alia devigo al popularscienca agado por Foerster originis el iniciativo de Humboldt. Laŭ ties propono estis finkonstruita en 1835 la observatorio en Berlin, kiun Foerster poste gvidis dum preskaŭ 40 jaroj kiel direktoro (1865 ĝis 1904). Unu mandato de la observatorio estis „ĉiumonate je ĉirkaŭ du vesperoj servi al la publiko por klerigo kaj instigo".[2] La de Humboldt komencitan tradicion Foerster entuziasme kaj sagace plurealigis. Travivis li ja en infaneco kaj junaĝo kontraŭe al la edukado en la lernejo hejme spirite akcepteman atmosferon rilate al teknika progreso. Rerigardinte al la infanaj jaroj en Grünberg (hodiaŭ Zielona Góra, PR Pollando) Foerster rememoris plue pri la engaĝo de la patro por pli kvalita instruado en la urba lernejo surbaze de ideoj de Pestalozzi kaj Diesterweg. Nun, post studado de matematiko kaj astronomio en Berlin (1850–1852) kaj Bonn (1852 ĝis 1854) finita per doktoriĝo, estiĝis principo de la laboro de Foerster ligi la sciencan, sciencorganizan kaj sciencpropagandan agadon. Kulmino de tio estis la fondo de la Berlina societo Urania la 3-an de marto 1888. Li en 1887 kontaktiĝis kun la astronomo Max Wilhelm Meyer (1853–1910), kiu en Vieno jam okupiĝis pri la prezento de sciencaĵoj sur la scenejo. Meyer estiĝis direktoro de la societo en Berlin. Foerster sukcesis interesigi ankaŭ sagacajn industriistojn kiel Werner von Siemens por la projekto. Iliaj motivoj por la subteno memkompreneble diferencis de tiuj de Foerster kaj Meyer. La Urania-konstruaĵo en Invalidenstrato poste (1896) en Taubenstrato estiĝis magneto en la publika vivo de Berlin. La observatorio kun kupolo kaj apude teraso por libera observado plenumis plej modernajn postulojn. En la fizika sekcio la vizitantoj mem povis eksperimenti. Unike tio estis siatempe. En la mikroskopa sekcio estis rigardebla la mikrokosmo. Tamen la atrakcio de la entrepreno estis la scienca teatro, kiun la Berlinanoj kun aplaŭdo akceptis. Foerster diversmaniere plusubtenis la prosperantan entreprenon ankaŭ per kontribuoj en ĝia jurnalo „Himmel und Erde" (Ĉielo kaj Tero). Lia ideo prezenti al la publiko la plej novajn rezultojn de scienca esplorado efektiviĝis en la ora tempo de la societo nomita laŭ la muzo de la astronomio (1899–1909) per prelegoj de kelkaj nobelpremiitoj ekzemple E. Fischer (Nobelpremio 1902), S. Arrhenius (1903), E. Buchner (1907) kaj I. I. Metschnikow (1908).[3] Foerster ne nur pro la publika sciencpropagando diferencis de multaj siaj universitataj kolegoj sed krome pro la favorigo de la kleriga strebado de la laboristoj. Kelkfoje Foerster kritikis la politikon de la tiutempa imperiestra Germanio kontraŭ la socialdemokratio. En sia skribaĵo „Spirita libereco kaj bonmoreco" (en 1878 anonime eldonita) li argumentis kontraŭ la „Socialista leĝo" – leĝo, kiu jure pravigis la persekuton de la socialdemokratoj.[4] Cetere tiu ĉi partio poste en 1886 estis la sola, kiu en la Regna Parlamento subtenis lian planon de la fondo de fizika-teknika regna institucio. En liaj memoraĵoj li memorigis pri prelegoj en socialdemokratiaj kunvenoj kaj skribis „pri certa rekono, kiun mi ne ri-

fuzis al la pli idealaj elementoj de tiu ĉi movado".[5] Lia filo Friedrich Wilhelm Foerster (1869–1966) en 1895 eĉ estis kondamnita al fortikaĵa aresto pro majesta ofendo. Li en artikolo estis kritikinta paroladon de la imperiestro Wilhelm II. pro la enhavantaj „severoj kontraŭ la socialdemokratio" postulante komprenon por la laborista partio kaj ĝiaj celoj en rondoj de la burĝaro.[6] Demokratan engaĝon Foerster ankaŭ pruvis kiel rektoro de la Berlina Universitato en 1891/92, kiam li klopodis limigi la influon de la studentaj korpusoj kaj organizi balotojn de reprezentantoj de la studentaro por partoprenigi ilin en la gvidado de la universitata vivo.[7] Nemirinde estis, ke Foerster kunagante en kelkaj internaciaj sciencaj entreprenoj atentiĝis pri la internacilingva ideo kaj la fenomeno de evoluanta internacia planlingvo Esperanto propagandata kaj aplikata de nacie kaj internacie sin organizanta movado. Gravaj impulsoj depost fine de la 19-a jarcento eliris de francaj sciencistoj allogante sciencistojn ankaŭ en aliaj landoj. La ideo uzi Esperanton kiel efektiva rimedo de internacia komunikado kaj kiel lingvo de scienco ankaŭ en Germanio trovis adeptojn. Wilhelm Ostwald (1853–1932), la mondkonata kemiisto, sciencteoriulo kaj sciencorganizisto, depost 1901 subtenis la internacilingvan ideon per artikoloj kaj prelegoj.[8] Adolf Schmidt (1860–1944), la eminenta geofizikisto, kiu depost 1902 estis estro de la Magneta Observatorio de la Meteologia Instituto en Potsdam, kunfondis en Berlin en 1903 la Esperanto-grupon kaj fariĝis ĝia prezidanto.[9] Foerster estis menciata jam en 1904 de Zamenhof en la artikolo „Esperanto: Nova Internacia Lingvo" kiel unu de tiuj personoj, sub kies patroneco estas eldonata jurnalo en Esperanto „speciale dediĉita al sciencaj aferoj".[10] Same kiel Ostwald, Foerster aliĝis al la Delegacio por alpreno de Lingvo Internacia, kies Honora Prezidanto li poste fariĝis. La Delegacio estis fondita en 1900 de la francaj profesoroj Leau kaj Couturat. Ĉin aliĝis pli ol 300 societoj kaj pli ol 1000 sciencistoj. Post kiam la Internacia Asocio de l'Akademioj deklaris sin nekompetenta decidi pri la internacilingva problemo, estis elektita komitato, kiu post 18 kunsidoj decidis principe alpreni Esperanton kondiĉe iaj modifoj efektivigotaj de l'Konstanta Komisiono en la direkto difinita per la konkludoj de l'raporto de la sekretarioj kaj per la projekto Ido. Tiun ĉi reformprojekton Ostwald post malsukceso de interkonsentiĝo inter la de li mem prezidata Konstanta Komisiono kaj la Lingva Komitato de la esperantistoj fervore propagandis.[11] Foerster restis fidela al Esperanto. En publika letero li klarigis sian decidon fordoni la honoran prezidantecon kaj eksiĝi el la Komitato: „anstataŭ en konsidero de tiu komprenebla rezisteco de la tiel entuziasma movado, konsenti al tio, ke oni klopodu enkonduki la reformojn iom post iom, la komisio, preterpasante la taskon donitan al ĝi de la komitato kaj kontraŭ la volo de eminentaj membroj de l'komitato, alprenis rilate al la estraro de la esperantista movado kritikeme superan sintenadon kaj provis disvastigi mem reformitan kaj eĉ laŭ ekstera aspekto esence ŝanĝitan lingvon, kiun oni laŭvice nomis ‚Ido', ‚Ilo', ‚Reform-Esperanto', ‚Esperanto simpligita' ktp.... Tia agadmaniero instigis min, ne nur fordoni la honoran prezidantecon, sed ankaŭ eksiĝi el la Komitato, ĉar en tiuj procedoj mankas, laŭ mi, ĉiu sociala saĝeco, kaj mi trovas ilin nur taŭ-


Foto: Zentralbild

gaj por krei konfuzon kaj meti en danĝero la progresojn atingitajn post jardekoj da longaj laboroj."[12] Foerster fidis al la movado kaj plue subtenis sciencistajn jurnalon kaj organizon. Kiel antaŭe Adolf Schmidt kaj aliaj famaj sciencistoj, li en 1912 fariĝis prezidanto de la Internacia Scienca Asocio Esperantista (ISAE), kiu fondita en 1906 alcelis la aplikon de Esperanto en sciencaj kaj teknikaj rondoj.[13] Unu de la multaj aferoj, por kiuj Foerster sin engaĝis, estis la reformo de la kalendaro kaj de kalkulado. La nuntempa sciencisto Hans-Joachim Felber karakterizis la batalon de Foerster por la paskoreformo per la vortoj: „Superrigardante hodiaŭ la kun tiel granda energio kaj kun neniam laciĝanta optimismo gviditaj entreprenoj de Foerster, oni devas agnoski, ke ĝis nun neniu astronomo kontaktiĝis tiel intime kun la plej diversaj ekstereklezia kaj ekleziaj publikaj instancoj kaj personuloj."[14] Foerster mem rilate al Esperanto supozis, ke „..., oni devus komenci per la plej simplaj, facilaj kaj por ĉiuj evidentaj komunaĵoj de laboro kaj de interrilatoj, nome per la kalkulado kaj la nombroformoj, poste per la divido kaj kalkulo de l'tempo. Elirante de tio, oni transiros al la terminaro de la plej ordinara tekniko kaj iom post iom al tiuj fakoj de la industrio, tekniko kaj scienco, en kiuj la nacieco de lingvoj ludas nenian rolon, sed por kiuj unueca komprenigo havas grandan socian kaj ekonomian gravecon." Li opiniis, ke „elirante de la kalkulaj kaj kalendaraj aferoj kaj iom post iom ĉiam pli efike enpenetrante en teknikon kaj sciencon la uzado de universalaj lingvaj komunikadoj suprenkreskos pli certe ol per iu ekstazo pro komuneco de absoluta uniformeco".[15] Foerster propagandis siajn ideojn en ĵurnalo same kiel ĉe gvidantoj de la internacia Esperanto-movado – tiel okaze de vizito ĉe Esperantista Centra Oficejo en Parizo en oktobro 1912[16] – kaj en kunveno de esperantistaro – en la Berlina grupáro en decembro 1912.[17] Kiam Adolf Schmidt – intertempe ankaŭ profesoro ĉe la Berlina Universitato (depost 1907) – dum oficiala soleno en la urba domo de Berlin gratulis al Foerster okaze de ties 80-a naskiĝdatreveno la 16-an de decembro 1912 nome de la Internacia Scienca Asocio Esperantista, kies prezidanto Foerster tiutempe estis, li ne nur elstarigis la eksterordinarajn sciencajn laborrezultojn, la efikojn de lia agado por Berlin – ekzemple la enkondukon de la normalhorloĝoj – la popularsciencan agadon, la laboron por Esperanto, li ankaŭ entuziasme parolis pri la „nobla karaktero, sekvanta ĉiam la plej altajn idealojn" kaj pri la „nobla, kuraĝa kaj senlaca pioniro de ĉiuj etikaj kaj science humanaj celadoj".[18] Videbliĝas, ke similaj ideologiaj trajtoj ligis ambaŭ sciencistojn kiel unu radiko de ilia engaĝo por Esperanto. Ne nur la celoj, pli efike aranĝi la internacian komunikadon kaj speciale la internacian kunlaboron de la sciencistoj, ne nur la klopodoj por popolklerigo sen privilegioj – karakteriza trajto ankaŭ de Zamenhofaj klopodoj,[19] la agado por paco kaj kompreniĝo inter la popoloj kontraŭ ŝovinismo kaj militarismo ligis ambaŭ kun la Esperanto-movado. Adolf Schmidt jam en 1896 en Gotha kunfondis la lokgrupon de la Germana Pacsocieto, en 1898 li estiĝis esperantisto.[20] Wilhelm Foerster en Berlin estis prezidanto de la lokgrupo de Germana Pacsocieto.[21] Li kiel sciencisto kultivis multspecajn internaciajn kontaktojn. Ĉiartikole ne estas skizebla lia multflanka sciencista agado, sed estas montrebla la spirito de lia agado citante el liaj memoraĵoj pri la agado tuj post la Germana-Franca Milito 1870/71. Tiam li kunpreparis la Konvencion pri la Metro kontraktita en Parizo en 1875. Foerster decide influis la internacian organizadon de la mezuriloj kaj peziloj kaj poste apartenis al la Internacia Komitato pri Mezuriloj kaj Peziloj, kies prezidanto li fariĝis en

1891. Rilate al la kunsidoj en Parizo dum printempo kaj aŭtuno de 1872 Foerster raportas pri kunagado kun franca kolego, kun kiu li harmoniis en „kondamno de ĉia nacia pasio kaj aroganteco",[22] kaj pri „ŝovinisma energio" de alia, kiun li karakterizis miopeca.[23] Pri la rilatoj al germanaj eminentuloj li rememoris havinte „tre proksimajn enrigardojn en la agadon de la gvidantaj viroj, memkompreneble sen voli praktiki iun influon de alia maniero ol en la senco de la progresiĝo de ĉiuj internaciaj pensmanieroj kaj organizajoj".[24] Li tiutempe – tio estis rimarkinda konduto – sin turnis kontraŭ „vizioj pri konkeroj" ekzemple rilate la regionon Elsaß, ĉar tiu „. . . signifus daŭran malfeliĉegon por Eŭropo".[25] Tamen tiu regiono estis aligita al la Germana Regno fondita en 1871. La antaŭvido de Foerster veriĝis. La anekso estiĝis ĝermo de novaj konfliktoj en la Unua Mondmilito. Kiu ne komparante la spiriton de la agado de Foerster kun tiu de Zamenhof malkovras paralelojn? Karakterize por tiuj paraleloj ankaŭ estas, ke Foerster same kiel Zamenhof atentis pri la Kongreso de Rasoj en 1911.[26] Ambaŭ ekkonis la gravecon de la laboristaro kiel socia forto. Foerster elstarigis ĝian eminentan rolon skribinte: „Sed la laboristoj, kiuj nun jam prezentas la plej kompreneman kaj progresigan elementon por la internaciaj evoluoj, . . ."[27] Zamenhof kiel Foerster kontaktiĝis kun socialdemokratiaj fortoj, konsciiĝis pri demokrataj tradicioj de la laborista klaso kaj pri komunaj celoj.[28] Tamen ambaŭ rigardis solveblaj la sociajn problemojn per edukado. Foerster sin engaĝis en la etika movado kaj simile al Zamenhof fidis al la morala forto de la homo. Li fidis al la „pli alta kaj pli subtila reciproka dependeco inter la komunaj daŭraj potencoj de la anima vivo, en unuiĝo de la scienco de l'vero kaj justo, kun la nobla religia kulto de l'bono kaj belo". Iom mistike kiel ĉe Zamenhof![29] Sed kiel li, Foerster sin turnis kontraŭ militarismaj rondoj. Kiam Foerster en 1912 en artikolo en Germana Esperantisto faris tion, li konstatis kongruon de sia koncepto kun tiu de la Esperanto-movado. Li plue karakterizis la laboristaron kiel plej progresigan elementon kaj provis direkti la atenton de militistoj kaj kapitalistoj al „novaj horizontoj por vere humana agado". Li indikis tiucele pri la grandaj taskoj de la homaro ekzemple la esploro kaj regado de la naturfortoj. Lia apelo al racio kaj moralo ne atingis tiujn fortojn, kiuj jam preparis la Unuan Mondmiliton. Pri la tiutempa Esperanto-movado Foerster skribis, ke same kiel pacifistaj societoj „. . . agos la altsignifa movado, kiu celas la disvastigon de universala helpa lingvo, kunigante ĝin kun la fidela zorgo de l'homaro por la konservado de sia netaksebla kultura trezoro, kiu precipe dependas de la diverseco de la naciaj lingvoj kaj de popolaj literaturoj".[30] La eksplodo de la Unua Mondmilito kaŭzis konsterniĝon ĉe la fortoj de la burĝa pacmovado, kiuj pritaksis evitebla la militon. Alia esperantisto kaj pacifisto bone konata Alfred Hermann Fried (1864–1921) tiamaniere esprimis siajn sentojn: „La mondo por mi ricevis tute alian enhavon. Ne plu estas la sama mondo kiel antaŭe, kiel antaŭ dekkvar tagoj . . . Mi ja jam vidas la venontan, ĉion, la mizeron de la en irado estanta milito kaj de ĝia senfino transironta unu jaron. Tio korodas min. Ni tro frue jubilis. Se mi nun tralegas mian artikolon ‚La subigo de la Balkan-konflikto' en la ‚Friedens-Warte' 1913 (p. 161), tiam mi sentas, ke mi tamen supertaksis la pacfortojn, kies triumfon mi vidis . . . Terura kolizio, pri kiu antaŭ dekkvar tagoj neniu homo pensis (kelkaj eble ekskluzivitaj!). Tio estas la horora en tio, tiu ĉi subiteco, tiu ĉi surpriza kapto."[31] Wilhelm Foerster ankoraŭ en decembro 1913 deklaris, „ke ni nun en la kulmino de ĉiuj militpreparoj des pli kredas pri la efektivigo de la komenco de komuna, tio signifas de eminente paca administrado de la tero, ĉar milito inter la grandaj kulturpopoloj sub la nunaj kondiĉoj de ekzistado kaj bonmoro limus tiel proksime la frenezon, ke ĝi apenaŭ komencita jam estos finita".[32] Nun komence de la milito Foerster en unua konfuziĝo metis sian subskribon sub la ŝovinisma „Alvoko al la kultura mondo", kiu aprezis la germanan militarismon kiel savanton de la kulturo kaj la germanan imperiestron kiel „Protektanton de la mondpaco"[33], sed same kiel Max Planck kaj aliaj profesoroj poste distanciĝis de tiu ĉi pamfleto. La filo de Foerster – tiutempe profesoro ĉe la universitato en München – estis unu de tiuj kvar kuraĝaj sciencistoj, kiuj subskribis kontraŭan „Alvokon al la Eŭropanoj". Lin ofte, eĉ en scienca literaturo, oni erare intersanĝas kun la patro pro la sameco de la nomoj. La filo nur por ne esti prenata por la patro uzis la nomon Friedrich Wilhelm Foester en sia publicista agado.[34] Li pro sia kuraĝa ago perdis la instruoficon, estis arestita kelktempe kaj fine en 1918 devis fuĝi en la neŭtralan eksterlandon.[35] Ankaŭ li sin engaĝis por Esperanto.[36] Romain Rolland, la tiutempe jam internacie konata franca verkisto, en sia „Taglibro de la militjaroj" ankaŭ priskribis siajn kontaktojn kun multaj reprezentantoj de la burĝa pacmovado en diversaj landoj. Liaj noticoj evidentigas ankaŭ diferencojn, diversajn tendencojn. Li notis: „El ĉiuj germanaj intelektuloj F. W. Foerster la pli juna (la filo de la granda scienculo) estas tiu ĉi, kiu min impresas plej multe pro sia spirita sendependeco,"[37] komparis la filon de Foerster pro lia sorto kun si mem: „Profesoro Fr. W. Foerster spertas en Germanio kvazaŭ la saman kiel mi en Francio. La Filozofia Fakultato de la Universitato München, ĉe kiu li estas profesoro, publikigis . . . solenan deklaron, por unuanime kondamni lian belan artikolon antaŭnelonge publikigita en la ‚Friedens-warte' (1-a de januaro 1916) . . ."[38] kaj tamen kritikis „abstraktan kaj dogmeman intelektulismon" kaj „religian senton, kiu preskaŭ volonte akceptas la suferojn de la mondo, . . .".[39] La patron Wilhelm Foerster Rolland alkalkulis al la „spirito de la malnova, laŭjure pensanta kaj humana Germanio", sed tamen distanciĝis de ties opinio „rilate al la demando de la subpremataj naciecoj" eksplikante, ke Foerster kontestas la rajton de popoloj je memdecido en la nomo de la bonfarto de la homaro.[40] Foerster, kiu depost 1912 ne plu estis prezidanto de la Urania, devis travivi, ke la direkcio kaj la kunlaborantoj de tiu ĉi societo entute subtenis la militpropagandon. En la militpravigo ankaŭ helpis germanaj esperantistoj. En la Germana Esperantisto n-ro 8–10/1914 oni legas apud anoncoj pri la romano „For la batalilojn" de Bertha von Suttner alvokon al primilita klarigado eksterlanden, apud serĉservo anoncojn pri heroa morto. En tiu malfacilega tempo la Esperanto-movado plue diferenciĝis. Friedrich Ellersiek, redaktoro de Germana Esperantisto, ankoraŭ en 1913 en „Malferma letero al la Staatsbürger-Zeitung" (Ŝtatcivitano-Gazeto) pasie disputis kontraŭ la „Alldeutsche" (Partio por ĉiuj Germanoj). Li defendis sian esperantistecon, pro kio li ne povas kune krii kun la Hura-patriotoj kaj ŝovinistoj kaj argumentis kontraŭ ŝovinismo, rasismo kaj kontraŭsemitismo.[41] Nun lia konvinko ne malhelpis lin eldoni „Internacian Bultenon" defendantan germanan militpolitikon. La celo de tiu ĉi „Duonmonata informilo pri la milito, eldonata de germanaj esperantistoj" estis „disvastigi en ekstergermanaj landoj la veron pri la situacio kaj militado de Germanujo en la nuna interpopola batalego" kaj refuti „la malpravecon de kulpigaj asertoj kaj kalumnioj, publikigataj de la malamikoj de Germanujo . . ."[42] En germanlingva alvoko: „Al niaj legantoj" eĉ ni legas tion: „. . . kaj pro tio – antaŭen en la batalon! Batalo por la patrolando, batalo por nia kara Esperanto!" kaj plue la sloganon „Per batalo al la venko!"[43] Tiamaniere la Germana Esperantisto realigis sian programon okupiĝi „pri la nunaj okazaĵoj, lasante tamen netraktata la politikon".[44] Tamen eksonis ankaŭ aliaj voĉoj. A. S. (?) en decembra numero citas Bertha von Suttner kaj kritikas, ke esperantistoj entuziasmiĝis por la milito. Li konstatas: „Sur siaj postenoj restis nur malmultaj esperantistoj. Ili streĉas ĉiujn siajn fortojn, por ke ne falu kaj ne ruiniĝu la komencitaj, sed ne fi-

nitaj konstruajoj." Sekvas la alvoko: „... rememoru pri via kultura laboro, rememoru pri via esperantista devo!" kaj la postulo: „Per serioza rilato al nia afero ni montru, ke ĝi ne estas amuzilo aŭ ludilo. Ni restu sur niaj postenoj!"[45] Alia racia voĉo estas tiu de pastro Witthack-Stahn el Berlin, kiu sin turnas kontraŭ malamo kontraŭ popoloj kaj fanatismo. Li deklaras „Ni ne estas devigataj malami, ..." kaj plue eksplikas „Mi tial konsilas, ke ni ne malamu iun ajn popolon, ni ĵuru, ke ni malamu egoismon, malenergion kaj komfortan neagemecon".[46] La diferenciĝo de la Esperanto-movado daŭris post la Unua Mondmilito. La burĝa Esperanto-movado kaj enhavis naciismajn trajtojn[47] kaj enhavis realismajn elementojn. Adolf Schmidt plue aktivas. Li – elstara sciencisto – ankaŭ publikigis en kaj pri Esperanto.[48] La aprezo en la Germana Esperantisto okaze de lia 70-a naskiĝdatreveno memorigis pri lia spirita interŝanĝo kun d-ro Zamenhof, pri lia varbado por Esperanto en sciencaj rondoj kaj lia kunagado en la fondo de la Berlina grupo. Neniu vorto pri lia socia engaĝo por la paco![49] Unu el la novaj por Esperanto interesiĝantaj scienculoj estis la socihigienisto Alfred Grotjahn (1869–1931). Li mem klarigis, kiamaniere li dum sia aktiva kunlaboro en la Higieno-sekcio de la Ligo de Nacioj (1925–1928) konvinkiĝis pri la utileco de Esperanto.[50] La motivoj de la fondinto de la socihigieno kiel scienco okupiĝi pri Esperanto, lia humanisma koncepto memorigas konsiderante diferencojn pri la humanismaj streboj de Foerster.[51] Ties progresemajn strebojn kaj la pacamaj burĝaj-humanismaj fortoj kaj la laboristaro daŭrigis. Estiĝis novaj sciencpropagandaj institucioj, ekzemple popolaltlernejoj kaj la Marksismaj Laboristaj Lernejoj (MASCH), kiuj en 1927 fonditaj de la Komunista Partio de Germanio ofertis soci- kaj natursciencajn prelegojn. Tiel Albert Einstein prelegis pri la temo „Kion devas scii la laboristo pri la teorio de la relativeco".[52] Einstein ankaŭ estis ligita kun la laborista Esperanto-movado.[53] Ĝi fine de la 20-aj jaroj sin ligis kun kontraŭfaŝisma kampanjo de tiu ĉi partio, kies kunfondinto Karl Liebknecht estis en 1914 la sola parlamentano en la Regna Parlamento, kiu voĉdonis kontraŭ la kreditoj por la imperiisma milito, kun la Komunista Partio de Germanio.

En la vivo de GDR la progresemaj idealoj de la laborista movado efektiviĝas, sed ankaŭ la streboj de burĝaj humanistoj realiĝas. Ankaŭ la progresemaj streboj de Foerster kaj Schmidt restas en nia socia konscio. Memorigas en Gotha la Adolf-Schmidt-strato kaj en Niemegk la Adolf-Schmidt-observatorio kaj en Berlin la Urania-forumo „Wilhelm Foerster" de la Zeiss-Grandplanetario en la Ernst-Thälmann-parko pri ili. La hodiaŭa societo Urania fondita en 1954 estas sciencpropaganda organizaĵo, en kiu kunlaboras 57 800 natur- kaj sociosciencistoj, inĝenieroj, kuracistoj, pedagogoj, juristoj kaj kulturagantoj. Ĝi ankaŭ kontribuas al informado pri Esperanto. Estas laŭtradicie, ke en novembro 1987 la vicprezidanto de nia Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR Manfred Arnold prelegis pri la spertoj de la 100-jara evoluo de Esperanto en la Berlina Urania-prelegcentro. La radikoj de la engaĝo de Foerster kaj de aliaj burĝaj humanistoj konsciigas tradiciojn komunajn de la Esperanto-movado kaj de aliaj sociaj fortoj koncernantajn la rilatojn inter paco – socia progreso – scienco – Esperanto, kiuj povas esti bona bazo de komuna nuntempa agado.

## Literaturo, fontoj, rimarkoj


1. El la telegrafaj bondeziroj de la Berlina grupo okaze de la 80-a naskiĝdatreveno de profesoro Foerster en 1912, en: Germana Esperantisto, 1913, 1 A, p. 7
2. Wilhelm Foerster, Ansprache zum 25jährigen Jubiläum der Gesellschaft Urania in Berlin, en: Himmel und Erde (25) 1913, p. 386, citita en: Harro Hess, Aus der Geschichte der Berliner Gesellschaft Urania (1888–1927), Berlin-Treptow, 1979, p. 5
3. Komparu: Harro Hess, Aus der Geschichte der Berliner Gesellschaft Urania ...
4. Wilhelm Foerster, Lebenserinnerungen und Lebenshoffnungen (1832 bis 1910), Druck und Verlag von Georg Reimer, Berlin, 1911, p. 166 (LL)
5. LL, p. 233
6. LL, p. 237
7. Komparu: LL, p. 213–214
8. Jan-Peter Domschke/Peter Lewandrowski, Wilhelm Ostwald – Chemiker, Wissenschaftstheoretiker, Organisator, Urania-Verlag, Leipzig, Jena, Berlin, 1982
9. Albumo de Konataj Esperantistoj, Braunschweig, 1906, p. 37
10. 1. Lazaro Ludoviko Zamenhof, Esperanto: Nova Internacia Lingvo, presita en: „The Independent", New York, vol. LVII, n-ro 2906, 11-a de augusto 1904, p. 326–330, represita en: Adolf Holzhaus, Doktoro kaj lingvo Esperanto, Eldonis Fondumo Esperanto, 1969, Helsinki, p. 165–173
10. 2. Adolf Schmidt jam en 1903 aliĝis al tiu ĉi komitato. Komparu: P. Fruictier, Nova propagandilo „Internacia Scienca Revuo", en Lingvo Internacia n-ro 12, 1903 citita en: Ito Kanzi, iam kompletigota plena verkaro de l. l. zamenhof, eldonejo ludovikito, kajero 6, p. 285–290 (pvz, k. 6)
11. Komparu: Edmond Privat, Historio de la lingvo Esperanto, La movado 1900–1927, Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, 1927, p. 58–67
12. Wilhelm Foerster, Letero, en: Germana Esperantisto 1908, n-ro 12, p. 138–139
13. Komparu: Germana Esperantisto, 1913, n-ro 1 A, p. 5
14. Hans-Joachim Felber, Wilhelm Foersters Kampf um die Osterreform, Deutsche Akademie der Wissenschaften zu Berlin, Veröffentlichungen der Sternwarte Babelsberg, Band XV, Heft 2, Akademie-Verlag, Berlin, 1965
15. 1. Wilhelm Foerster, Die Entwicklungsstufen der Gemeinsamkeit der Hilfssprache, en: Germana Esperantisto, 1910, n-ro 3, p. 49–50
15. 2. Wilhelm Foerster, Evoluciaj gradoj de la helplingva komuneco, en: Germana Esperantisto, 1910, n-ro 4, p. 75 (Traduko de 15.1.)
16. Esperanto und Wissenschaft, en: Germana Esperantisto, 1912, n-ro 12 A, p. 188–189
17. Kunveno Berlina grupo, en: Germana Esperantisto, 1913, n-ro 1 A, p. 7
18. Wilhelm Foerster, en: Germana Esperantisto, 1913, n-ro 1 B, p. 7–8
19. Komparu: L. L. Zamenhof, Esenco kaj estonteco, en: L. L. Zamenhof, Originala Verkaro, Antaŭparoloj – gazetartikoloj – traktaĵoj – paroladoj – leteroj – poemoj kolektitaj kaj ordigitaj de D-ro Joh. Dietterle, Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, 1929, p. 299 (OV)
20. 1. Helmut Roob/Peter Schmidt, Adolf Schmidt 1860–1944, Methodisches Zentrum für wissenschaftliche Bibliotheken und Informations- und Dokumentationseinrichtungen des Ministeriums für Hoch- und Fachschulwesen, Forschungsbibliothek Gotha, Gotha, 1985, p. 15
20. 2. Enciklopedio de Esperanto, I. volumo, redaktis L. Kökeny kaj V. Bleier, represo de la unua eldono, Hungara Esperanto-Asocio, Budapest, 1979, p. 481
21. Dieter und Ruth Glatzer, Berliner Leben 1914–1918, Rütten & Loening, Berlin, 1983, p. 715
22. LL, p. 110
23. LL, p. 113
24. LL, p. 115
25. LL, p. 118
26. 1. LL, p. 317–318
26. 2. L. L. Zamenhof, Gentoj kaj Lingvo Internacia, en: OV, p. 345–353
27. LL, p. 321
28. Komparu: Canko Murgin, L. L. Zamenhof dum la revoluci-prepara periodo (1910–1914), en: Canko Murgin, Progresemaj momentoj en la ideologio de L. L. Zamenhof, Sofia, 1985
29. Wilhelm Foerster, Vizio pri komuna administrado de la tero, en: Germana Esperantisto, 1912, n-ro 5 B, p. 65–67
30. Wilhelm Foerster, Vizio ... (Vidu 29.)
31. Alfred H. Fried, Ich habe die Friedenskräfte überschätzt – Aus dem Kriegstagebuch, 7. August 1914, en: Sturm läutet das Gewissen – Nichtproletarische Demokraten auf der Seite des Fortschritts 1830–1945, Verlag der Nation, Berlin, 1980, p. 271–273
32. Wilhelm Foerster, Der Beginn gemeinsamer Verwaltung der Erde, en: Ethische Kultur, 1914, p. 41
33. Romain Rolland, Das Gewissen Europas, Tagebuch der Kriegsjahre 1914–1919, Band I, p. 85–89 (TRR)
34. 1. LL, p. 303
34. 2. Ankaŭ Ito Kanzi en la indekso de la

kajero 8 de sia ampleksa kolekto de Zamenhof-verkoj erare nomas Friedrich Wilhelm Foerster. Tamen en la koncernaj Zamenhof-leteroj temas pri Wilhelm Foerster – la patro. Komparu: pvz, k. 8, 1980, p. 372
35. Humboldt-Universität zu Berlin – Überblick 1810–1985, herausgegeben von Helmut Klein, VEB Deutscher Verlag der Wissenschaften, Berlin, 1985, p. 59
36. Enciklopedio de Esperanto, p. 143 (Komparu: 20.2.)
37. TRR, v. 1, p. 369
38. TRR, v. 1, p. 254
39. TRR, v. 2, p. 413
40. TRR, v. 2, p. 323–324
41. Friedrich Ellersiek, Staatsbürger und Esperantisten, en: Germana Esperantisto, 1913, n-ro 2 A, p. 18–21
42. Komparu: Germana Esperantisto, 1914, n-ro 11 B, p. 143
43. An unsere Leser, en: Germana Esperantisto, 1915, n-ro 8–9 A, p. 85
44. Al niaj legantoj, en: Germana Esperantisto, 1914, n-ro 12 B, p. 145
45. A. S., La milito kaj Esperanto, en: Germana Esperantisto, 1914, n-ro 12 B, p. 145–146
46. Pastro Witthack-Stahn, Ĉu ni rajtas malami?, en: Germana Esperantisto, 1915, n-ro 7 A, p. 80
47. Albert Steche, Entwicklungsgang der Weltsprache, Verlagsbuchhandlung E. G. Weimann, Leipzig, 1922
48. 1. Adolf Schmidt, Pri la ebleco kaj probableco de multjara periodeco en la meteorologiaj fenomenoj. – en: Gerlands Beiträge Geophysik, Leipzig 33 (1931), p. 40–44, Freiberg B Bergakademie: XVI 915
48. 2. Adolf Schmidt, Die Wiegendrucke des Esperanto. – en: Zentralblatt Bibliothekswesen, Leipzig 48 (1931), p. 72–75, Gotha FB: Buch 15/3
48. 3. Ambaŭ publikaĵoj (48.1. kaj 48.2.) estas menciitaj en: Helmut Roob/Peter Schmidt, Adolf Schmidt..., p. 54 (Komparu: 20.1.)
49. Geh.-Reg.-Rat Prof. Dr. Adolf Schmidt – 70 Jahre, en: Germana Esperantisto, 1930, n-ro 8–9, p. 122
50. Prof. A. Grotjahn, Völkerbund und Esperanto, en: Germana Esperantisto, 1930, n-ro 3, p. 40
51. Dietrich Tutzke, Alfred Grotjahn, BSB B. G. Teubner Verlagsgesellschaft, Leipzig, 1979
52. Dr. Horst Kant, Kosmos-Vorträge Humboldts waren der Anfang, en: Berliner Zeitung 18-a de febr. 1988
53. G. P. de Bruin, Gvidilo tra la Esperantomovado, Sennacieca Asocio Tutmonda kaj Federacio de Laboristaj Esperantistoj, Amsterdamo, Parizo, 1936, p. 49
54. Germana Esperantisto estis eldonata per sekvaj eldonejoj:
1904–1911 Esperanto-Verlag Möller & Borel, Berlin
1912–1921 Ader & Borel G.m.b.H., Esperanto-Verlag Dresden
1922–1926 Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G.m.b.H. Berlin und Dresden
1927–1928 Rudolf Mosse, Esperanto-Fako, Berlin
1929–1935 Editejo Friedrich Ellersiek G.m.b.H., Berlin

# Restarigota monumento en ĈSSR

Ĉeĥa Esperanto-Asocio turnas sin al vi en urĝa afero... Printempe 1914 (la 1-an de junio) estis inaŭgurita en Františkovy Lázně, ĉarma en la okcidenta parto de la nuna Ĉeĥoslovakio (tiam sub la Aŭstria Imperio), okaze de la IV-a Tutaŭstria Esperanto-Kongreso, la unua en la mondo granda monumento de L. L. Zamenhof, la fondinto de Esperanto. La unikan faron iniciatis la bavara fervojisto kaj loka Esperanto-klubestro Jacob Hechtl, kiu per monkolekto havigis la necesan sumon. La monumento estis kvarpilastra bloko el artefarita ŝtono, portanta supre bronzan reliefon de L. L. Zamenhof kun surskribo.

En la j. 1938 nazioj komplete detruis la monumenton.

Ĉeĥa Esperanto-Asocio opinias sian moralan devon renovigi tiun ĉi historiaĵon por memorigi la monumenton, kiu staris jam antaŭ la du mondmilitoj en la banurba parko.

Por povi plenumi tiun intencon, ĈEA kunlabore kun UEA proklamas internacian monkolekton; ĉiu donacinto ricevos dokumenton pri sia kontribuo al tiu ĉi nobla celo. Kiu donacos minimume 40 NLG (gld), t.e. 200 ĉeĥoslovakaj kronoj, ricevos dankdiplomon, pro la donaco minimume 400 NLG aŭ 2 000 kronojn ricevos medalon kun gravurita dankesprimo, ĉe donaco minimume 5 000 NLG aŭ 25 000 kronojn, la nomo de la donacinto estos gravurita sur la monumento inter la merituloj pri la restarigo de la monumento. La premio por la donacinto de la plej alta monsumo estos miniatura muldaĵo de la monumento laŭ la skalo 1:20.

Ni kredas, ke vi trovos komprenon por la intencata ago kaj subtenos nian klopodon. La inaŭguron de la malnov-nova monumento ni planas por la jaro 1992, samtempe kun la Universala Kongreso de Esperanto en Prago kaj grandskala internacia festo honore al la 400-a naskiĝdatreveno de la „Instruisto de Nacioj", Jan Amos Komensky-Komenio, menciata kiel „prapatro de la internacia lingvo".

La kontribuaĵojn bonvolu sendi al Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando, „lazn-g".

*Petr Chrdle – prezidanto de ĈEA kaj komitatano de UEA*

# Julian Modest: Mistera lumo; Hungara Esperanto-Asocio; Budapest 1987, 90 paĝoj.

Julian Modest vidas la vivon, la mondon per aliaj okuloj ol la leganto kutimas vidi sian ĉirkaŭon:

Redaktoro sin opinias marioneto, kiam juna verkisto malkovras liajn pseŭdanalizojn kaj konsolajn prokrastojn; bankoficisto nokte sonĝas pri vojo, sur kiu li serĉas sian celon, sed tage li vane provas atingi ĝin; provinca knabino en la ĉefurbo librojn vendas, sed neniu havas tempon por aĉeti ilin; kamparano rakontas en trajno kvazaŭ por si mem pri cigano kaj ursino; skulpturo mistere malaperas; bonmora edzo neniam ridetas; infaneco de viro ekvivas el malnova foto kaj primokas la plenkreskulon.

La aŭtoro konsideras ordinarajn sed timigajn kondutojn kaj li rememorigas pasintaĵojn per restaĵoj:

Virino, kiu nenion plu atendas de la vivo, dronas en puto; viro, kiu de dek jaroj neniun floron donacis, de dek jaroj neniun piedon metis ekster la urbon, ricevas de maljunulo, malplaĉanta al li, rozojn por la filino; maljunulo kiel knabo estiĝis ilo de la patrina ĵaluzo; profesoro maljuna devas transloĝiĝi; argila kamelo respektive olda fera forno ekvivigas rememorojn; knabo volas konfesi al la instruistino kaj al la kunlernantoj, ke li malhavas patron; aktoro opinias plej grave esti rigardata ordinara homo.

Rakontajn skizojn, ĉiutagajn kaj nostalgiajn rakontojn, rememorojn kaj noveletojn vi trovos en ĉi tiu libro, ĉiu tute alia ol la antaŭa. Ofte oni ne kapablas klasifiki ilin laŭ iuj kategorioj.

La aŭtoro apartenas al tiuj, kiuj en la ĉiutageco serĉas la apartecon, kaj li deziras ankaŭ al la legantoj ekvidi, kie la kutimo blindigis ilin. La aŭtoro kontraŭstaras apation, letargion kaj aĵan sklavecon – kiel facile ni fariĝas sklavoj de aŭto, profesio, kutimo!?

Li invitas nin kunserĉi novan, pli bonan aŭ rean vivsencon, novajn indojn aspirindajn. Li proponas sian helpon al ni.

Do, Julian Modest heligas nian kutiman ĉirkaŭon per mistera lumo, por ke ni pripensu la ordinaron kaj pli kapablu distingi inter la valorplenaj kaj la paralizaj el la kutimaj okazaĵoj, por ke ni malblindiĝu.

*Wolfram Diestel*

Manfred Kyber

# Profesoro Bortruo

Profesoro d-ro Bortruo, honorkavaliro ktp., staris kun sia asistanto antaŭ la simiokaĝo. Estis frumatene, kaj en la zoologia ĝardeno nur estis malmultaj vizitantoj.
Profesoro Bortruo, post ĝisfunda pripensado, tiel aranĝis. Li intencis labori kiel eble plej neĝenate, precipe de tiaj homoj, kiujn li konsideris needukitaj. En tiu-ĉi frua matenhoro devis okazi unu el la senekzemplaj eksperimentoj de scienca esploro.
„Dank' al la profundaj rezultatoj de la vivisekcio", diris profesoro Bortruo, „el kiu estas disvolviĝinta nia belega cerboinstruo de hodiaŭ, mi kaptis la imponan penson, tiujn-ĉi du ekzemplerojn de ‚cynocephalus babuin', post zorgema frenologia analizo, izoli de la aliaj simioj. Post diligenta nutrado per cerboformantaj nutraĵmaterialoj, mi hodiaŭ estos kapabla pruvi, ke la cerbo de ‚cynocephalus babuin' post respektiva traktado ne nur ĝuste povas ekkapti homajn esprimojn, sed ankaŭ kapablas reprodukti tiujn laŭsence per adekvataj gutturalsonoj."
La asistanto mute kliniĝis. Li sentis sin solena.
„Ĉu vi diligente nutris ilin per bananoj?" demandis profesoro Bortruo la bestoflegiston. „Ĉu vi rimarkis kreskadon de iliaj intelektaj funkcioj?"
„Mi tute ne komprenis", diris la bestoflegisto.
„Al tiu homo mankas la ekzercita rigardo", diris profesoro Bortruo.
La pavianoj venis al la latiso.
„Kiu do estas tiu?" demandis la unua, kaj ĝia felo hirtiĝis.
„Verdire mi trovas lin sufiĉe agrabla", diris la alia, „li memorigis min pri mia mortinta onklo."
La paviano posedis multe de familia sento.
Profesoro Bortruo ekscitite serĉis la notlibron en siaj poŝoj.
„Li serĉas pedikojn", diris la unua paviano ekspertece.
„Nun li havas ion", diris la dua plene da intereso.
„Kompreneble ni devas limigi nin je forte akcentitaj gutturalsonoj", diris profesoro Bortruo, „ni komenciĝu per simplaj vokaloj."
Profesoro Bortruo sidiĝis sur siajn kalkanojn, antaŭ la latison.
„A-a-a-ma-man-manĝi", li diris kaj faris maĉantajn movojn per la makzeloj.
„Ha-ha", diretaĉis la simioj.
„Estas mirige", diris profesoro Bortruo al sia asistanto, „bonvolu noti la formon de la kranio."
„Do rigardu lian kapon!" diris unu el la pavianoj.
Profesoro Bortruo aŭskultis atente la jus aŭditajn gutturalsonojn kaj diligente faris notojn.
„Nun mi prenas pli komplikan nocion, transdirektanta de la pura instinkto al la nocikapableco. I-i-i-birdo-birdo-birdo!"
Profesoro Bortruo levis la pintojn de sia mantelo kaj cikoniomaniere iris tien kaj reen antaŭ la kaĝo. Li flirtis per la manikoj kaj ĉe tio anserblekis laŭ jam ne aŭdita maniero.
La bestoflegisto proksimiĝis. Ŝajnis al li necese.
„Hi-hi", ridetaĉis la simioj kaj ĵetis bananŝelojn.
„Estas mirige", diris profesoro Bortruo. „Nun ni transiras al filozofia nocio. O-o-o-ho-homa grandeco."
Profesoro Bortruo rektiĝis al plena staturo.
La simioj estis teditaj de tio. La birdo ja estis farinta plezuron al ili. Sed tio jam ne.
Ili turnis sin kaj montris al la profesoro sian malantaŭan flankon. Tiuj estis rimarkindaj, ne miskomprenendaj korpopartoj.
„Estas mirege", diris profesoro Bortruo, „la besto kaŝiĝas konsidere al la homa grandeco. Tio estas pli multa ol kompreno. Tio jam estas psika reakcio. Kvazaŭ fino de nia fenomena ekzamenado nun ni prenu siblan sonon", li turnis sin al sia asistanto. „Bonvolu atenti la multajn malgrandajn ŝtonojn en la kaĝo. Mi ŝajne hazarde disdonigis ilin pro eksperimentaj motivoj . . ."
Profesoro Bortruo prenis ŝtonon kaj dense premis la okulvitrojn al la latiso.
„Ŝ-ŝ-ŝ-ŝtono-ŝtono-ŝtono", li diris.
La simioj estis kuŝiĝintaj por dormi je la fino de l'kaĝo kaj ne moviĝis.
„Ŝtono-ŝtono-ŝtono", diris profesoro Bortruo blekante. Tion li diris centtridektrifoje.
Jen flugis hajlo el ŝtonoj en lian vizaĝon.
„Estas mirige", diris profesoro Bortruo.
Sekvantan tagon profesoro Bortruo staris sur la katedro.
„Mi nun finas miajn interesajn klarigojn", li diris, „kaj fiere mi povas konstati, ke la homa scienco sukcesis sendi siajn brilantajn fajrerojn eĉ ĝis la inerta faŭno!"
La simioj en la kaĝo ludis „profesoro Bortruo"n. Ili cikonie iris tien kaj reen kaj parolaĉis en maniero jam ne ekzistanta.

*(Trad. Manfred Arnold)*

# La nova okazaĵo

## de Adolf Glassbrenner

A: „Diru, ĉu vi jam aŭdis ion pri tio?"
B: „Pri kio?"
A: „Nu, pri la okazaĵo ĉe la . . . ĉe la . . . nu, tie ekstere, tie apud la . . . Dio mia! Kiel do nomiĝas la homoj?"
B: „Ĉu vi eble parolas pri la nova biertrinkejo?"
A: „Ne. Mi parolas pri la okazaĵo ĉe la . . . nu, mi tuj rememoras la nomon. Mi pensas pri la afero, kiu okazis tie ekstere, tie apud . . . tie ekstere apud . . . Dio mia! Vi certe konas la lokon!"
B: „Ho jes, tio ja estas la okazaĵo ĉe la . . . Jes, tiun mi konas . . . ĉe la . . . nu, ĉe la . . . kiel do li nomiĝas? Ĉu pri tio vi parolas?"
A: „Ĝuste, pri tio mi parolis. Do, ĉu vi jam konas la aferon?"
B: „Jes, mi konas ĝin. Tion rakontis ja al mi la . . . la . . . nu, kiel li nomiĝas? La . . . tie ekstere . . . certe vi scias."
A: „Jes, mi scias. Tio estas la okazaĵo. De tiu viro mi ankaŭ – aŭdis ĝin."

*(Trad. Manfred Arnold)*

# Pierre Janton, Esperanto: lingvo – literaturo – movado. UEA, Roterdamo, 1988. 120 p.

„Aperinta unue en la Enciklopedia Kolekto ‚Que sais-je?' (Kion mi scias?) de la Universitata Eldonejo de Francio, en 1973, ĉi tiu verko populariĝis ĉe neesperantistoj antaŭ ol la parolantoj mem de la Internacia Lingvo povis konatiĝi kun ĝi. En 1976 sekvis eldono en la hispana, en 1977 aperis la 2a franca eldono (entute 16 000 ekzempleroj), en 1978 eldoniĝis germana traduko kaj en 1987 la nederlanda. Laŭ peto de UEA, la aŭtoro mem pretigis la Esperantan tradukon kaj aktualigis ĝin per pluraj novaj informoj.

Jen scienca kaj tamen populare verkita libro, kiu en konciza formo, sur nuraj 120 paĝoj, traktas ĉion esencan pri la Internacia Lingvo: historio de la planlingvoj, origino de Esperanto, la lingvo mem, ĝiaj esprimivo kaj literaturo, la Esperanto-movado. Ni ne disponas pri alia verko, kiu tiel koncize armus nin per ĉiuj bazaj scioj, tiel necesaj por kia ajn sukcesa argumentado kaj informado pri Esperanto.

Pierre Janton (1933– ? ) estas profesoro en la Universitato de Clermont-Ferrand (Francio), kie jam de multaj jaroj Esperanto estas instruata." (Librodorse.)

Lingvo – literaturo – movado: certe ĝuste la lingvo okupas la plej ampleksan parton de la plaĉaspekta, instrua libreto, kiu percepteblas aŭ kiel konstato de atingitaj kvalitoj aŭ kvantoj, aŭ kiel konsultlibro por interesitoj pri interlingvistiko, literaturhistorio, aplikado de Esperanto, aŭ eĉ kiel polemika partopreno en la aktualaj prilingvaj kaj primovadaj diskutoj. Retiriĝo el tiu triopo ne eblis dum la traktado de *„ĉiu esenca* pri la Internacia Lingvo".

Ni rezoncele elektu malmultajn el la bazaj ideoj kiuj apud multaj „sanktaj veroj" kaj valoraj listoj de faktoj elvokas aŭ apartan admiron pro sia nova, trafa formulo aŭ (almenaŭ) heziton de la leganto ĉu pro nekutimeco ĉu pro enhavo kontraŭdira.

1. „En Esperanto, beleco estas la eco de tiuj vortkombinoj, kiuj plej fidele spegulas la specifan spiriton de la lingvo, ĉu prozodian, ĉu morfologian, ĉu sintaksan" (p. 76). P. J. substrekas la aŭtonomian karakteron de Esperanto kaj proponas eluzi ĉiujn morfologiajn kaj sintaksajn potencojn. Tiu ĉi aplika libereco ene de la lingva sistemo altiras kaj inspiras verkistojn (komp. „4.2. Esprimivo de Esperanto" kaj „5. La Literaturo"). Aliflanke ĝi ankaŭ kreigas tiajn frazojn: „mi frapitis martelon de atakanto" (kie almenaŭ mirigas la akuzativo) kaj „li nomotas ministro por savo la landon" (ambaŭ p. 72), kaj la vortorde fibelan „la de vi montrita vojo" (p. 67). Tradicia aŭ laŭpotenciala lingvouzo? P. J. pledas por la lasta. En tiu ĉi senco li ankaŭ proponas kaj aplikas la terminologion de Martinet koncerne la morfologion (monemoj: leksemoj, morfemoj), laŭ kiu ĉiu monemo estas „minimuma ‚memstara vorto' " (kongrue al la intenco de Zamenhof, p. 49/50), ĉu kun enhavo senca (leksemo), ĉu gramatika (morfemo), kaj kunmetebla kun alia(j) monemo(j).

2. „La distingo inter verbaj kaj substantivaj leksemoj (la aluditaj gramatikistoj distingas ankaŭ adjektivajn kaj adverbajn) aplikas al Esperanto kategori-konceptojn, kiuj montriĝas nur nebule difineblaj ... Ni diru nun, ke la Esperanto-leksemoj apartenas al neniu kategorio, sed ke ili konsistigas kategoriajn vortojn (leksiojn), ĉu verbajn ĉu substantivajn, kiam aldoniĝas al ili verba aŭ substantiva morfemo signanta la gramatikan funkcion ... Ne ekzistas teoria limigo de tiu vortfarado" (p. 54). P. J. donas kiel ekzemplojn rapid- (-a, -o, -e, -i), sap-, batal-, jes(-). El tio i.a. rezultiĝas en „3.4.8. Transitiveco" la konstato ke kaj verbo (transitiva), kaj adjektivo, kaj adverbo *kaj substantivo* povas ricevi rektan komplementon, kaj li citas frazon Zamenhofan: „ni klopodas por la enkonduko Esperanton en la mondo" (p. 72). Cetere en la sama subĉapitro 3.4.8. li asertas ke „oni fojfoje renkontas ‚ĉesigi' anstataŭ ĉesi kaj ‚finiĝi' anstataŭ fini" kaj ke tiuj ĉi „balastaĵoj" estas „komuna kaj sana fenomeno en multaj lingvoj kaj oni rekomendu ilin ĉiun fojon, kiam ili gajnigas klarecon kaj facilecon" (p. 66). La subteksta tabelo ŝajnigas ke li erare miksis „ĉesigi" kun „ĉesiĝi" kaj „finiĝi" kun „finigi".

3. „La kunmetitaj substantivoj, la variableco de la adjektiva pozicio, la inversebleco de la subjekto, la uzo de tuj-sinsekvaj prepozicioj kunagas por krei ritmon, reliefigi rimojn kaj bildvortojn, sume, por kunteksi netradukeblan sorĉaĵon, kies densecon, sugestivecon kaj voluptecon eble nur ideogramoj povas esprimi" (p. 80). „Ne sen kaŭzo la literaturo en Esperanto ĉu tradukita ĉu originale verkita, fariĝis tiom ampleksa dum unu jarcento" (p. 81). En 4. kaj 5. („La esprimivo de Esperanto" kaj „La Literaturo") P. J. pentras bildon pri la riĉeco de la evoluanta lingvo kiel bazo por internacia estetika valoro, rezultanta ke „por verkisto Esperanto ne impresas fremde, sed kvazaŭ elkreskaĵo kaj kompletigilo de la denaska lingvo" (p. 96).

4. „La celo de la esperantismo – disvastigi Esperanton kiel internacian komunikilon" (p. 106) atingeblas laŭ P. J. nur atentante la diversajn motivojn por esperantistiĝo, el kiuj dedukteblas kelkaj modernaj argumentoj akcentantaj „pli la praktikajn kaj objektive observeblajn aspektojn de la internacia lingvo", la argumentaro hodiaŭ „atentigas pri la ekonomia potencialo de Esperanto ĉefe sur la kampo de tradukado kaj interpretado ..., ĝi pruvas, ke la komunikado fluas facile kaj senkoste inter la multaj diversaj nacianoj. Ĝi ankaŭ emfazas la utilon de neŭtrala lingvo al la minoritataj lingvoj, kiuj tiel povas konservi sian identecon kontraŭ la kultura imperiismo, kaŝita sub la lingva hegemonio de la grandaj potencoj. Fine ĝi proponas la solan simplan rimedon, per kiu ĉiuj diverslingvaj partoprenantoj en internaciaj aranĝoj povas sin esprimi kaj komprenigi surbaze de lingva egaleco" (p. 107/108).

5. „Oni nomas esperantistoj nur tiujn inter la Esperanto-uzantoj, kiuj konsentas pri la porhomara valoro de Esperanto" (p. 7). Kontraŭe: „Esperantisteco ne dependas de la celo, por kiu oni uzas Esperanton" (p. 39). Eble la daŭra nekongruo inter la diversaj opinioj pri la „interna ideo", kiujn P. J. priskribas, kondukas lin al tiuj kontraŭdiraj asertoj. Des pli interesa estas lia realisma, por esperantistoj iomete pesimisma fina konkludo: (p. 112/113) „Estas do serioza revo imagi, ke ĉiu homo povos iam lerni ĝin apude de la gepatra lingvo." Sed

## Bibliografio de planlingvaj periodaĵoj

„Kunlabore kun du hispanaj kolektantoj-esperantistoj (S-ro Luis Hernandez Yzal kaj S-ino Ana Molera-Urgellés) sub nomo de **„Laborrondo Takács" – por inde omaĝi al la 100-jariĝo de la E-gazetaro** – mi ekde 2 jaroj streĉe laboras por kompili kiel eble kompletan **bibliografion de planlingvaj periodaĵoj.** Ni kolektis informojn jam pri pli ol 5 100 diversaj titoloj (pli ol 95 %-oj estas esperantaĵoj).

Por kompletigi la bibliografion **ni bezonas helpon** de diverslandaj kaj diversfakaj samideanoj, kiuj aŭ informos nin pri la periodaĵoj, kiujn ni ne havas – aŭ ĝis nun ne vidis – aŭ sendas al ni la necesajn revunumerojn. Helpemuloj bv. kontakti d-ron Árpád Máthé (komitatano de UEA, vicprez. de Hungara E-Asocio) laŭ jena adreso: **Tusnádi u. 14. H - 1125 Budapest, Hungario; Tel. (36) 1 557-144."**

## Kien skribi:

**Honora prezidanto:** Nikola Aleksiev, str. Nezabravka 1, vh. 2, 1113 Sofia, Bulgario
**Prezidanto:** D-ro Imre Pethes, H - 1144 Budapest, Füredi ut. 11/A VI. 26, Hungario
**Vicprezidantoj:** William Gilbert, 30 rue Croix-Montoire, 37100 Tours, Francio
Claude Glady, 36 Marne str., B - 1030 Brussel, Belgio
Magomet Isaev, prosp. Kalinina 14, Moskva K-9, USSR
**Ĝenerala sekretario:** Clément Tholet, 54 Rue des Hineux, 4400 Herstal, Belgio
**Sekretarioj:** Nanba Syôzi, Huruiti 3-13-26 Zyôto-ku, Osaka, Japanio
Vasja Cvetkova, kompl. „Mladost" bl. 16, vh. 2, ap. 36, et. 7, Sofia, Bulgario
**Ĉefredaktoro:** Violin Oljanov, Emil Markov, PK 66, 1404 Sofia, Bulgario
**Centra kasisto:** (por la okcidentaj landoj) Pierre Jouvin, 14 rue Tjier, 76120 Grand Quevilly, Francio (p. ĝ. k. – CCR-Rouen, 102–45 P).

## Atentigo:

La Redakcio atendas kontribuaĵojn de pacamikoj el la tuta mondo. Ju pli da kunlaborantoj, des pli varia kaj interesa revuo. Pro la nesufiĉa spaco la materialoj ne estu pli longaj ol 60 tajpitaj linioj, nur en gravaj okazoj ĝis 90. Ili estu prefere tajpitaj aŭ tre klare mane skribitaj kun sufiĉa interlinia spaco kaj marĝeno, sur folioj de formato A 4. La Redakcio akceptas nur originalajn (unuajn) ekzemplerojn de la tajpaĵo. Kopioj estas lasataj sen konsidero. Por ke la materialo atingu la Redakcion ĝustatempe, ĝi devas esti je ĝia dispono ĝis la 10-a de ĉiu para monato. La Redakcio ne resendas neuzitajn materialojn. Skribu klare viajn nomojn kaj adresojn en nacia lingvo! Ĉion sendu al la adreso de la Redakcio „Paco", 1000 Sofia, PK 66, Bulgario.

## Pri la aperado de „Paco"

La internacia revuo „Paco", organo de la Mondpaca Esperantista Movado (MEM) aperadas en du serioj. La oficiala serio aperas en Sofio per 6 numeroj, po 16 paĝoj. Krome unuopaj landaj sekcioj de MEM eldonas landajn kajerojn (ofte ekz. ĈSSR, Japanio, ĉiujare GDR).

Pri la enhavo de 6-kajera oficiala serio respondecas redakta komitato, al kiu apartenas: Violin Oljanov (Bulgario) – ĉefredaktoro, Veneta Valeva (Bulgario) – redaktoro, membroj de la redakta komitato: d-ro Detlev Blanke (GDR), William Gilbert (Francio), Kimiaki Kurita (Japanio), Nguyen Hai Trung (Vjetnamio).

**Tiun ĉi numeron redaktis d-ro Detlev Blanke, Berlin (GDR).**

## Kie aboni:

**Aŭstralio:** Sylvia M. Burkitt, 20 Grandview Street, Parramatta, New South Wales 2150
**Aŭstrio:** Ernst Quietensky, Pappenheimgasse 70/3/12, A - 1200 Wien, Aŭ S. 130
**Belgio:** Claude Glady, 36 Marne str. 1030 Bruxelles, B. Fr. 360
**Berlino Okcidenta:** Roland Schnell, Möckernstr. 71, D - 1000, Berlin 61 (Poŝtĉekkonto Stgt. 137769-701), DM 24
**Brazilo:** F-ino Elma do Nascimento, str. D. Claudina Nr. 100, apt. 402, Rio de Janeiro, RJ-CEP 20721, Cr. $ 65
**Britio:** Paul Hewitt, 26 Highfield Road, North Thoresby, Great Grimsby, South Humberside DN 36 5RT, £ 4
**Bulgario:** Bulgara MEM-komitato, bulv. Ĥristo Botev 97, 1303 Sofia, Lv. 3
**Ĉeĥoslovakio:** PNS, Vinohradska 46, 12043 Praha 2, Kronoj 46,20
Por la kromaj (naciaj) numeroj: ĈES, Jilska 10, 11000 Praha I, Kronoj 16
**Danlando:** Egon Starup, Brovaenget 26, DK - 2700 Kobenhavn BRN, D. Kr. 50
**F. R. Germanio:** Roland H. Hegen, Iggelbach, Schloßgasse 30, D - 6738 Elmstein 2, DM 24
**Finnlando:** Erkki Järvinen, Ukonkivenpolku 2-1-73, 01610 Vantaa 61, Fin. M. 42
**Francio:** Joseph Barre, 10 rue du Sénat, 44300 Nantes, Fr. Fr. 60
**GDR:** a) Post- und Fernmeldeamt Falkenberg, Zentralvertrieb d. PZV, 7900 Falkenberg, Uebigauer Str. 4, M 3,60
b) por la landaj eldonoj: Esperanto-Asocio en KL de GDR, O.-Nuschke-Str. 1, 1080 Berlin
**Hispanio:** Luis Serrano Perez, Font Nova 32, Sabadell (Barcelona)
**Italio:** Riccardo Pinori, V. A. Ghisleri 9/15, I - 00176 Roma (p. ĝ. k. 64882004)
**Japanio:** Syôzi Nanba, Huruiti 3-13-26, Zyôtô-ku, Osaka, 536 (p. ĉ. k. Osaka 7-19235)
**Kanado:** Richard Piper, 20 Millar St. Hull, Quebec, J8Y 3N7, K $ 12
**Kolombio:** S-ino Calvo de Feijoo Leonor, K22 Nr. 34-12, P.2. Bogota
**Kubo:** Pac-sekcio de Kuba E-Asocio, PK 2018, Habana 2
**Nederlando:** S-ino J. Vries-van Leeuwn, Johan Vermeerstr. 32, NL - 1741 K. K. Schagen (p. ĝ. k. 5569309), Gld. 25
**Norvegio:** Olaf Reiersøl, Torodveien 109, N 3135 Torod
**Pollando:** RUCH-WARSZAWA
**Portugalio:** Caeiro de Sousa, rue Aguiar 97, 2830 Barreiro, Escudo 460
**Rumanio:** Abonu ĉe la poŝtoficejo: vidu „Catalogul presei externe", rubrica „PR Bulgaria"
**Vjetnamio:** Vjetnama Pacdefenda E-Asocio, 105 A, Quan Thanh, Hanoi
**Sovetunio:** .103885 GSP, Moskva K-9, prosp. Kalinina 14, ASE, Rubloj 1,80
**Svedio:** Tomas Jansson, Döbelnsgatan 24, S - 75223 Uppsala
**Svislando:** Otto Walder, Esperantoweg, CH - 8590 Romanshorn (p. ĉ. k. 80-12139), Sv. Fr. 14,50
**Usono:** Bern Wheel, 834 Wenonah Ave. Oak Park IL, 60304, $ 8
**Centra kasisto** (por la okcidentaj landoj): Pierre Jouvin, 14 rue Tjiers, 76120 Grand Quevilly, Francio (p. ĝ. k. CCR-Rouen 102-45 P).

resto de p. 37

„ŝajnas, ke racia kaj respondeca sinteno al tiu problemo restos revo ankoraŭ longe, kvankam . . ."

*Ulrich Becker*



## Argentino

Ernesto Caruso, C. C. 96, **1419 Buenos Aires**, dez. kor. tutmonde, kol. revuojn, broŝurojn

## Bulgario

26j. kuracistino dez. kor. kun geesp. el GDR: Pepa Mitovska, **5600 Troyan**, str. Kolarov 17

## Ĉeĥoslovakio

29j. ĝarden-teknikisto dez. kor. kun germane parolantaj landoj p. ĉ. t.: Jiři Šilc, Jankovice 166, **68704 Traplice**

## GDR

42j. ekonomiisto dez. kor. tutmonde pri E-movado, kulturo, turismo, ekonomio, scienco tekniko, ĉiutaga vivo: Frank Münzner, Comeniusweg 17, **Zwickau 9545**
Olaf Harnisch, Am Kloster 1, **Dahme 7962**, dez. kor. tutmonde pri literaturo, medicino, pedagogio, kaktoj, kuirarto.
39j. matematikisto dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., i. a. pri filozofio, naturprotektado, mikrokomputiloj: Werner Mittag, Rostocker Str. 16, **Magdeburg 3018**
Heinz Langhoff, Otto-Ganzer-Str. 15, **Brandenburg 1800**, dez. kor. tutmonde pri vojaĝoj, literaturo, filatelio
Werner Heidler, Am Seeufer 3, **Magdeburg 3034**, dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., i. a. pri literaturo, libroj, muziko, politiko, turismo
Peter Werner, Alfred-Kurella-Str. 7, **Eberswalde-Finow 1307**, dez. kor. tutmonde pri muziko, literaturo, grafikoj, vojaĝoj, landoj, popoloj

## Hungario

16j. anoj de Esperanto-Klubo „Amikeco" dez. kor. tutmonde kun gelernantoj. Bv. skribi al: Kossuth Gimnázinon, **Miskolc 3525**, Dayka G. ut. 4
20j. konstruisto dez. kor. kun geesp. el GDR pri Esperanto kaj Karate: Ladislao Balaskó, **7090 Tamási**, Ady Endre 9

## Koreo

21j. studento de Korea juda kolegio, sportisto, dez. kor. kun sportistoj: Gim Gi-Uon, 317-24 7/2 Ĉung-ha2Dong Ĉunglang-Gu, **Seoul**

## Pollando

Dorota Dolecka, str. de Rejtan 6/5, **37-700 Przemysl**, 20j., dez. kor. kun geesp. el GDR p. ĉ. t.

32j. teknikisto dez. kor. kun esperantistinoj pri teatro, kino, muziko, turismo, literaturo: Wiktor Lebiedź, ul. Różyckiego 23/128, **58-506 Jelenia Góra**

Karol Kowalski, ul. Nowotki 8 m 53, **61-101 Śrem woj.** poznańskie, 18j., dez. kor. tutmonde pri filmoj, muziko

Ewa Zimka, **Łódź 91-425**, ul. Sterlinga 2 m 18, 21j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.

33j. instruistino k plastikistino dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Lidia Łyszczak, Pl. Boh. Stalingradu 10/1b, **62-800 Kalisz**

Geedzoj Henryk (25j.) k Lidia (28j.), **47-303 Krapkowice 5**, ul. Zeromskiego 29, dez. kor. tutmonde pri Budismo, literaturo, filmoj, turismo

30j. instruistino de juna grupo dez. kor.: Alicja Wiaderna, **78-111 Ustronie Morskie**, Sianozety 54

Janina Rudziak, **57-540 Ladek Zdrój**, Skrytka pocztowa 12, 50j., dez. kor. tutmonde pri muziko, literaturo, pentroarto, kol. pm, bk

Laboristo, 21j., dez. kor. tutmonde pri literaturo, lingvoj, bestoj, kol. bk, pm: Jan Wasik, **36-143 Kamień 500**, woj.-rzeszowskie

40j. ekonomisto dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Andrzej Gielert, **10684 Olsztyn**, ul. Murzynowskiego 22/27

20j. lernanto dez. kor. pri muziko, literaturo: Adam Szwiec, ul. Swierczewskiego 22/8, **22-600 Jomaszów Lubelski woj. Zamojskie**

22j. studento dez. kor. tutmonde pri turismo, literaturo, sporto: Paweł Szczypawka, Antoninów, **09-520 Łack woj. płockie**

21j. teknikisto dez. kor. tutmonde pri turismo, sporto, literaturo, folkloro, kol. pm, bk, revuojn: Maciej Łucka, str. Nowotki 23 13, **Łodz**

Komencanto, 17j., dez. kor. tutmonde: Kazimierz Wilk, ul. Kostki Napierskiego 43, **33-300 Nowy Sacz**

Bibliotekistino, 34j., dez. kor. tutmonde: Vanda Hajok, **34-322 Gilowice 492 woj. Bielsko-Biała**

Jan Stangryciuk str. Warszawska 29/12, **17-200 Hajnówka**, 30j., dez. kor. pri aŭtomobiloj, kino, vojaĝoj

19j. studento de biologio dez. kor. pri filozofio, vojaĝoj, vegetarismo: Jacek Warda, ul. Radzyńska 20/46, **20-850 Lublin**

Hanna Kwaśniewicz, ul. Wieniawskiego 10/48, **43-110 Tychy**, instruistino, dez. kor. pri turismo, Esperanto, libroj

Komencanto, 40j. oficisto, dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., kol. pm: Leszek Grochulski, **42-206 Czestochowa**, ul. Zarecka 54/155

29j. instruistino dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Jadwiga Jasiończak, ul. I Armii WP 6, **22-175 Dorohusk**

Komencantino, 25j. geodezistino, dez. kor. tutmonde pri turismo, literaturo, junulara muziko: Romualda Chmiel, **21-422 Stanin 30**

47j. ingeniero dez. kor. tutmonde, kol. pm, bk, E-librojn, E-gazetojn: Leon Chodera, **03-214 Warszawa**, ul. Krasnobrodzka 17 m 190

Lucyna Chodera, **77-400 Złotów**, obr. Warszawy 32, 30j., dez. kor., kol. pm, bk

Geesperantistoj, 20–70j., dez. kor. tutmonde pri nacia kulturo, vivmaniero, kutimoj, turismo; kol. bk, pm. Adreso: Polski Zwiazek Esperantystów, **33-100 Tarnów**, skr. poczt. 79

Konservistino de antikvaĵoj dez. kor. pri artoj, muziko, poezio, vojaĝoj, kulturo en div. landoj: Ewa Błażewicz-Matwij, ul. Zamenhofa 1/3 m 24, **90-431 Łódź**

Bogumiła Niechciał, ul. Orzeszkowej 20, **47-100 Strzelce Opolskie**, 26j., dez. kor. tutmonde

Marek Warmuz, os. Bohaterów Wrz. 59/52, **31-621 Kraków**, 27j., dez. kor. tutmonde

28j. sekretariino dez. kor. kun geesp. el GDR pri vojaĝoj, naturo, sporto, modo, medicino, lingvistiko; kol. pm, bk, gramofondiskojn: Bronisława Zawadzka, ul. Stara 2 m 4, **41-703 Ruda Slaska 3**

27j. instruisto dez. kor. pri vojaĝoj, fotografado, sporto: Josef Lechowicz, ul. Z. Chrzanowskiej 6, **56-100 Wołów**

Renata Boruta, ul. Przemysłowa 16, **89-300 Wyrzysk woj. Pilskie**, 19j., dez. kor. tutmonde

Leszek T. Kluza, **88-140 Gniewkowo**, ul. Torunska 17a, 25j. poŝtoficisto, dez. kor. tutmonde

58j. oficistino dez. kor. tutmonde pri turismo: Stanisława Naruk, str. Elblaska 22/12, **80-765 Gdansk**

17j. lernanto dez. kor. tutmonde: Jacek Chrolenko, **93-472 Łódź**, str. Uroczysko 46

Kazimierz Hordziejewicz, ul. W. Niedzwiefzicy 16/4, **59-220 Legnica**, 50j., dez. kor. tutmonde prifilatelo, turismo, kol. pm

Iwona Podorska, ul. Buczka 7 m 28, **09-400 Płock**, 21j., dez, kor. tutmonde p. ĉ. t.

Danuta Kucharska, ul. Bergera 22, **89-400 Sepólno Kr. woj. Bydgoszcz**, 16j., dez. kor. kun gejunuloj 16–20j., pri sporto, moderna muziko

Komencanto, 25j. laboristo, dez. kor. tutmonde pri turismo, muziko, folkloro, kol. bk: Jacek Zajac, **01-876 Warszawa**, Warszawa Broniewskiego 91/1

## Soveta Unio

Ivars Barŝevski, **238 700 Sovetsk**, Iskri 7a–25, 46j., dez. kor. tutmonde, kol. E-periodaĵojn, E-librojn, pm, bk

29j. komencantino dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., kol. bk: Vaida Urmonaite, Latviu 27, **232 004 Vilnius**, Litovio

Komencanto, 43j. min-inĝeniero, dez. kor. tutmonde pri psikohigieno, jogo, korpkulturo: Vladimir Petrovic Nikitin, **678 626 Jakutskaja ASSR, Ustjo-Majskij r-no, Solneĉnij**, str. Stroitelej 31/1, kv. 4

Lerneja E-klubo „Stelo de l'Espero" organizas perantan servon por korespondemuloj en Soveta Unio. Skribu pri viaj hobioj k deziroj (ne forgesu indiki aĝon!). Adreso: **454 080 Ĉelabinsk**, Aloe pole, Dvorec pionirov, Esperanto

27j. inĝeniero dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., kol. pm, bk; Oleg Streleckij, **220 050 u. Minsk 50**, str. Mjasnikova 78, kv. 5

16j. lernanto dez. kor. tutmonde pri radioelektroniko, turismo; Zigmunds Grundmanis, **229 014 Olaine**, Leninstr. 22–16, Latvio

30j. invalido dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., kol. bk: Rein Kruusa, **202 040 Kivioli**, Viosa 18

Dalia Valaityté, Alksnynes 6A-30, **235 815 Klaipeda**, 38j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.

16j. komencantino dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Ruta Griŝkonyte, Prienu raj. **234 355 Skriaudziai**, str. Vilties 5

24j. inĝeniero dez. kor. tutmonde pri vivmanieroj, muziko, sporto: Eŭgeno Jangulov, **625 009 Tjumenj**, ak. 139

Sergej Faizulin, **654 066 Novokuznezk/Siberio**, pri. Drushba 51–137, dez. kor. tutmonde, kol. pm, bk, diskojn, kalendaretojn

E-familio dez. kor. p. ĉ. t., prec. pri denaska edukado: Gena k Ljuda Jemeljanov, Parusnyj 36, **344 034 Rostov na Donu**

Irina Rudenko, **416 500 Astraĥanskaja obl. p. Kapustin Jar**, ul. Sovetskaja 141, dez. kor. pri historio, pentroarto

Ĝiuginta Malukaite, J. Janonio 8–1, **Palanga 235 720**, Litovio, dez. kor. tutmonde

Ivan Ŝavkun, per. Motornij 2/5 kv. 12, **603 111 Gorkij A-111**, dez. interŝanĝi pm tutmonde

Daiva Ulevičiute, Vejo 72/1, **Kaunas 233 000**, Litovio, dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.

24j. juvelistino dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Egle Zilinskaité, **Kaunas 233 000**, Cenrinis Paŝtas „Iki Pareikalavimo", Litovio

25j. farmaciistino dez. kor. tutmonde pri medicino, novaj medikamentoj, turismo, vojaĝoj: Nijole Arunaite, **235 300 Panevezis**, Bugos 14, Litovio

Se vi iam vizitos Litovion, konatiĝu kun la klubanoj de „Ondo" en la urbo **Kaunas**. Ili gvidos vin en la urbo, konatigos ĝian malnovan historion, nuntempon k E-movadon: E. K. „Ondo", C. A. D. 193, **233 000 Kaunas**, Litovio

Komencantoj el **Ukrainio** dez. kor. kun geesp. el GDR, kol. bk, pm, kalendaretojn, afiŝojn, etikedojn, librojn, gramofondiskojn:

- Jurij Korsun, P. O. Box 7, **Shostka-7**, Sumskaja obl. 245 110
- Tania Krilkova, ul. Marata 25/173, **Shostka Sumskaja obl. 245 110**
- Anna Korsun, Pr. Mira 23/40, **Rovno 266 013**
- Ivan Krolevedkij, Morguna 59, **Shostka Sumskaja obl. 245 110**

Vladimir Kijan, ul. Stroitelej 8-128, **252 105 Kiev**, 25j., dez. kor. pri literaturo, fotado, bicikla turismo, skiado, religio, kol. bk, kalendaretojn

Afrodite Zagurskyte, Vilniaus G-Ve 6/2, **233 000 Kaunas**, Litovio, 21j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.; kol. bk

Ulozaite Júrate, Mariu 101, **urb. Rumsiŝkes. Kaiŝia Doriu raj.**, Litovio, 22j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.; kol. bk

Rima Skrodenyte, Rokai Avieĉiu 28, **Kaunas**, Litovio, 23j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.; kol. bk

Loreta Jotautiene, Ŝiaures Pr. 6/40, **233 000 Kaunas**, Litovio, 24j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.; kol. bk

Ĉmjeljov Pjotr Nikitiĉ, 65j. pedagogo/teknikisto; Ira Sandler, 16j. lernantino; Dima Sandler, 10j. lernanto; dez. kor. kun geesp. el GDR. Adreso: **601 700 u. Karabanovo**, Vladimira reg., Lermontov-str. 6-25

**Eldoninto de tiu ĉi numero:**

GDR-MEM-sekcio, Kulturligo de GDR / asocia sekretariejo (Esperanto-Asocio). Redakcio: 1080 Berlin, Otto-Nuschke-Str. 1, Telefono: 2 82 63 43. Respondeca redaktoro: D-ro sc. Detlev Blanke. Redakcia komisiono: Joachim Schulze, Rudolf Hahlbohm, Werner Pfennig. Redakcia fino: 31-a de marto 1989. Presejo: Grafischer Grossbetrieb Völkerfreundschaft Dresden, Betriebsteil Meissen.
9406 - 36



*Kreta roko sur la insulo Rügen, norda GDR.* Foto: Zentralbild